**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

## Novaj prezoj! Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj! El tiuj ĉi prezoj ne plu estas favoro por malbonvalutaj landoj

| | Bindita malnova | Bindita nova | Broŝurita malnova | Broŝurita nova |
|---|---|---|---|---|
| | p r | e | z o | |
| * **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj | 5.40 | 1.70 | 3.40 | 1.20 |
| „ „ Viktimoj | 6.20 | 3.10 | 5.— | 2.50 |
| „ „ Hura tolbind. 11.20 7.20 | 9.30 | 6.90 | 7.40 | 6.— |
| „ „ Preter la Vivo | 3.30 | 2,20 | 2.— | 1.50 |
| „ „ Pilgrimo | 3.30 | 2.10 | 1.80 | 1.50 |
| * **K. Kalocsay:** Lingvo Stilo Formo | 4.50 | 1.90 | 3.— | 1.— |
| „ „ Streĉita Kordo | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.40 |
| * „ „ Rimportretoj | 4.50 | 1.30 | 3.— | 0.80 |
| „ „ Eterna Bukedo duontole 7.— | 11.20 | 6.— | 9.— | 5.— |
| * **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l'Homo luksa | 7.50 | 3,50 | 6.— | 2.50 |
| simpla | 6.— | 3.— | 4.50 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj, La taglibro | 3.— | 2.10 | 2.— | 1.50 |
| * **K. Kalocsay—Dante:** Infero | 11.— | 5.70 | 8.80 | 4.80 |
| * **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. | 15.— | 6.80 | 13.— | 6.— |
| * **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio II. | 12.— | 7.90 | 10.— | 7.— |
| luksa | | 9.— | | 7.80 |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo simpla | 3.30 | 1.90 | 1.80 | 1.20 |
| luksa | 4.— | 2.50 | 2.20 | 1.50 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | 5.— | 2.70 | 3.60 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto simpla papero | 9.50 | 7.10 | 8.— | 6.— |
| luksa bindo, luksa papero | 10.50 | 8.20 | — | — |
| „ „ Hungara Antologio | 14.— | 7.90 | 12.— | 7.— |
| **Bleier—Kökény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto vol. I.-II. ilustrita | 34.— | 20.50 | 30.— | 18.— |
| neilustrita en unu volumo | 20.— | 12.20 | — | — |
| **Asch-Lejzerowicz:** La sorĉistino el Kastilio | 5.— | 2.70 | 3.50 | 2.— |
| ***Grenkamp—Brzekowski:** Pri l'Moderna Arto | 9.— | 2.— | — | — |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn | 5.70 | 3.20 | 4.— | 2.50 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano | 5.— | 2.70 | 3.— | 2.— |
| „ „ Poemaro el Hungarlando | — | — | 1.50 | 1.— |
| „ „ La Simpla Esperanto | — | — | 1.50 | 1.— |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La Pentroarto en la Malnova Hungarujo | 15.50 | 9.— | 10.— | 6.— |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon | — | — | 1.20 | 0.70 |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo | 4.— | 2.40 | 2.50 | 1.80 |
| „ Dekdu Poetoj simpla | 4.— | 2.50 | 2.50 | 1.50 |
| luksa | 5.— | 3.— | 3.— | 1.80 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero | 5.— | 2.90 | 3.60 | 2.20 |
| „ „ Infanoj en Torento | 3.50 | 1.80 | 2.— | 1,20 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4. | 5.50 | 2.90 | 4.— | 2.20 |
| **Aisberg:** Fine mi komprenas la radion | 6.— | 3.70 | 4.50 | 2.80 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto | 4.— | 2.10 | 2.50 | 1.50 |
| **Kikuĉi—Ŝimomura:** Amo de Toojuuroo | — | — | 1.20 | 0.70 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato | 4.20 | 2.50 | 2.70 | 1.80 |
| **Slonimski—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | 4.20 | 2.20 | 2.70 | 1.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro | 11.— | 6.10 | 9.— | 5.40 |
| **Adamson:** Auli | 3.— | 1.70 | 1.80 | 1. |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio | 14.— | 7.90 | 12,— | 7.— |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto | 4.20 | 2.60 | 3.— | 1.80 |
| lukse bind. 3.50 | | | | |
| **Jerome—Badash:** Tri homoj en boato lukse bind. 4.50 | 5.50 | 3.60 | 4.— | 2.80 |

La prezoj estas montrataj en svisaj frankoj.

Aldonu 10% de sendkostoj por la libroj, aparte ne signitaj.

Por la libroj, stele signitaj aldonu 15% por sendkostoj.

Kotizo al AΞLA restis la malnova.

### Rabato de 20% al la membroj de AELA el la supraj prezoj!

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**AELA** kotizoj por 1935. estas akceptataj antaŭ ol la lasta libro de 1935. estas aperinta (proksimume en fino de februaro 1936.)

### Pagojn ni akceptas:

per monbiletoj, bankĉekoj, respondkuponoj, „money order" a Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

### Poŝtmandatojn, sendatajn al Budapest ni rifuzas

Poŝtmandatoj estas sendeblaj nur al la jena adreso: PONTOWA, KASA, OSZCEDNOSCI, KRAKÓW, Polujo, Literatura Mondo Kto nr. 403.148 pagu zloty 1.73 por unu svisa franko.

### ABONPREZO AL LINGVO LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro

0.80 aŭstrajn ŝilingojn, 4.— belgajn frankojn, 8 penny, 9.— ĉeĥajn kronojn, —.60 danan kronon, 0.60 estonan markon, 4.— francajn frankojn, 0.60 markon, 1.20 peseton, 0.80 pengő, 3.— lirojn, 8.— dinarojn, —.80 laton, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon, 0.60 norvegan kronon, 0.20 zloton, 4.— eskudojn, 25.— leojn, 0.60 svedan kronon, —.20 USA dolaron, 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.80 svisan frankon aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO por tuta jaro

la unua ekzemplero al la sama adreso

12.50 aŭstrajn ŝilingojn, 65.— belgajn frankojn, 0.7 britan pundon 60.— ĉeĥajn kronojn, 7.— danajn kronojn, 7.— estonajn markojn 45.— francajn frankojn, 7.50 germanajn markojn (pagatajn al nia konto en Berlin). 15.— pesetojn. 10.— pengőjn, 35.— lirojn, 100.— dinarojn, 9.— latojn, (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI), 4.50 guldenojn, 7.— kronojn norvegajn, 15.50 polajn zlotojn; [illegible]— eskudojn, 300.— leojn, 7.— svedajn kronojn, 1.80 USA dolarojn,

aŭ 9.— svisajn frankojn kaj ĉiun egalvaloron.

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas svisajn, frankojn 4.50 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

### Unu svisa franko egalvaloras la 15-an de decembro 1935.

1.75 aŭstrajn ŝilingojn; 9.70 belgajn frankojn; 0/1/4 anglan pundon 8.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 1.48 danajn kronojn; 1.25 estonajn markojn; 5.— francajn frankojn; 1.25 germanajn markojn, se pagataj al nia konto en Berlin kaj 1.50 germ. mk. se pagataj al la hungara kliringkonto aŭ per ĝiro poŝta al Budapest: 2.40 pesetojn hispanajn; 1,66 hungarajn pengőjn; 4.— italajn lirojn 15.50 jugoslavajn dinarojn; 1.40 latojn; 1.25 yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto. 2.50 lidojn litovajn; 0.50 nederlandan guldenon (pagu nur al) nia monopola deponejo en Nederlando: S-ro A. C. v. Ingen. Nederlanda Esperanto-Centro, Rotterdam, W, Voorhaven 43), 1.32 norvegajn kronojn; 1.73 polajn zlotojn: [illegible] portugalajn eskudojn; 45.— rumanajn leojn; 1.30 svedajn kronojn; 0.33 USA. dolaron, aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.

# LA ĴURO DE PIULO

— de L. N. Newell —

La egipta vilaĝo staris sur altaĵeto tiom malalta, ke oni apenaŭ rimarkis ĝin; tamen sufiĉe alta por protekti la domojn kontraŭ la inundoj de Nilo. La kotajn domojn kaj kolombo-turojn origis la preskaŭ horizontalaj radioj de la suno. Revidiĝis la koloroj, kiujn paliĝis la tagmeza suno: precipe la smeralda verdo de la kampoj kaj palmoj, kaj la oro de la mezdistancaj sablodunoj; ĉe la horizonto, la montetoj surmetis delikatajn purpurojn, malvojn, brunojn.

Abdallah Abd er-Rihim, sidante kaŝe en la sukerkanoj, ne rimarkis la belecon de la vespero; li fiksis anstataŭe siajn okulojn sur la vilaĝo por vidi, ĉu iu venas en lia direkto. Certiĝinte, ke de tie li ne estas observata, li turnis sian rigardon al la bordoj de la kanalo, kelkcent metrojn for, samtempe karesante la tubon de sia fusilo senscie. Sur la vojeto laŭlonge de la kanalo, paŝis pezaj bubaloj kun kriemaj knabinetoj sur siaj ĝiboj, kaj sekretemaj azenoj rajdataj de nigre vestitaj virinoj. Aliaj virinoj trempis vazojn en la akvon; poste ili metis la pezegajn vazojn sur la kapon, kaj kun tiu majesta, ebena paŝado, kiu estas la plej gracia marŝmaniero en la mondo, kun rektaj dorsoj kaj elstarantaj mamoj, iris al la vilaĝo por prepari la vesperan manĝon.

Ankaŭ de tiu flanko, nenia danĝero; ĉiu pensas nur pri reiro al la vespera preĝo kaj la familia manĝo. Abdallah tiam turnis sian rigardon al la vojo, apud kiu li atendis, kaj kiu kondukas al la kampoj de Abd el-Aziz Mahmud, la plej riĉa terposedanto de la vilaĝo. Li tamen ne atendis Abd el-Aziz, kiu en sia aĝo jam ne iras al la kampoj por labori, sed ties plej aĝan filon, Husejn Abd el-Aziz. Post dudek minutoj ĉiu fidela mahometano devos nepre genui por diri la vesperan preĝon, kaj Husejn kutimas tion fari hejme, anstataŭ sur la kampo kun siaj laboristoj.

Abdallah atendis sen ia malpacienco; ĉi tiun momenton li atendis jam de kvar monatoj, jam de la tago, kiam oni metis lin en la malliberejon. Oni akuzis, ke li seksatencis la dek-dujaran filinon de Abd el-Aziz en kotonkampo; kiam homoj alkuris responde al la krioj de la knabino, Abdallah forkuris, kaj poste en la policejo ĵuris, ke li estis en sia propra kampo dum la tuta mateno. Sed frato de la knabino estis vidinta lin kaŝkuri el la kotonkampo, kaj Abdallah ne povis trovi sufiĉajn atestantojn por ĵuri, ke li ja ne povis tie troviĝi. La juĝisto kondamnis lin je trimonata mallibero, kun punlaboro. Ĉiutage en sia karcero, ĉiutage kiam li ŝvitegis sur la vojo, kiun li riparis, Abdallah ĵuris, ke li venĝos sin, kaj nun la momento estis veninta.

Li aŭskultis; li aŭdis malproksimajn kriojn de knabinoj, foran blakadon de azeno, sed ne la frapetadon de azenhufoj sur la apuda vojeto. Li komencis timi, ke ĉi tiun tagon Husejn ne venos, aŭ escepte estas irinta hejmen pli frue. »Ho Dio,« diris en si Abdallah, »ke li venu hodiaŭ, ke mi ne maltrafu; mi promesas marŝi preĝante, proksiman vendredon, trifoje ĉirkaŭ la tombo de ŝejĥo Suliman, ‚krom fari la vendredajn preĝojn en la moskeo.« Li reekzamenis sian fusilon; ĉiu pura kaj en ordo, kun kartoĉo en la tubo.

Subite li ekĝojis; ŝajne Dio aŭdis lian preĝon. Sonis hufrapetoj sur la vojeto, kaj baldaŭ aperis Husejn, pense rajdanta, kaj portanta ankoraŭ sian sunombrelon super sia turbano. Li tenis en la mano sian rozarion, senĉese murmurante »Allah, Allah, Allah,« ĉe ĉiu globeto.

Abdallah kaŭris pli malalte en la kanoj, levis sian fusilon, kaj kun ankoraŭ unu preĝo al Dio, ke li ne maltrafu, tiris la ĉanon. La figuro sur la azeno etendis la brakojn, kvazaŭ bene, falis antaŭen sur la kolon de la azeno, kaj senbrue glitis teren, kie ĝi kuŝiĝis, senforma amaso. La azeno trankvile deiris la vojeton, kaj komencis manĝeti la herbojn en la apuda kampo.

Momente Abdallah atente rigardis la figuron sur la tero; ĉu ĝi moviĝas? Ne; ĉio bona; Dio ja aŭdis lian preĝon. Li aŭskultis: nenia bruo; eĉ la akratonaj knabinetoj estas jam hejme en la vilaĝo, de kiu leviĝas spiraletoj el blua fumo. Kun longaj paŝoj, kurba dorso, Abdallah ŝtele kuris tra la kampoj al la vilaĝo, ĉiam ŝirmante sin malantaŭ la altaj kreskaĵoj. Li eniris la vilaĝon ne per la vojo, sed tra fendo inter sia domo kaj la najbara, kaj silente, fantome glitis tra la pordo en la mallumon de la ununura ĉambreto. En unu angulo estis hela trueto en la obskuro, kie virino kaŭris super sterka fajro kaj odoranta poto. Ŝi sentis lian ĉeeston kaj sin turnis.

»Kie vi estis, O Abdallah?« ŝi diris. »Estas jam la preĝo.«

Efektive de la vilaĝa minareto sonis la paca voĉo de la muezino, vokanta ĉiun mahometanon al la preĝo. Kun grunto Abdallah piede silentigis la virinon, kaj levis la akvovazon por lavi la kapon, manojn kaj piedojn, laŭ la preĝorito. Poste li sternis pajlomaton sur la tero, kaj komencis sian vesperan preĝon, starante, genuante, per frunto tuŝante la teron, kaj murmurante rapide sed senerare la eternajn vortojn. Dum li preĝis, ĉia ekscito, ĉia zorgo malaperis el lia vizaĝo; li estis nur sekvanto de Muhammad, parolanta kun sia Dio; kaj sur lian animon pezis nenia ĝeno.

Fininte la preĝon, li silenteme manĝis, kaj poste trankvile kuŝiĝis apud la virino sur la tero, ambaŭ volvitaj en lantukoj. Kaj dormis, kiel decas al justulo, kiu plenumis ĉiun sian devon.

Kial li estu maltrankvila? Venĝo pro ofendo aŭ insulto estas la leĝeca moro de la felaho; la sento pri honoro estas tre delikata kaj flamiĝema, kaj tiu, kiu ne kuraĝas ataki siajn malamikojn, baldaŭ nomiĝas virino — la plej ofenda el ĉiuj insultoj. Mortigo, remortigo, familia vendetto, kiu daŭras ofte tri-kvar generaciojn, ĉio ĉi estas tute natura afero; kaj la felaho ne komprenas, kial la Egipta Registaro tiel severe punas la venĝintojn; kvankam li filozofece elportas la punon, kiam ĝi lin trafas.

Abdallah do dormis pace; tiom pli tial, ke li kredis sin nesuspektebla: lin vidis ja neniu, kaj kiu povos pruvi, ke li ne pasigis la tutan posttagmezon en sia kampo ĝis la vespera preĝo?

Tamen, lian dormon oni ne lasis longe trankvila. Post du horoj fusil-tenilo frakase malfermis la pordon de lia domo, kaj enpaŝis du *ghaffir*, policaj noktogardistoj. La edzino hurlis timege, Abdallah leviĝis salte kun blasfemo, kaj palpebrumis kolere en la lumo de lanterno.

»Bone, jen vi estas, O Abdallah,« diris unu el la gardistoj. »Vi venos kun ni ĉi nokte,« kaj li etendis la manon por kapti la ŝultron de Abdallah.

»Kion vi volas?« respondis Abdallah, forpuŝante la manon de la gardisto kun malestima gesto. »Vi ne havas aferon kun mi.«

# El la „Granda Testamento" de Villon

— *G. Waringhien* —

François Villon (fransùa' vijon') estas la unua tre granda poeto, kiun havis Francujo (1432—1464?). Sed lia saĝo ne egalis lian genion: pro unu murdo kaj pluraj ŝteloj li estis kondamnita je pendumilo, kiun verdikton interveno de amikoj ŝanĝigis en ekzilon: li uzis tiun favoron por fariĝi rabisto. Ĉirkaŭ du jarojn antaŭ sia morto, li verkis poemon, titolitan »La Granda Testamento«, en kiu li transdonas al amikoj aŭ malamikoj siajn pli malpli efektivajn posedaĵojn: bona okazo ilin moki kaj piki. Sed al tiu satiro miksiĝas elegiaj pecoj, en kiuj li kantas sian timon al la sufero, mizero, malriĉo kaj morto: perfektaj paĝoj, ne superitaj en la franca literaturo.

Tiu malbonfama poeto ricevis pian kaj kleran edukon. Lia verko entenas multajn aludojn al la skolastiko, al la Biblio kaj al latinaj klasikuloj. Ĉi-sube oni trovos en la strofo 6-a citaĵon el la *Predikanto* (II, 9), en la 7-a citaĵon el *Ijob* (7, 16), en la 11-a citaĵon el la *Psalmaro* (103, 16); sed oni atentu, ke li citas laŭ la latina traduko, kiu prezentas ofte miskomprenojn de la hebrea teksto. En la fina balado (ĉar Villon intermetas baladojn kaj rondaŭojn meze de la okversaj strofoj), estas aluditaj: *Flora*, roma hetajro menciita de Juvenalo; *Alcibiado*, helena elegantulo kaj ŝtatisto, kiun pluraj mezepokaj verkistoj prenis por virino; *Thais*, helena hetajro, rolulino de la komedio Eŭnuko, de Terenco (ŝi estas aludita ankaŭ de Dante, Infero XVIII, 133); *Eho*, nimfo el la helena mitologio; *Pierre Abeilard*, franca skolastikisto (mort. 1142), kiu amis sian lernantinon *Héloise*, kaj pro tio estis kastrita de ŝia onklo; ŝi mortis en 1164, abatino de la Parakleto, ĉe Nogent-sur-Seine; *Buridan*, franca skolastikisto (mort. post 1358), pri kiu oni rakontis, ke la reĝino Marguerite de Bourgogne venigis lin por ĝui lian amon, kaj poste ĵetigis lin al Seine en sako, el kiu li elsaviĝis; *Blanche de Castille*, patrino de Santa Luis; tri heroinoj el francaj epopeoj: *Berthe au grand pied*, *Biétrix*, *Alis*, el kiuj la unua estis la patrino de Karlo la Granda: *Jeanne d'Arc*, franca generalino, kondamnita al fajromorto, ne de la Angloj, kiel diras Villon, sed de la katolika eklezio, kiu poste ŝin sanktigis. (Jak Kor, strofo 10-a, estas *Jacques Coeur*, financministro kaj riĉegulo, kiu mortis en 1456, ekzilita kaj mizera.)

Mi ĉi-sube proponas tradukon de la versoj 169—356 de La Granda Testamento. Se Kalocsay malbenis la *trian* rimon de Dante, mi rajtus malbenigi la *kvaran* de Villon: oni do indulgu la makulojn de mia interpreto.

*G. W.*

*Noto.* Por kompletigi la figuron de Villon, oni relegu en »Eterna Bukedo« (pĝ. 72.) la »Baladon pri la pendumitoj«, majstre tradukitan de Kalocsay.

Bedaŭras mi pri l' temp' de l' juno,
dum kiu mi pli petolaĉis
ol iu ajn, ĝis viv-aŭtuno.
Sian foriĝon al mi kaŝis
ĉi temp': ne per pied' forpaŝis,
nek sur ĉeval'. Ho, kiel, ve, do?
Subite fluge forvojaĝis,
nenion lasis por heredo.

Ĝi pasis. Kaj mi restas plue,
magra je scio kaj prudento,
trista, senforta, morusblue
mienanta, sen havaĵ' kaj rento.
Eĉ plej humila el mia gento
nin malkonfesas, forgesante
pri la natura dev' kaj sento,
ĉar monon havas mi nul-kvante.

Kaj ja elspezojn mi ne faris
por trinkon aŭ frandaĵojn mendi,
por am' nenion mi malŝparis,
kion amikoj nun pretendi
povus kaj kun riproĉ' priplendi.
Mi diras, kaj per vorto prava,
pri tio povas min defendi:
sen kulp' ne diru vin kulphava!

Vere mi amis laŭ la tento,
kaj amus ja por plia foj';
sed trista kor', malsata ventro,
nutrita nur trione, oj!
fortiras min de l' ama voj'.
Nu, kies plenas manĝo-kesto
tiu tradancu ĝin kun ĝoj',
ĉar de l' digesto venas festo.

Ha Di'! Se estus mi studinta
sen sekvi junan fi-petolon,
kaj severmore kondutinta,
mi havus domon kaj lit-molon.

Sed mi por lerno fleksi kolon
ne volis, kiel aĉaj buboj.
Ha, dum mi skribas ĉi parolon,
preskaŭ rompiĝas kor' al ruboj.

Tro larĝe, kvankam sen utilo,
mi uzis vorton de l' profet'
dirantan: »*Ĝoju, mia filo,*
*al via infaneco,* sed
jen poste ŝanĝ' de l' etiked',
ĉar: *infaneco kaj juneco*
(jen propravorte lia pled')
*estas vantaĵo kaj eksceso.*

*Forflugis miaj tagoj haste,*
*kiel,* laŭ Ijob, *la tol-haroj,*
*kiam teksist' glatigas laste*
*per flam' de pajlo la tol-varojn.*
Se restis eĉ faden-elstaroj,
ili subite ekruinas.
Kial do timi pro l' amaroj
de l' viv', se morto ĉion finas?

Kie 'stas nun la bonvivantoj,
kiujn mi sekvis en jun-forto,
kun belaj diroj, belaj kantoj,
kun tiel plaĉaj ag' kaj vorto?
Unujn rigidaj faris morto:
el ili restas plu nenio.
Ilin gastigu ĉielkorto —
kaj la ceteron savu Dio!

Nun unuj, dank' al Dio, pozas
kiel moŝtegoj, grandaj mastroj,
aliaj, nudaj, pet-almozas,
panon vidas nur en fenestroj;
aliaj iĝis en la klostroj;
kartuzianoj, celestenoj
en botoj de kaptist' de ostroj:
tiel diversas la postenoj.

Al grandaj mastroj, Di-favoron!
Vivante pace kaj gemute,
ili ne spertas sort-rigoron,
pli bone do preteri mute.
Sed donu Di' al multaj, brute
mizeraj kiel mi, indulgon!
Por la aliaj estas ŝute,
tro ili havas vinon, bulkon.

Kaj bonajn vinojn freŝ-spilitajn,
kaj saŭcojn, flanojn, tortodiskojn,
kaj grasajn fiŝojn; poĉajn, fritajn
ovaĵon, tutajn riĉajn listojn;
ne similante masonistojn,
kiujn necesas servi pene,
sen vinverŝistoj faras distrojn,
ĉar ĉiu sin mem servas plene.

Sed senutile, mi konfesas,
de l' tem' mi vagis ekster limon.
Ne estas mi juĝist', ne pesas
kaj punas aŭ absolvas krimon.
Mi pli ol ĉiu havas ŝlimon
en kor'. Laŭdatu Jesu-Kristo,
pacigu ĉiujn ĉi animojn!
Skribita skrib', riskita risko.

Kuŝu pastraj', kiel ĝi kuŝas!
Sekvu parol' pli bonefika.
Ĉi tem' ja malagrable tuŝas
multajn, ĉar teda, malamika.
Malriĉ' amara kaj kritika,
pro spito kaj envi', sentencas
ja ĉiam per parolo pika;
eĉ ne dirante, tiel pensas.

De l' juno estas mi sen havo,
magra kaj eta laŭ deveno,
nek mia patro, nek la avo
Orac' plezuris pri mon-pleno.

Malriĉ' nin pelas kun malbeno.
Sur tomb' de l' patroj — bonakcepton
l' animoj trovu en Edeno —
oni ne vidas kronon, sceptron.

Dum min premegis mank' de mono,
ofte konsolis min la kor':
»Vin ne turmentu tiel, homo,
vin ne translasu al dolor'.
Ne havas vi, kiom Jak Kor,
sed ja pli bone sin misnutri
en kruda lan', ol, eks-sinjor',
nun en riĉega tombo putri.«

»Ol eks-sinjoro...« — kia diro!
Ĉu iu lin sinjor' jam nomas?
Kiel Davida kantis liro:
»*Vi lian lokon jam ne konas.*«
Pri la ceter' mi ne rezonas,
ĝi taŭgas ne por mi, pekanto:
al teologoj mi ĝin donas,
ĝi estas tem' de predikanto.

Mi do ne estas, mi rekonas,
fil' de anĝela origino,
la frunton stel-diadem' ne zonas.
Mortis patret', ĉe Di' l' animo,
la korpo kuŝas sub pavimo.
Mi scias, ankaŭ panjo mortos
(ĝin scias mem la povrulino),
kaj ankaŭ l' filon oni portos.

Mi scias, ke l' mizerajn, dandajn;
saĝajn, stultajn; malbelajn, belajn;
ŝparajn, malŝparajn; etajn, grandajn,
homojn kamparajn kaj nobelajn;
laikojn, pastrojn; zibelfelajn
damojn kaj de ia ajn sorto:
kaj kufportantajn kaj ĉapelajn,
ja senescepte rabas morto.

Kaj ĉu Pariso, ĉu Helena,
kiu ajn mortas, mortas dure,
la spiron perdas, suferplena,
ĉe l' koro krevas gal' terure
kaj ŝvitas li supernature.
Neniu al li helpi venas,
nek fil' nek frat' garantiule
lin anstataŭi entreprenas.

Pro morto li paliĝas, verdas,
kurbiĝas naz', dikiĝas kolo,
sin streĉas vejnoj, karno velkas,
ŝvelas artiko kaj muskolo.
Virina korp', kun tia molo,
glatbrila, milda kaj sentiva,
ĉu tia estu via rolo?
Jes, aŭ ĉielen flugi viva.

BALADO PRI LA DAMOJ DE PASINTA TEMPO.

Diru, kie, en lando disa,
jam estas Flora, Roma gem';
Arkipiada kaj Taisa:
laŭ bel' el kvazaŭ sama sem';
Eĥo, kun bruripeta ĝem'
en sia belo senkompara
apud river', ĉe lag-marĝen'?
Sed kie jam la neĝ' lastjara?

Kie la saĝa Heloisa,
pro kiu Abelard' kun ingven'
kastrita iĝis Sankt-Deniza
monak'? (pro amo, jen ĉagren'!)
Kaj la reĝin', kiu sen ĝen',
Buridanon post nokto kara
jetigis en sako al Sen'?
Sed kie jam la neĝ' lastjara?

Blanka, reĝin' kun lip' ĉeriza
kaj kun kantvoĉo de siren',
kaj Berta, Bietriks', Aliza,
Haremburgis, grafin' de Men,
brava Johana el Loren',
kiun bruligis venĝ' anglara?
Kie? Virgina Suveren'!
sed kie jam la neĝ' lastjara?

Princ', kie ili? Por diven'
ne petu pri respondo klara,
ke vin ne trafu ĉi refren':
sed kie jam la neĝ' lastjara?

---

»Ĉu tiel? Kaj la kadavro de Husejn Abd el-Aziz, kiel ĝi okazis?«

»*Uallahi*, je Dio! Ĉu mi scias? Ĉu mi estas via ekzekutisto de hundoj?«

»*Balaŝ kalam*, ĉesigu vortadon,« kaj la gardisto denove etendis la manon.

»Lasu!« kriis Abdallah kolere, ripete forpuŝante la manon kun la malestima, obstina pacienco de eĉ kolera egipto.

Nun ambaŭ gardistoj etendis la brakojn, kaj komenciĝis furioza sed mallonga lukto. Lerte unu el la gardistoj frapis per sia fusilo la ventron de Abdallah; li rigidiĝis senspire, kaj ili surmetis al li la mankatenon.

Tiam ili trenmarŝigis lin al la subpolicejo, kiu situis meze de la kampoj, duonkilometron ekster la vilaĝo. La procesieton sekvis lia edzino, hurlante, blasfemante, kaj per ĉiaj fivortoj insultante la gardistojn. Alvenis ankaŭ vilaĝanoj, kun membroj de la familio de la murdito; ili provis bati, alkraĉi, ponardi Abdallah, kaj la gardistoj devis eĉ pli lukti kaj sin riski por protekti sian arestiton, ol por lin aresti.

Fine, meze de bruego kaj konfuza luktado en la mallumo, ili sukcesis lin loĝigi en karcero sur la policeja korto, kaj frapbalai la homamason ekster la policejon. Grade la amaso foriris al siaj domoj, sed la edzino de Abdallah longe kriegis ekster la pordego, skuante la kradon; fine eĉ ŝi sidis, poste kuŝis sur la tero, por dormi ĝis la mateno.

En la mateno alvenis la polica leŭtenanto, junulo tre bela kaj vireca en sia kakia uniformo, kun gaje klinita fezo kaj blankaj gantoj. Li sidis en sia oficejo, blanka kaj senornama, mendis kafon, bruligis cigaredon, kaj tedite komencis legi la raporton de la serĝento pri la trovo de la kadavro, plendo kaj akuzo de la familio de la murdito, kaj la aresto de Abdallah.

»Venigu lin,« li diris lace al la atendanta policano.

Oni enmarŝigis Abdallah, duone luktantan, kun vundoj kaj sekiĝinta sango ĉie sur siaj vizaĝo, brakoj, ŝultroj, kaj kun ŝirita galabijo.

Li komencis paroli torente, preskaŭ antaŭ ol trapasi la pordon.

»*Ja bej, Allah jitaŭil omrak!* O bejo, Dio longigu vian vivon! Diru al ĉi tiuj hundidoj, ke...«

»*Ua omrak!* Kaj vian!« respondis la leŭtenanto. »Silentigu lin.«

Policano pugnofrapis la buŝon de Abdallah, kaj Abdallah jetis al la policano murdeman rigardon.

»Vi estas Abdallah Abd er-Rihim Hasan?«

»Jes, O bejo.«

»Vi loĝas en Uadi Sial?«

»Jes, O bejo.«

»Bone. Abd el-Aziz Mahmud el-Bedaŭi akuzas, ke hieraŭ vespere vi pafmortigis lian filon, Husejn Abd el-Aziz Mahmud. Li kaj kvin aliaj atestantoj deklaras, ke vi plurfoje kaj publike ĵuris venĝon kontraŭ la familio de Abd el-Aziz pro via malliberiĝo.«

»O honorinda moŝto! Ĉu klera sinjoro, kia vi, kredas tiajn hundojn? *Uallahi!* mi...«

»Silentigu lin,« lakone ordonis la leŭtenanto. La policano ripetis la pugnofrapon, kaj Abdallah la rigardon.

»Vi estas arestita, kaj restos tie ĉi por la magistrata enketo. O soldato, remetu lin en la karceron. Vi povas forigi la katenon.«

La policanoj, nomataj en Egiptujo soldatoj, forigis Abdallah, luktantan kaj kriantan al la leŭtenanto komplimentojn kaj plendojn; baldaŭ fermiĝis la pordo

de lia karcero, kaj denove li estis sola. La leŭtenanto mendis pluan kafon, bruligis pluan cigaredon, kaj oscedis. En tiaj subpolicejoj ja nenio okazas.

En sia karcero Abdallah longe furiozis, kaj laŭtvoĉe recitis la maljustaĵojn, kiujn li suferas. Sian monologon li variigis jen per malbenoj kaj venĝoĵuroj kontraŭ siaj falsaj akuzantoj, jen per prova parolado, konvinkonta eĉ la plej »malfacilan« juĝiston, ke li estas denaska senkulpulo. Sed la tago pli kaj pli varmiĝis, kaj fine liaj vortoj fariĝis nur murmuro, kaj eniris la silenton de la tagmeza dormo.

Oni vekis lin je la kvara kaj duono, por konduki lin antaŭ la reprezentanton de la urba magistrato. Li stumblis el la helega lumo sur la korto en la obskuron de la oficejo, kaj staris palpebrumanta antaŭ la tablo, kie sidis tri viroj. Malantaŭe, en la centro, estis la reprezentanto de la magistrato, sendata por fari la leĝan enketon: li estis grasa hometo, ŝvitanta en siaj fezo kaj eŭropanaj vestoj; dum la tuta intervjuo li svingetadis unu piedon kaj frapadis la tablon laŭtakte per sia krajono, krom dum la momentoj, kiam li parolis. Ĉe lia dekstra mano sidis lia skribisto, ombra homo, kiu estis tiom miopa, ke li pasigis la tutan tempon aŭ tenante la nazon tri centimetrojn for de sia skribpapero, aŭ ĝin antaŭenpuŝante agle por iom vidi la parolantojn. Maldekstre sidis la leŭtenanto, kun tedita esprimo ankoraŭ sur sia vireca vizaĝo.

La reprezentanto ne donis al Abdallah okazon por komenci la konversacion; li tuj komencis sian formalan demandadon.

»Abdallah Abd er-Rihim Hasan?«

»Jes, via honora moŝto.«

Kaj tiel plu. La skribisto ĉion knaris sur paperon, ŝajne skribante per la nazo. Fininte tiun scenon, la reprezentanto mendis kafon, bruligis cigaredon, kaj sin turnis por priparoli la Kabineton de Sedki Paŝao kun la leŭtenanto. Ili parolis tute malkaŝe antaŭ Abdallah kaj la policanoj; kiel tiuj brutuloj povus kompreni la parolojn de la *efendija*, de la edukitaro? Dume, Abdallah staris senmove, kaj pensis iom angore pri la venonta intervjuo.

Kritikinte la Kabineton de Sedki Paŝao el ĉiuj vidpunktoj, la reprezentanto oscedis, kaj ordonis al la policano venigi »la aliajn.«

Post du-tri minutoj eniris deko da homoj, ĉiuj vestitaj en la ceremonia kaftano kaj blanka turbano de la iom riĉa kamparano. Ili basvoĉe salutis la *efendiojn*, kaj tuj kaŭris en linio, kun postaĵo sur kalkanoj, kaj etenditaj brakoj apogataj sur genuoj. Dum unu-du minutoj ili fiksis la okulojn sur Abdallah, kun medita esprimo, kiu trankvile promesis, ke post la nepra puno de la leĝo, venos ankaŭ la saldo de kontoj laŭ la kamparana moro. Tiam ili turnis la kapon al la tablo kaj aŭskultis. Malantaŭ ili staris kvar policanoj; ankaŭ akuzantoj kaj atestantoj ekscitiĝas, kaj kelkfoje estas necese trankviligi ankaŭ ilin per kelkhora restado en karcero.

»Abd el-Aziz Mahmud!« diris la reprezentanto.

»*Effendim!*« respondis fortika maljunulo, kun faltaj vangoj kaj barbo sub la mentono.

»Kiam vi lastfoje vidis vian filon Husejn?«

»*Effendim,* je tagmezo; li venis por doni monon, kiun li estis kolektinta de terluanto.«

»Kiam li foriris el via domo?«

»Je la kvara. Li iris rigardi miajn laboristojn en la kampo apud la kanalo.«

»Kaj li ne revenis laŭ kutimo je la vespera preĝo. Kiam vi komencis serĉi lin?«

»Ni atendis du trionojn de horo sen manĝi. Mi tiam sendis mian filon Fuad al la kampo.«

»Fuad Abd el-Aziz!«

»*Effendim!*« respondis Fuad.

»Vi iris survoje al la kampo apud la kanalo. Kie vi trovis la kadavron de via frato?«

»Sur la vojeto, kiu iras al nia kampo, sep minutojn for de la vilaĝo. Li kuŝis sur la ventro. Mi kriis lian nomon, sed li ne respondis. Tiam mi vidis, ke li mortis.«

»Kion vi faris tiam?«

»Mi kaptis lian azenon, kiu estis en la apuda kampo, kaj rajdis hejmen por informi mian patron. Li iris al la policejo por informi, ke tiu hundo Abdallah, kiu ĉiam estis malpura kaj fava, mortigis nian Husejn.«

Ĉe tio Abdallah, kiu ĝis nun staris senmova, kvazaŭ la afero lin neniel koncernus, eksaltis, kvazaŭ oni estus lin vipinta.

»Vi mensogas! Oni pafmortigas hundon de via familio, kaj vi venas tien ĉi por azenbleki pri honestaj homoj!« Li volis daŭrigi per kelkaj rimarkoj pri la honoro de la virinoj de tiu familio, kiam la reprezentanto donis la malnovan ordonon, »Silentigu lin.«

Necesis du policanoj ĉi foje por ŝtopi tiun buŝon, kaj, eĉ kiam silenta, li spiris forte kaj okule minacis siajn senhontajn akuzantojn. La lukton rigardis la reprezentanto, kiel oni rigardas muŝojn sur fenestrovitro.

Nun la demandoj direktiĝis al Abdallah.

»Kaj kial vi mortigis Husejn?«

»Kial mi mortigus tiun sesdekidon? Mi atentas miajn aferojn. Ĉu mi havas tempon por fari la laboron de la pendigisto?«

»Bone. Vi diras, ke vi ne mortigis lin. Nu, rigardu tion ĉi.« La reprezentanto gestis al policano, kiu donis al li fusilon. »Kio estas tio?«

Abdallah silentis.

»Via fusilo, ĉu ne? Ni trovis ĝin en via domo. Eble spirito ĝin metis tien? Kies ĝi estas?«

»Ĝi estas mia,« respondis Abdallah, atente observante la reprezentanton.

»Kaj per ĝi vi pafis Husejn, ĉu ne? Vi atendis en la kanoj, kaj pafis lin, kiam li alproksimiĝis?«

»Ne, je la profeto Muhammad, li estu feliĉa! Mi ne uzas mian pafilon jam de semajnoj.«

»Vi ne uzas ĝin jam de semajnoj. Bone. Mi komprenas. Kaj kiel estas, ke jen en la tubo estas tute freŝe bruligita pulvo? Eble via edzino iras ĉasi?«

Abdallah interne malbenis sian stultecon, ke li ne purigis la fusilon; sed sur lia vizaĝo aperis esprimo de kompleta nekompreno.

»Freŝa pulvo? Via moŝto, Dio protektu vin! Vi eraras. Kiel povus esti freŝa pulvo, se mi ne pafas jam de monatoj?«

»Ĉu tiel? Sendube la diabletoj. Eble la juĝisto kredos vin, kaj ne min.«

»*Ja baŝa,* O paŝao, kiel mi povus memori? Eble mi iris hieraŭ kaj pafis unu el la hundoj, kiuj difektas miajn kreskaĵojn.« Indigne: »Ĉu mi memorus ĉiun hundaĉon, kiun mi pafas?«

La reprezentanto ridetis grase, kaj kapjesis. »Mi ja komprenas. Dum semajnoj en la vilaĝo, vespere en la kafejo, vi laŭte ĵuras, ke vi venĝos vin pro tiu afereto, pro kiu vi pasigis tri monatojn en malliberejo. Vi informas la mondon, ke la maljunulo Abd el-Aziz bedaŭros siajn mensogojn. Kaj tiam, por pruvi viajn vortojn, vi prenas vian fusilon unu vesperon, kaj iras pafmortigi — hundaĉon en via kampo. Tiel, ĉu ne?«

»Ĉu mi atentus tiajn friponojn?« La malestimo sur lia vizaĝo estis admirinda. »Ili ne indas alkraĉon. O noblulo, mi estas konata en la vilaĝo. Neniu eĉ unufoje aŭdis min minaci tiun familiaĉon: neniu diras tion. Ĉu Dio permesus al tia mensoganto vivi?«

La reprezentanto sin turnis al la linio el kaŭrantaj viroj. »Muhammad, Ali, Nasr, Abd el-Hamid, Nur, ĉu vi aŭdis aŭ ne aŭdis Abdallah deklari, ke li scias protekti sian honoron, kaj ke li mortigos la tutan familion de Abd el-Aziz?«

Konfuze ĥoro jesis emfaze, kun multaj ĵuroj je la nomo de Allah.

Ĉe tia malnobleco, Abdallah tute furiozis. »Idoj de publikulinoj!« li kriegis. »Malbenojn sur viaj patroj! De kie vi havas viajn filojn, O Abd el-Aziz? Ĉu kalvulo, kia vi, povas fari idojn al siaj edzinoj?«

Ĉe tiu eksplodo estis ĥaoso en la oficejo. La viroj leviĝis kune kaj ekkuris por dispecigi Abdallah. Ĉiu samtempe kriegis, malbenante kaj blasfemante, kaj meze de la bruego la policanoj batalis por restarigi kvieton. Fine el la konfuzo apartiĝis tri grupoj: la akuzantoj, la policanoj, kaj Abdallah kun siaj gardistoj, ĉiuj anhelantaj, kun freŝa sango sur vizaĝoj kaj ŝultroj.

La leŭtenanto oscedis. »Sufiĉas, ĉu ne? Ni povas atendi la proceson.« La reprezentanto kapjesis, kaj ordonis al policano alporti kafon. Oni forpelis la akuzantojn kaj atestantojn, kiel ŝafojn, kaj remetis Abdallah en lian karceron. Kiel antaŭe, li laŭte informis la mondon pri siaj suferoj kaj afliktoj, dum la aliaj malliberuloj malbenis lian patron kaj faris malkomplimentojn pri lia patrino; en la sekvanta insulto-duelo, kriata de karcero al karcero, Abdallah resereniĝis.

Pasis du horoj. Subite li aŭdis novan, familiaran sonon tra la ekstera fenestro de sia karcero, kiu malfermiĝis sur la kampvojeton kondukantan al la tombejo. De fore, aŭdiĝis basa kantado kun forta ritmo, sur fono de virina ululado: la egipta mortoveo tremanta kaj ripetata. Baldaŭ la konfuzaj sonoj pliklariĝis kaj plilaŭtiĝis, kaj la procesio aperis preteriranta la policejon. Ĉe l' antaŭo marŝis la viroj, blanke vestitaj, kun seriozaj, senĉagrenaj vizaĝoj. La plej proksimaj viraj parencoj subportis ŝultroportilon, sur kiu kuŝis la ĉerko. Tiuj, kiuj ne povis atingi unu el la teniloj, metis manon sur la portilon mem, kaj tiel marŝis kantante. La unua portanto estis Abd el-Aziz mem, kun okuloj fiksitaj sur la eterneco. Post la viroj iris la virinoj, nigre vestitaj. Ili kriis, ploris, jen rektigante la dorson kaj svingante la brakojn al la ĉielo; jen kurbigante sin kaj prenante polvon de la tero por verŝi, nur la kapon. Ĉiu-kelkpaŝe ili haltis, ŝiretis siajn vestojn ĉe la brusto, kaj levis la kapon por ululi kun blinda malespero.

La procesio forpasis, kiel dancistoj trans scenejon, kaj la kantado kaj hurlado fariĝis nura murmuro en la malproksimo.

Abdallah daŭris rigardi tra la fenestro, kontente ridetante. Fine, kvita kun tiu hundaro. Tamen, ne. Estas ĉi tiu akuzo, ĉi tiu malliberecо; tion oni devas pagigi. Abdallah grincigis siajn dentojn. Denove lia kolero plenigis lian koron, ĝis ĝi eksplodis en subita ekkrio: »Allah!« Li ekpaŝis tien kaj reen furioze.

Tiam frapis lin alia penso: morgaŭ estos vendredo, kiam li devus plenumi sian ĵuron, marŝi trifoje preĝante ĉirkaŭ la tombo de la sanktulo, ŝejĥo Suliman. Tio ĝenis lin; se oni ne plenumas ĵuron, teruraj



E. Wiiralt: *Predikanto* (litogr.)

# LA VOJAĜO

— Charles Baudelaire —

I.

Por knab', kiun revigas la mapoj, bildalbumoj,
la mondo, kiel lia malsat', estas giganta.
Ho, kiel vaste granda la mondo ĉe lamp-lumoj!
Ĉe l' rememoroj, kiel la mond' estas malgranda!

Ni ekiras iun tagon kun cerbo flame brula;
la kor' de spitoj pezas kaj de dezir' amara.
Kaj iras ni obee laŭ ondo-ritmo rula
luli senfinon nian sur la fineco mara.

La unujn la patrujo malnobla fuĝi spronis,
l' aliaj fuĝas sian hontindan nask-sekreton,
aŭ stel-serĉantoj, kiuj en in-okuloj dronis,
fuĝas tiranan Circe, ŝian parfuman reton.

Por ne ŝanĝiĝi besto, ili sin ebriigas
per spaco kaj per lumo kaj per ĉieloj flamaj.
Ilin la suno bakas, glacio morde pikas
kaj forviŝadas lante spurojn de l' kisoj amaj.

Sed veraj vojaĝantoj ja estas, kiuj iras
por iri, akceptante ŝian fatalon ĝue;
ilia kor' malpeza kiel balon' facilas,
ili, senscie kial, eterne diras: Plue!

Dezir' ilia havas formon de nub-figuroj,
kaj ili revas, kiel rekruto pri kanono,
pri ŝanĝaj, nekonataj, voluptaj aventuroj,
de kiuj la hom-lingvo ne scias eĉ pri l' nomo.

II.

Terure, ni imitas laŭ danco kaj laŭ salto
la turbon, la globeton; la Scivolemo, urĝe,
eĉ en la dorm' turmentas kaj rulas nin sen halto,
kiel Anĝel' kruela, batanta sunojn skurĝe.

Ho, stranga fato, kies fincelo ne kapteblas,
nenie ekzistanta, serĉebla ajn-angule!
pro kiu l' Homo, kies esper' senlace febras,
por trovi la ripozon kuregas frenezule!

L' anim' estas trimasto serĉanta Ikarion;
sur ponto sonas voĉo: »Rigardu! Bordo certa!«
El masto-korb' ni aŭdas fajre frenezan krion:
»Ho, Amo... Glor' .... Feliĉo!« Inferon! Rif' dezerta!

Ĉiu insulo, kiun la gardistar' signalas,
ja ŝajnas Eldorado kaj promesita lando.
La Fantazio, kiu jubile bakhanalas,
ĉe l' matenbril' ĝin trovas nur nuda roka rando.

Ho povra amant' de landoj ĥimeraj, ekzotikoj!
ĉu ĉeni lin per fero, ĉu ĵeti al fundo mara?
Ho, ĉi marist' ebria, trovant' de Amerikoj,
kies miraĝo igas l' abismon pli amara!

La vagabond' maljuna, dum en la kot' li vagas,
naz-en-aere revas pri paradizo brila;
lia okul' sorĉita Kapuon ekimagas,
kie kandel' lumetas en kabanaĉ' argila.

III.

Mirindaj vojaĝantoj! kiaj rakontoj noblaj
legiĝas en l' okuloj profundaj kiel maroj!
Montru la trezorujon de l' memoroj miloblaj,
el astroj kaj etero la mirajn juvelarojn.

Mi volas kunvojaĝi sen velo kaj vaporo
por peli for la tedon de l' prizon-ĉeloj hontaj.
Do, sur spiriton nian, streĉitan kiel tolo,
pentru la rememorojn kun kadroj horizontaj!

Diru, kion vi vidis?

IV.

Nu, vidis ni riverojn
kaj stelojn, vidis ankaŭ sablajojn sub siroko,
kaj malgraŭ multaj plagoj, embuskaj viv-danĝeroj,
ja ofte ni enuis, samkiel en ĉi loko.

La gloro de la suno sur mar' violkolora,
la gloro de la urboj en la krepuska suno,
ardigas nian koron per la sopir' dolora,
plonĝi al la ĉielo de mild-alloga lumo.

Pejzaĝoj plej grandiozaj, kaj plej riĉegaj urboj
neniam havis tiajn allogojn mister-mirajn,
kiajn kaprice formis hazardo per la nuboj.
Kaj ĉiam la deziro nin faris plu-sopiraj.

La ĝuo la deziron nur igas pli fortika.
Maljuna arb', Deziro, vin sterkas la volupto;
dum igas ĝi la kruston pli dura kaj pli dika,
la branĉoj pli sin streĉas al sun' por fajra nupto.

Ho, kien do vi kreskos, arbeg' pli tempo-spita
ol la cipreso? — Tamen, ni kun zorgem' fervora
kolektis kelkajn skizojn por via album' avida,
ho fratoj, kiuj trovas, ke belas ĉio fora.

Multfoje ni salutis idolojn rostro-havajn,
kaj tronojn lume brilajn, faritajn el juveloj,
palacojn fee pompajn, kies ornamoj ravaj
ruiniga revo estus por viaj bankieroj,

kostumojn, kiujn sorbas l' okul' ebriigate,
virinojn, kies dentojn kaj ungojn pentras farboj,
ĵonglistojn saĝajn, kiujn serpent' karesas flate.«

V.

Kaj plu, kaj plu ankoraŭ?

VI.

Ho, infanecaj cerboj!

Por ke ni ne forgesu pri la plej ĉefa aĵo:
ni vidis, sen ĝin serĉi, en la plej plena rego,
tra tuta long' de l' fata ŝtupar', je ĉiu paŝo,
spektaklon enuigan de la senmorta peko:

Jen ino: sklav' malnobla, orgojla kaj stupida,
sennaŭze sin amanta, senride memadora.
Jen vir': tirano kruda, lasciva, mon-avida,
kaj sklavo de la sklavo, flu' en kanal' fetora.

Ekzekutisto gaja, martir', kiu ĝemspiras,
festeno, kiun spicas parfume sango-gutoj,
despoto, kies nervojn venen' de povo ŝiras,
popol' enamiĝinta al bestigantaj knutoj.

Ni vidis religiojn, al nia propra rito
similajn, grimp-ataki ĉielon; kaj sanktulojn,
kiel la molkorpulo voluptas en plum-lito,
serĉadi en harzono kaj najloj korplezurojn.

La Homon vante klaĉan, ebrian de genio,
kiu de frenezumoj nun kiel ĉiam plenas,
voki al Di' en sia furioza agonio:
»Ho mia similulo, Majstro, mi vin malbenas!«

Kaj malpli stultajn, hardajn amantojn de l' Ebrio,
fuĝi de l' granda grego barita de la Sorto,
rifuĝi en la sinon senliman de l' opio.
— Jen pri la tuta globo l' eterna tagraporto.

VII.

Amara scio, kiun el la vojaĝ' ni havas!
Ĉi tiu mondo eta, kun monotona fluo,
hieraŭ, nun kaj morgaŭ per sama bild' nin trafas:
horor-oazo en la dezerto de l' enuo!

Ĉu iri? resti? Restu, se havas vi radikon;
for, se vi devas. L' unu kurege, dua kaŭre
ja trompus tiun mornan, viglantan malamikon,
la Tempon. Estas, kiuj, kurantaj ĉiamdaŭre,

kiel la Jud' vaganta aŭ apostoloj piaj,
kontentas per nenio, nek ŝipo nek vagono,
por fuĝi la skermiston malnoblan; kaj aliaj,
kiuj ĝin scias murdi sen las' de l' naskregiono.

Se fine ĝi nin tretas per plando al kranio,
esperos ni, kaj krios: Antaŭen, sen prokrasto!
Kaj same kiel foje ni vojis al Ĉinio
kun haroj en la vento, okuloj al la vasto,

ni enŝipiĝos naĝi sur Ocean' Tenebra
kun la jubila koro de vojaĝanto juna.
Aŭskultu, sonas voĉoj kun ĉarma son' funebra,
kantante: »Ho ĉi tien! vi, kiuj el parfuma

Lotuso volas manĝi. Jen la rikolto sorĉa
de l' miraj fruktoj, kiujn malsatas via sino.
Venu vin ebriigi per gusto strange dolĉa
de l' posttagmez', al kiu neniam venos fino.

Rekonas ni l' fantomon per ton' familiara;
niaj Piladoj festas brakstreĉe rendevuon.
»Por korfreŝigi naĝu al via Elektra kara!«
Ŝi diras, al kiu iam ni kisis la genuon.

VIII.

Mort', kapitan' maljuna' ho Mort', jen temp' de l' migro!
Ĉi lando tedas. Levu la ankron! Ŝvelu velo!
Kaj kvankam kovras maron, ĉielon inka nigro,
la kor', vi scias, plenas de radianta helo.

Verŝu venenon vian por nin fortigi! Havas
ĉi tiu fajro tian cerbobruligan povon:
ni volas plonĝi abismon — Infer', Ciel', ĉu gravas? —
por trovi, sur la fundo de l' Nekonata, *novon.*

El la franca: *Lali Blond* kaj *K. Kalocsay.*

---

aferoj povas okazi: oni falas en puton, aŭ renkontas homon kun malbona okulo, kaj forgesas forgesti la malbonon; aŭ venas en la nokto diabletoj por turmenti kaj malebligi la dormon. Teruraj aferoj, precipe tiuj diabletoj, kiuj povas tute mizerigi la vivon al la homo.

Li ja devos iri morgaŭ al la tombejo por fari tiujn preĝojn; sed kiel — en malliberejo? Kiel, kiel — en malliberejo? Horon, du horojn li cerbumadis, jen paŝante, jen kaŭrante kun etenditaj brakoj. Ĉu mortigi la gardiston? Sed denove, kiel? Pri la puno sekvonta tian pluan murdon li ne pensis: la egipta kamparano ne kutimas antaŭpensi la rezultojn de siaj agoj.

Subite li haltis, kaj staris kvin minutojn senmove meze de la karcero. Li ridetis; li havis sian planon. Li iris al la kradpordo de la karcero kaj elrigardis. Estis mallume ekstere. En la oficejo, nenia lumo: la leŭtenanto ne deĵoras. Apud la pordego de la korto, nur unu sola figuro kun fusilo — la gardisto; ankaŭ la serĝento foriris por siaj aferoj. Abdallah tre singarde provis altiri la atenton de la gardisto; eĉ la aliaj malliberuloj devos ne scii pri la plano.

»Tsss! O soldato, aŭdu!«

Je la tria provo, la gardisto aŭdis, kaj base grumblante, venis al la karcer-pordo.

»O azeno, kion vi volas? Ĉu mi estas tie ĉi por vin atenti?«

»Aŭdu: kion oni faros al mi?«

»Ĉu mi scias? Kredeble pendigo.«

»Pendigo? Allah-Allah-Allah! Mizero! Kial mi naskiĝis?«

»*Allah ji!* Ekzistas tamen Dio!« diris kompate la gardisto.

»Sed vi ne komprenas! Mi faris ĵuron, pro... pro ia grava afero, ke morgaŭ mi marŝos preĝante trifoje ĉirkaŭ la tombo de Suliman. Nun mi ne povas. Ĉu vi komprenas, kiel mi turmentiĝos?«

La gardisto estis tre religia homo, kaj ankaŭ bonkora, kaj li bone perceptis la malfacilan situacion, en kiu troviĝis Abdallah.

»Tamen,« li diris konsole, »la diabletoj ne povos longe vin turmenti.«

»Sed ĉu mi povos morti, ne plenuminte tian promeson?« Abdallah flustris ankoraŭ pli sekrete. »Aŭdu: vi estas bona homo; vi helpos min, kaj Dio rekompencos vin per riĉeco kaj multaj filoj. Nur malgranda afero: vi malŝlosos mian pordon, mi foriros por unu horo, kaj revenos rapide, nevidate, kaj neniu scios pri la afero. O soldato, mi ĵuras per la Profeto, ke mi ne perfidos vin; mi ĵuras, ke mi revenos je la ĝusta tempo.«

»Ĉu vi estas frenezulo? Cetere,« aldonis la gardisto, »mi ne deĵoras dum la nokto. Mi finos post duonhoro, kaj revenos nur tagmeze morgaŭ. Neeble.«

»*Rabuna jigazik!* Dio vin rekompencos! Ne estas necese iri nokte. Lasu min eliri post la tagmezo morgaŭ; ĉiu en la mondo estos dormanta; neniu min vidos;

estos plí sendanĝere, ol dum la nokto. O homo, kion vi volus fari? Ĉu vi ne plenumus ĵuron?«

Tiu petego, kaj tia rezonado, ŝancelis la decidon de la gardisto; li estis pia homo. Abdallah vidis sian avantaĝon, kaj tuj almetis la finkonvinkan argumenton.

»Mi havas du pundojn kaŝitajn. Mia edzino scias, kie ili estas. Mi diros al ŝi, ke ŝi donu al vi la monon, kiam mi estos farinta miajn preĝojn. Du pundoj!«

Du pundoj preskaŭ egalas la salajron por tuta monato, kaj estas argumento nerezistebla.

»Du pundojn kaj duonon,« diris la gardisto.

»*Ja salám! Ana meskín!* O Paco! Mi estas malriĉega!« diris Abdallah. »Du pundojn kaj dek piastrojn.«

»Du pundojn kaj tridek piastrojn,« firme respondis la gardisto.

»Mi malsatos, tamen, bone. Estu tiel.«

»Tamen, vi ja ĵuras reveni, ĉu ne? Se vi malaperus, mi perdus mian oficon, mian pension, kaj krome pasigus kelkajn jarojn en malliberejo,« diris la gardisto, kun ektimo.

»Ĉu mi estas mensogema kristano?« lin trankviligis Abdallah. »Vi mem apenaŭ rimarkos, ke mi forrestis etan tempon.«

La gardisto reiris al la pordego por saluti la serĝenton revenintan de siaj privataj aferoj, kaj Abdallah kuŝiĝis sur la nuda planko, kaj dolĉe dormis. Sur liaj lipoj estis rideto.

Fariĝis laŭ la plano. Je tagmezo, oni ŝanĝis la gardistojn. La leŭtenanto foriris por siaj tagmanĝo kaj siesto. La serĝento kaj la gardisto, la sama gardisto, sidis sur benko apud la pordego.

La mondo estis silenta. Blankega sunlumo torente falis senbrue; ĉio paliĝis en la varmo. Baldaŭ la kapo de la serĝento kliniĝis; li ronkis. Similaj dormosonoj aŭdiĝis el la apudaj karceroj.

La gardisto zorgeme leviĝis, kaj piedpintis al la pordo de la karcero, kaj ĝin malŝlosis per la ŝlosilo, kiu pendis ĉe lia zono. Abdallah silente eliris nudpiede, kaj gestante al la ĉielo por ripeti sian ĵuron, glitis tra la korto, sur la eksteran vojeton.

Tagmeza silento kaj soleco. En domoj, sur kampoj, la homoj ĉie kuŝis dormantaj post la peza laboro de la mateno. Abdallah sin turnis en la direkto de la tombejo, kaj komencis kuri. Necesis tio, spite la varmon, ĉar estis multo farenda en lia malgranda horo.

En ses-sep minutoj li atingis la tombejon, kaj irinte rekte al la tombo de la sankta ŝejĥo, ĉirkaŭiris ĝin trifoje, preĝante.

Nun, kun trankvila konscienco, li sin turnis al la dua afero. Ankoraŭ kurante, sed tre zorge, por ne esti vidata, se troviĝus iu maldormemulo, li ekiris en la direkto de unu el la kampoj, kie probable li trovos la filojn kaj laboristojn de Abd el-Aziz. Ankoraŭ dek minutojn da vojo, kaj li alvenis. Dio estu laŭdata, jen ili. Sur la rando de la kampo kuŝis ses viroj: Fuad Abd el-Aziz, liaj du pli junaj fratoj Ali kaj Salah ed-Din, kaj tri laboristoj. Ĉiuj profunde dormis.

Abdallah ĉirkaŭrigardis, kaj tuj rimarkis longan tranĉilon uzatan por dehaki la sukerkanojn. Li prenis ĝin, pesis, kaj klinante sin, pikfrapis ĝin en la koron de Fuad. La mortigato ĝemegis, malfermis la okulojn larĝe, kurbigis siajn fingrojn, kaj kuŝis senmove.

Abdallah rigardis la aliajn; ili ne vekiĝis. Tiam li aliris al Ali, kaj zorgeme sed peze piedfrapis lian nazon tiel, ke la sango elŝprucis. Ali ruliĝis sur la tero, kaj saltis staren. Li rekonis Abdallah, kaj momente turnis sian rigardon al Fuad. Guste kiam lia buŝo malfermiĝis por krii, Abdallah pugnofrapis lian okulon; Ali falis teren, koliziante kun Salah ed-Din, kiu leviĝis siden, surprizita kaj ankoraŭ duondorma. Abdallah sin turnis, kaj forkuregis. Du-tri momentojn li aŭdis la kriojn de la nun vekiĝintaj laboristoj, poste, nenion; oni prizorgis, senutile, Fuad.

Dek minutojn poste, li estis jam ĉe la pordego de la policejo. Silento; ĉiu, krom la gardisto, ankoraŭ dormis. Senparole, ili iris al la karcero, Abdallah eniris ĝin, la gardisto reŝlosis la pordon, kaj reiris al sia benko. Li iom puŝis la serĝenton, por ke tiu vekiĝu; la gardisto opinias, ke estas jam lia vico por dormi.

Pasis unu horo: la leŭtenanto estis ĵus reveninta de sia siesto, kiam alvenis Abd el-Aziz, Ali, Salah ed-Din kaj aliaj familianoj, kriegante, ĵurante venĝon, postulante la tujan mortigon de Abdallah. Estis por ĉi tiu bonŝance, ke li estis fermita en karcero, alie la furiozantoj estus lin mortigintaj spite la policanojn.

La leŭtenanto devis alvoki pluan taĉmenton el apuda kazerneto, antaŭ ol li povis rekvietigi sian policejon. Tiam, li kolektis la familianojn en sia oficejo por atendi la reprezentanton de la magistrato, kiu, farinte alian enketon tiumatene en la sama distrikto, tiumomente pace dormis en la vilaĝo.

## Lunluma

— Hendrik Adamson —

En orumo de lunlumo
brilas neĝo. Jen: elfreĝo,
kvazaŭ blua stri' de fumo
post verdaj' de abi-heĝo.

Ni infane man-en-mane
migras tra malnova parko;
montdeklivo sin ekrane
klinas al alea arko.

Nigraj ombroj, kvazaŭ tombaj
ŝtonoj ilin ĵetus, rampas
rampas al dekliv', sennombraj,
neĝo-kreton inke stampas.

Kor' sin multe plorsingulte
pro l' pasinto riproĉegas,
pro perditaj tagoj stulte
al si mem Levidojn legas.

Tute vane. Man-en-mane
iras ni kun amtremado,
kaj interkliniĝas kane;
plifortiĝas manpremado.

Estu ĉirkaŭ ni la tomboj,
gravas nur, ke ni ne mortis;
ne timigas nin la ombroj —
bone ili nin eskortis.

En orumo de lunlumo
ni nin kisas, karulino;
kvazaŭ blua stri' de fumo,
jen elfreĝ' — sed for la timo!

Kisi rajtas ni kaj ami:
nia estas ja ĉi tero;
rajtas bruli, rajtas flami,
kaj ridigas nin ĥimero.

Post lia alveno kun sia skribisto, oni ordonis al ok policanoj stari kun la familianoj de Abd el-Aziz; nur tiam ili malŝlosis la karceron de Abdallah, kaj lin kondukis al la oficejo.

Abdallah rigardis Abd el-Aziz kun duone subpremita triumfo en siaj okuloj. Ĉi-foje, tamen, la familianoj ne rigardis lin mediteme kaj digne; kontraŭe, ili salte stariĝis kaj estis sur lin kurontaj; nur malfacile la policanoj sukcesis ilin rekaŭrigi sur siajn kalkanojn.

»Nun, kio estas? Kial ĉi tiu bruego? Ĉu vi estas frenezaj?« diris la reprezentanto.

Ĥaoso; ĉiu volis paroli, krii samtempe. Silentigo flanke de la policanoj. La reprezentanto fingromontris al Ali.

»Tiu homo murdis mian fraton Fuad,« diris Ali. »Ni ĉiuj estis dormantaj sur la kampo. Subite mi sentis teruran frapon sur la vizaĝon — vi ankoraŭ vidas la sangon sur miaj vestoj — kaj mi vekiĝis. Antaŭ mi staris tiu malbenita hundo; mi ekstaris kaj vidis Fuad senviva sur la tero. Tiam tiu homaĉo frapis min teren kaj forkuris. Mi falis sur Salah ed-Din, kiu ankaŭ vidis lin forkuranta, kaj rekonis lin. Tiam ni vekis la laboristojn, kaj forportis Fuad al nia domo.«

»Frenezuloj!« kriis Abdallah. »O bejo, ĉu vi iam aŭdis tiajn mensogojn? Ĉu malliberulo promenas libere por mortigi eĉ tiajn hundojn?«

»Silentigu lin,« diris la reprezentanto. Oni faris, sed ĉi tiun fojon Abdallah eĉ ne rigardis la pugnofrapinton.

»Kaj vi,« diris la reprezentanto al Ali, »kion vi respondas al tio? Ĉu vi freneziĝis, aŭ ĉu vi sonĝis?«

»Je Dio kaj je Lia Profeto mi ĵuras, ke lin mi vidis kaj neniun alian! Ĉu mi ne havas okulojn? Ĉu mi kaj mia frato sonĝus la saman sonĝon?«

La reprezentanto fermis siajn okulojn, kaj suspiris. Li kutimiĝis al la mensogado de akuzantoj kaj akuzatoj, sed estis en ĉio ĉi mensogo pli ol ordinara: estis teda afero. Li malfermis la okulojn, kaj ordonis venigi la serĝenton.

La serĝento, aŭskultinte ĉion ĉe la pordo, sciis, pri kio temas.

»O serĝento, ĉu io eksterordinara okazis hodiaŭ?«

»Kiel eksterordinara? Kion via moŝto volas diri?«

»Ĉu malliberulo eliris la policejon, aŭ eĉ sian karceron?«

»*Effendim!*« kriis la serĝento indigne. »Ĉu mi ne faras mian devon? Ĉu mi lasas promeni krimulojn kaj rabistojn?«

Li tamen rigardis, dum frakcio de sekundo, la gardiston kun eksuspekto en sia okulo.

»Respondu klare: ĉu Abdallah aŭ iu alia eliris la karceron eĉ kelkajn minutojn hodiaŭ?«

»*Uallahi,* neniam!«

Nun ankaŭ la reprezentanto rigardis la gardiston kun ioma malfido. »Ja Muhammad!« li vokis.

»*Effendim!*« respondis la gardisto, kun timego en sia koro; li jam malbenis la impulson, kiu igis lin riski siajn oficon kaj pension, kaj longan restadon en malliberejo. Tamen, li ekvidis esperon.

»Kaj vi, kion vi faris? Ĉu vi liberigis Abdallah ĉi posttagmeze?« lin demandis la reprezentanto.

»Kial mi farus tion? Ĉu mi estas freneza? Li estis enŝlosita, kaj kiel li forirus kiam la ŝlosilo pendas ĉe mia zono? Rigardu, jen ĝi!« li diris triumfe; evidente por li la ŝlosilo estis klara pruvo pri lia senkulpeco.

»Kaj,« li diris kun subita inspiro, »kiel Abdallah povus eliri la pordegon sen esti vidata de la serĝento?«

Kaj li sin retiris el la diskuto, sukcesinte ŝovi la respondecon sur la ŝultrojn de sia superulo, kiu ja ne povas konfesi, ke dum pli ol unu horo li dormis, tiel ke la tuta malliberularo estus povinta forkuri.

»Vi vidas, via moŝto,« diris Abdallah, preskaŭ ridante, »tiuj filoj de sesdek estas tre ruzaj. Kies sango estas sur la vesto de Ali? Kaj kial la laboristoj ne vidis min? Jen la vero, kaj mi provokas ilin malpruvi ĝin! Tiuj enviuloj Ali kaj Salah ed-Din ĵaluzis siajn pli aĝajn fratojn; ili volis mem heredi la tutan bienon de sia patro. Ili murdis jen unu, jen la alian, kaj por kovri sian diablan krimon, ili akuzas min — senkulpulon, kiu malutilis al alia neniam!«

»Filo de diabloj, vi mensogas! Dio sufoku vin!« kriis la familio de Abd el-Aziz, kaj ili denove saltis feroce al Abd-Allah. Ĉi tiun fojon eĉ la leŭtenanto devis partopreni la batalon por restarigi ordon. Kiam reestis iom da kvieto, Abdallah daŭrigis preskaŭ fanfarone, dum la reprezentanto rigardis de unu vizaĝo al alia, kun kolera mistifikiĝo.

»Sed Dio,« daŭrigis Abdallah, »ne permesis tian krimon; Li protektas la senkulpajn kaj la piajn. Ili faris tro; ili volis akuzi homon, ke li faris krimon, dum li estis kilometron for en karcero, kun gardistoj kaj bone ŝlosita pordo. *El-Hamdulillah!* Dankon al Dio! Li freneziĝis miajn malamikojn!«

La reprezentanto rigardis la leŭtenanton, la leŭtenanto rigardis la reprezentanton, kaj ili ambaŭ kapjesis.

»Forigu ĉiujn,« ordonis la leŭtenanto.

»Vi scias,« li aldonis poste, kiam li kaj la reprezentanto estis solaj, »mi ne surpriziĝus, se tiu Abdallah sin savus tute senpune. Mi estas certa, ke li faris la unuan murdon, sed se ŝajnas, ke Abd el-Aziz kaj liaj filoj mensogis la duan fojon, kial ne ankaŭ la unuan fojon?«

Kaj efektive Abdallah liberiĝis tute senpune, pro necerteco de atestaĵo kaj reciproka kontraŭdirado de atestantoj. Kaj li estis prudenta: li sciis, ke estos ĉiam danĝere resti en la sama distrikto kun Abd el-Aziz kaj liaj filoj; li translokiĝis sin kaj sian edzinon tuj al Kairo, kie homo, kiu havas malamikojn, povas malaperi.



E. Wiiralt: *Fumanto* (kol. monotipo)

# La nomtabuleto

— Hasse Z. —

Konsulo Henriko Fredman estis tute ĉiutaga konsulo kaj homo. Tiutempe, kiam li estis nur simpla komercisto, li estis preskaŭ eĉ pli ĉiutaga. Al tiu ĉiutagulo apartenis, kiel medaljono al ĉeno, kiel poŝtmarko al letero, blanke emajlita nomtabuleto sur la pordo, kun la nomo presita per bluaj, grandaĉaj literoj, nomtabuleto, kiu povis konveni al komercisto, sed ne al konsulo. Kaj eble eĉ malpli al konsul-edzino. Sinjorino Fredman malŝatis tiun ĉi tabuleton, kiel ege malfavore diferencan de la aliaj nomtabuloj de la domo. Ili ĉiuj estis el latuno kaj sur ili ne troviĝis antaŭnomo, sed nur familia nomo ĝuste kaj guste. Tiel estis nobele. Sinjorino Fredman ofte parolis kun sia edzo pri tio, ke ili mendu alian pordtabulon, sed Fredman respondis evite. Li ŝatis la malnovan tabuleton. Li ne estis moderna snobo. Li estis simpla kaj natura homo kun antaŭ- kaj ankaŭ kun familia nomo sur blanka, simpla, emajlita ladtabuleto.

Sed kion la homoj pensos, kiuj venos ĉi tien? — diris sinjorino Fredman. — Kion ili kredos? Nur la plebo havas emajtabuleton, escepte ĉe la kuirpordo, kie ĝi taŭgas.

Fredman lasis resti la tabuleton. Kaj tiel alvenis la kristnaska tempo. Kaj iun tagon sinjorino Fredman iris en bonan fervendejon kaj mendis latuntabuleton, tian, kia ĝi devas esti, nur kun la familia nomo, nigre engravurita. Kaj ĝi estis kvarangula, ne ovala kiel la malnova blanka emajltabuleto.

Kaj tiel komenciĝas la historio.

Unu tagon antaŭ la Sankta Vespero Konsulo Fredman foriris al tagmanĝo. Konsulo havas grandajn devojn en la socia vivo. Sinjorino Fredman sidis sola hejme kaj ordigis la krist-donacojn. Kaj oni sonorigis ĉe la pordo kaj kiam sinjorino Fredman malfermis, tie staris portisto kun la nova nomtabuleto. Sinjorino Fredman malfermis la pakaĵon kaj sereniĝis, ĉar ĝuste tiel devas aspekti nomtabuleto. Ĝi estis precize tia, kiel la aliaj en la domo, nur pli nova kaj delikata.

— Li ricevos, kiel kristdonacon — pensis sinjorino Fredman. — Mi pagis ĝin per mia propra mono. Kaj mi surmetos jam ĉivespere, ho jes.

Sinjorino Fredman, kiu estis agema virino, prenis ŝraŭbilon, malmuntis la malnovan tabuleton kaj surfiksis la novan. La malnovaj ŝraŭboj taŭgis precize. Sinjorino Fredman rigardis sian verkon kaj ekĝemis de ĝojo kaj malpeziĝo. Fine ŝi faris ordon ĉirkaŭ tiu ĉi malnova balaaĵo. Ĉiu homo estas sia propra anoncanto, kutimas Fredman diri kaj tial estas ankaŭ bone, ke oni havu al si indan nomtabuleton sur la pordo.

Tiel iĝis malfrue kaj sinjorino Fredman enlitiĝis kaj endormiĝis kun la feliĉa konscio, ke ŝi faris bonan kaj belan aferon.

Precize 14 minutojn post la dua horo nokte, konsulo Fredman alvenis hejmen. Per aŭtomobilo li venis, pagis al la ŝoforo kaj malŝlosis la pordegon. Poste li enpaŝis al la vestiblo, malbutonis la surtuton por spiri iom pli facile kaj ekiris sur la ŝtupoj. Li iris unu etaĝon, li iris du kaj iris tri etaĝojn. Tie li haltis, elprenis nikelŝlosilon kaj laŭ sia malnova kutimo li rigardis en tiu direkto, kie lia blanka emajltabulo kutimas brileti kontraŭ la mallumo. Sed tie briletis nenio. Nenia emajltabulo troviĝis tie.

— Unu etaĝon pli supren mi venis, — pensis Fredman. Tio povas okazi. Okazis jam al aliaj kaj eĉ al mi. Oni estas iomete laca kaj distra en la nokto de tia tago.

Fredman turnis sin kaj iris malsupren unu etaĝon. Tie li haltis. Sed tie ne troviĝis blanka emajtabuleto.

— Konsiderinde — pensis Fredman kaj malbenis la dommastron, kiu ne prizorgis la noktlumigon de la ŝtuparo kaj malbenis sin mem, kiu ne havis alumeton. Kaj daŭrigis la cerbumadon: — Nature mi iris unu etaĝon pli suben, anstataŭ por iri pli supren. Mi devas supreniri nun du etaĝojn.

Fredman iris du etaĝojn pli alten. Nun li estis en la kvara etaĝo. Sed tie ne troviĝis blanka emajltabulo.

Fredman apogis sin al la ŝtuparej-muro, fermis la okulojn kaj sentis, ke la koro batas iom maltrankvile.

— Estas tre strange — li pensis. — Eble mi venis en malĝustan domon. Sed mi rekonas ĉion, almenaŭ kion mi vidas. Kaj mi ne trinkis tiel multe. Mi devas konvinkiĝi pri la afero. Mi iros denove malsupren.

Fredman iris malsupren al la partero, trairis la vestiblon kaj elpaŝis tra la pordego. Nun li estis sur la strato.

Estis ja lia domo. Tute bone li vidis. Tie li loĝas de ses jaroj. Nenia dubo. Fredman estis preta reiri tra la pordego, kiam terura penso ekbatis lin: imagu, ke li sonĝas, ke li iras endorme, se ĉio estas nereala, kio vivas kaj moviĝas ĉirkaŭ li. Tiaokaze povas esti tiel, ke ĉio konformas, escepte tute etan detalon. La tabuleto estis tia detalo. Ĝi elfalis, kiel kvadrato el filmo.

— Mi iras endorme, — pensis Fredman. — Aŭ — kaj li vere ektimis — mi jam mortis kaj mi revenadas. Povas esti, ke mi jam estas mortinto de pluraj jaroj kaj iu alia persono okupis mian loĝejon kaj pro tio ne estas tie mia malnova emajlita blanka nomtabuleto. Alia estas tie. Mi mortis kaj oni enterigis min, aliaj homoj loĝas en mia loĝejo kaj forprenis mian tabuleton.

Fredman komencis iri tute malrapide antaŭen sur la strato. Subite li renkontis policiston, veran, vivantan policiston. Fredman ricevis ideon, iris al la policisto, eklevis la ĉapelon kaj diris per la voĉo de vivanta homo:

— Pardonon, sinjoro policisto, kie estas la numero 35 en tiu ĉi strato?

— Tie — diris la policisto, — la dua domo de la angulo.

— Dankon — diris Fredman. Kaj li turnis sin, iris returne al la domo, kie li loĝis dum sia vivdaŭro kiel konsulo kaj pli frue, kiel komercisto. Singarde li malfermis la pordegon kaj enpaŝis. Ĉio estis tiel, kiel ĵus kaj en la lastaj ses jaroj. Fredman denove trairis la vestiblon kaj iris al la unua etaĝo. Li haltis sur la plej supra ŝtupo. Tie antaŭe loĝis la kapitano kaj maldekstre la doktoro. Li konis ambaŭ. Li salutis hieraŭ matene la kapitanon. Tio estis kvazaŭ antaŭ jarcento. Kaj eble estis tiel.

Fredman iris ankoraŭ unu etaĝon. — Estas la dua etaĝo — li pensis. Tie loĝas vidvino Tabell kun sia filino. Ŝi estas poŝtistino kaj havas ruĝajn harojn. Kaj maldekstre loĝas la direktoro. Li havas gramofonon. Ĝi estas aŭdebla al mi. Al mi, al mi! Tio estas ankoraŭ unu etaĝo. — Fredman iris al la tria etaĝo malrapide kaj tire. Meze li haltis kaj ekspiris, sed nur por momento, ke li ne konfuziĝu kaj miskalkulu la

## Enciklopedio de Dioj

— Hjalmar Gullberg —

*A*mor (greklingve Eros), amdio. Malpermesato.
Foje vidita hazarde en iu kristana fistrato.

*B*alder, dio germana, pioniro de l' paca trankvilo.
Prapacifisto. Kondamno: tre longa ekzilo.

*C*eres nun spertas, ke grenon ni brule oferas,
dum la senpanaj najbaroj malsaton suferas.

*D*emos, di' de l' popol', nenaskita pro manko de forto,
generita de Marx; post jarcento, mortinta (aborto).

*E*ternaj dioj sub *G, H,* kaj *N* sin antaŭe trovis;
dioj fuĝintaj, ĉar ilin kateni ni provis.

*F*ortaj *F*ulmdioj kaj ĝojo-diinoj —
ilin forpelis tiranoj kaj prudaj virinoj.

*I*nri, surkruca skrib' de Golgota.
Jesus el Názaret, Reĝo de l' Judoj. (Sub J retrovota.)

*J*esus, la di' krucumita, kun tuta la gento
malpermesita en nia dudeka jarcento.

*K*ristus (signifas: sanktoleita je reĝo).
»Ilin pardonu, ĉar ili ne sciis...« — jen lia preĝo.

*M*ultaj *M*igrantaj gedioj troviĝis sub *L, R, S, T.*
Dia aero nomiĝas libero. La dioj nun fuĝas nin do.

*P*allas Athene, la Inteligento, Racio,
jam, pro ordono, transiris al nekonata nacio.

»*Q*uo vadis?« (Kien vi iras?) Al di' oni faris demandon.
»Al la ĉiel'. Oni diris: forlasu la landon!«

*V*enus, la ŝaŭmo-devena, nun vivas en granda mizero.
Ŝin pormorala polic' hejmensendis de l' tero.

*X*erxes la maron per skurĝoj forte batfendis,
ĉar de mardioj la greka libero dependis.

*Z*eus onidire forestas. La dioj potencaj la homojn
fuĝis, post unu alia. Neniu memoras la nomojn.

El la sveda: *Magda Carlsson.*

---

ŝtupojn. Kaj li daŭrigis kaj alvenis al la loĝejantaŭo, al sia propra loĝejantaŭo. Tie li haltis, klinis sin antaŭen kaj rigide rigardis en la mallumon. Sed la tabuleto ne troviĝis tie. Malrapide li palpis antaŭen kaj sentis sur la pordo tabuleton. Estis alia, kvarangula, ne lia malnova ovala.

— Estas finite al mi — pensis Fredman — absolute finite. — Kaj li returnis sin kaj iris malsupren sur la ŝtupoj, tra la pordego, al la strato. Komencis pluvi. Fredman klinis supren la surtutkolumon kaj iris trans la straton en malgrandan parkon, kiu situis meze. Tie li falis sur benkon kaj provis ordigi la pensojn de sia konfuzita cerbo.

Kiam iomete li sidis tie, li aŭdis voĉon, kiu parolis, virvoĉon. Li rigardis tien kaj konstatis, ke la voĉo venas el telefonejo. Tie staris sinjoro kaj telefonis. Gaja kaj sava ideo kaptis Fredman. Li devus telefoni hejmen, paroli kun sia edzino kaj peti ŝin veni malsupren kaj malfermi al li. Kaj tiam li iros kun ŝi. Sed ĉu li diru ĉion, kio okazis? Ne, per tio li nur ektimigus ŝin. Li devus diri, ke li forgesis hejme la ŝlosilon de la pordego. Estas bone tiel.

La viro en la telefonejo finis sian paroladon kaj Fredman okupis lian lokon. Li petis sian numeron, trovis efektive du monerojn, metis en la skatoleton kaj kun maltrankvilo kaj kun streĉo atendis la respondon. Fine ĝi okazis. Estis sinjorino Fredman. La konsulo ŝajnigis sian voĉon tiel trankvila kaj klara kaj krome amika, kiel eblis. Li parolis pri la ŝlosilo kaj ricevis la trankviligan respondon de sia edzino:

— Tuj mi venas, Henriketo, sed mi devas ion surpreni.

Sinjorino Fredman demetis la mikrofonon kaj tuj rememoris pri la nova tabuleto. Estus maloportune, se Henrik ricevus ĝin nun. Tio konfuzus la kristnaskan surprizon. La okazo ĝuste nun ne estas konvena. Rapide ŝi prenis la ŝraŭbilon, for la novan tabuleton kaj reen la malnovan. Ĉio estis farita en kelkaj minutoj, ĉar sinjorino Fredman havis manieron certan en la laboro. Poste ŝi ĵetis sur sin mantelon kaj kuris malsupren kaj malfermis al la viro, kiu staris tie pala kaj serioza kaj atendis antaŭ la pordego.

— Estas malagrable Henrik, ke vi forgesis la ŝlosilon, — diris sinjorino Fredman, — vi estas tiel ordema.

— Ĉio povas okazi — diris Fredman.

Tiel ili iris silentaj sur la ŝtupoj. Unu etaĝo, du etaĝoj kaj tri etaĝoj. Kiam ili atingis tion, Fredman tiris la brakon de sia edzino al si, por ke li povu stari certa, se io okazus. Poste li ĵetis rigardon al la pordo maldekstre. Kaj jen, tie lumis la malnova, kara, blanka emajlita tabuleto, lumis bone kaj bonvenige, kiel ĝi faris tion dum ĉiuj ses jaroj.

Silente kaj senvorte paŝis konsulo Fredman en sian loĝejon kaj silente kaj senvorte li enlitiĝis. Sed li ne povis dormi. Li kuŝis maldorma kaj pensis pri la mirigaj sensacioj de la nokto. Tiel li kuŝis unu horon, kiam subite li ekmovis sin, elpaŝis el la lito kaj palpis malrapide al la antaŭĉambro. Tie li malfermis la pordon kaj nudpiede li iris al la malvarma ekstero. Kaj tie li staris silente kaj rigardis la malnovan, blankan emajltabulon. Kaj dorlote li karesis ĝin per sia mano kaj flustris:

— Neniam, neniam plu vi foriru de mi...

Kiel estis poste pri la kristdonaco de sinjorino Fredman, tio estas tute alia historio.

El la sveda: *F. Szilágyi.*



E. Wiiralt: *Maljunulo kun kato* (monotipo)

# ŜIA ELEKTO

– Hjalmar Andersson –

Ofte en vesperoj, kiam la pluvo vipis kontraŭ la fenestroj, aŭ la neĝventego siblis, venis mia amiko — la verkisto — por forbabili kelkajn horojn. Tiam li plej ofte rakontis fragmentojn el sia alterna vivo.

Estis tia vespero. Ni sidis en mia simpla mansardo. Ekstere torentis la pluvo kaj de tempo al tempo la vento ŝiris la arbkronojn. Mia amiko ŝajnis maltrankvila kaj fojon post fojo li ŝanĝis la temon de l' interparolo. Mi komprenis, ke ia speciala afero okupis liajn pensojn kaj mi ricevis ateston por tio, kiam li diris:

— Pli kaj pli turmentas min la penso, ke mia nuna okupo nur estas forĵetaĵo — nenio fidinda. Sidi kaj fari librojn, ludi kun vortoj, krei novajn sublimajn vortmiksaĵojn, — ĉu tio estas laboro por juna kaj sana viro. Estas ja nur vegeti. Pli bone estas svingi falĉilon tra ondanta greno, faligi arbegojn aŭ meti relojn.

Mi ne samopiniis kun li. Pensante pri liaj literaturaj sukcesoj, mi respondis:

— Vi ignoras vian profesion. Vi verkistoj havas ne malgrandan vivtaskon. Ekzistas multaj solaj homoj en arbarkabanoj, en malproksimaj vilaĝoj, jes eĉ en la urbegoj, por kiuj viaj produktoj estas kiel lumradioj en la griza, ĉiutaga vivo. Cetere vi ja ne havas kaŭzon paroli tiel pri via metio. Por viaj libroj la kritikistoj havas nur laŭdvortojn.

Mia amiko mangestis preskaŭ moke:

— La kritikistoj! Ĉu vi akceptas ilian kompetentecon rilate al la prijuĝo de libroj? Ne, iliajn vortojn mi ne konsideras, ĉu ili estas laŭdaj ĉu mallaŭdaj. Sed mi ricevis alian kritikon, kiun mi akceptis tiel serioze, ke mi intencis forĵeti la plumon kaj min tute liberigi de tiu aĉa metio.

— Certe tiu kritikisto ne komprenis vin, mi diris. Ignoru lin kaj demandu same kiel Lichtenberg: »Kiam kapo kaj libro kolizias kaj sonas kave, ĉu la kaŭzo devas esti en la libro?«

— Tion oni povas demandi en certaj okazoj, sed ne en tiu. Mi ne scias, ĉu la kapo de tiu, kiun mi aludas, iam koliziis kun miaj libroj.

Mi komprenis, ke li ne aludis ordinaran kritikiston kaj mi diris divene:

— Temas pri virinoj, ĉu ne? Ordinara afero.

Post iom da silento li respondis:

— Estas tiel.

Mi ŝercis iomete pri tio, citante poemon pri viro, kiu post obstina kontraŭstaro fine estas venkita kaj kaptita de ruza belulino. Li ridetis melankolie kaj diris:

— Vi eraras. Kaptita mi ne estas, sed mi bedaŭras tion, ĉar ŝi estas ege rava. Ŝi vere malkvietigis mian animon tiel forte, ke mi ŝin neniam forgesos. Sed vi ja nenion scias. Se vi deziras, mi rakontos de la komenco.

Lia demando estis superflua, kion li ankaŭ komprenis, ĉar li komencis, ne atendante mian respondon:

— Okazis, kiam mi loĝis en Novurbo. Mia sukcesa libro, »La lumturgardisto« ĵus aperis. La kritikistoj havis nur laŭdvortojn pri ĝi, kaj estas strange, ke ankaŭ miaj antaŭaj libroj samtempe estis konsideritaj kiel majstraĵoj. Eĉ tiuj, kiuj antaŭe nomiĝis sensencaĵoj.

En la malgranda urbo oni ekinteresiĝis pri mia persono. Oni invitis min jen tien jen aliloken partopreni familiajn festojn kaj balojn. Granda domaĝo por mia verkado. Eble dum longa tempo oni atendis inspiron kaj ĝi aperas ĝuste tiun vesperon, kiam oni devas viziti komerciston G. aŭ direktoron Z. Oni ne volas esti malĝentila, oni iras tien kaj provas laŭpove partopreni la senaniman babilaĉon — kaj la inspiro flugas for. Sed sufiĉe pri tio. Mi ja rakontos al vi pri mia kritikistino. Ne iun specialan el miaj libroj ŝi kritikis, sed mian profesion entute. Kaj ne nur la mian, sed ĉiujn profesiojn similajn. Ŝi estimis nur verajn korpajn laborojn.

Estis festo en inĝeniera familio. Ŝi kaj mi estis inter la gastoj. Ni renkontiĝis antaŭe ĉe similaj festoj kaj mia intereso por ŝi kreskis kaj kreskis. Fine ĝi transiris en pasian enamiĝon. Ĉe tiu festo mi intencis ekscii mian sorton, pri kiu mi havis nur unu opinion, Mi, malsaĝulo.

La somera nokto estis ĉarma kun brilanta lunlumo kaj pura, freŝa aero. Ni dancis kaj eliris en la balkonon por nin refreŝigi. Eble la sorĉanta lunlumo ebriigis min kaj detruis en mi ĉiujn barojn de modesteco, ĉar mi premis ŝin perforte al mi kaj asertis per torento da vortoj, kiom mi amas ŝin. Mi petegis pri sia konsento al edziĝo kaj mi promesis fari ĉion por ŝin feliĉigi. Mi eĉ fanfaronis pri mia laboro, kiu havigis al mi sufiĉe da mono. Tre ridinde mi agis.

»Silentu, iu povas aŭskulti!« ŝi diris per tremanta voĉo kaj ŝovis min for de si. »Ni iru en la ĝardenon; tie ni povas trankvile paroli.«

Esperplene mi iris ĉe ŝia flanko en la belan ĝardenon. Mia koro batis forte kaj mi atendis streĉe la vortojn el ŝia buŝeto. Ili venis:

»Via edzino mi ne povas fariĝi,« ŝi diris serioze. »Jam antaŭ ol mi evoluis al virino, mi interne ĵuris, neniam fari interligon kun intelekta laboristo, ĉu verkisto ĉu alia. Mi havas memorojn el mia infanaĝo, kiuj estas tiel amaraj, tiel malriĉaj je sunbriletoj, ke vi certe komprenos min, post kiam mi sciigos ilin al vi.

Ŝi faris paŭzon kaj rigardis min. Pro mia silento ŝi daŭrigis:

»Vi certe scias, kies filino mi estas; almenaŭ vi aŭdis la nomon de mia mortinta patro.«

Mi kapjesis, memorigante min pri la fama kantisto, kies portreton mi vidis en multaj gazetoj. Kaj mi diris iom distre:

»Kiam li mortis, nia lando perdis grandan viron, brilan kantiston.«

»Grandan viron, brilan kantiston,« ŝi diris moke, dum ŝiaj okuloj fulmis terure en la lunlumo. »Ne ekzistas alia grandeco ol esti nobla homo. Kion valoras, ke homo povas kanti bele aŭ skribi flue kaj inspire, se li agas malbone kontraŭ siaj kunhomoj. Vi rajtas rigardi min aĉa filino, sed mi ne povas diri belajn vortojn pri mia patro. — Demandu mian patrinon, ĉu ŝi estis feliĉa kun li; demandu, ĉu ŝi memoras, kiel ŝi laboregis — cetere, tio ne utilas. Mia patrino ne akuzas lin, neniam faris tion, neniam faros tion. Ŝi nur ploris en sia malespero. Malgraŭ ĉio ŝi amis lin. Kvankam li trompis ŝin, kvankam li fordrinkis sian salajron kaj lasis al ŝi zorgi por ni infanoj. Ho, kiel ŝi laboregis por teni la mizeron for de la hejmo! La vintroj estis teruraj. Niaj ĉambroj estis trablovaj kaj malvarmaj, ofte ni malhavis brullignon. Mi memoras noktojn, kiam ni frostis tiel, ke ni ne povis dormi.

# Verkoj kaj verkistoj

## Bellamy kaj la Bellamismo

La laboregantoj de la mondo komplikiĝis en situacio, similanta al mondrevolucio; sinceraj kaj bonhomaj geviroj en ĉiuj rangoj kaj klasoj, ĉagreniĝas kontraŭ sociaj cirkonstancoj, mallevantaj la vivon ĝis kruda, kruela batalo por vivo.

*Edward Bellamy*
26 Marto 1850—22 Majo 1898.

La nuna epoko karakteriziĝas per sia granda aktiveco en preskaŭ ĉiu fako; la materia progreso ĉie marŝas gigantpaŝe, febre laboras la cerboj de scienculoj, inĝenieroj, teknikistoj ktp. Inventaĵo sekvas inventaĵon je preskaŭ nekredebla rapideco; novaj ideoj naskiĝas ktp., ktp.; fakto, kiun oni tutkore aklamus, se la inventintoj celus nur altajn idealojn, ni volas diri: se scienco, tekniko, arto estus uzataj por la bono de la Homaro; alivorte, se oni pensus kaj laborus nur por la prospero kaj harmonio inter la homoj.

Bedaŭrinde, speciale nuntempe la vortoj: paco, harmonio, kunlaboro, bono, amikeco, humaneco estas nur banalaj frazelementoj, kies veraj karakteroj mankas al l plej multaj homoj.

La tuta mondo montras bildon de malordo: la popoloj kontraŭbataladas unu la alian; ĉie oni konstatas reciprokan ĵaluzon kaj konkuron. Malamo anstataŭis amon, kun la rezulto: malpaco, ĉagreno, eĉ milito.

En la nuna mondo la homo perdis la vojon, kaj nur helpe de klara lumo kaj fortaj energiaj manoj li povos esti kapabla ĝin retrovi.

Ho, certe, oni diros al ni: sendube nepre necesas ŝanĝo, pli ĝuste pliboniĝo, sed kiamaniere oni sukcesos rekonstrui la tutan mondon! »La registaroj, diversaj konsilantaroj jam tro multe kaj ofte diskutadis, paroladis, pripensadis pri la afero, sed plej kleraj politikistoj kaj ekonomistoj vane klopodis trovi elturniĝon el la ĥaoso. Estis ĉiam tia la situacio, kaj certe restados ankaŭ tia.« Kaj oni plue ne enprofundiĝas pri la problemo, kiu laŭ ĝenerala opinio do estas nesolvebla.

Jen nia deirpunkto: pere de paroladoj, diskutadoj, pripensadoj, la *kaŭzo* de la malbono ne estas forprenita; tiamaniere la situacio ne povos pliboniĝi. Kaj malrapide sed certe la homaro alproksimiĝas la abismon, akcelante sian rapidecon kiel la akvo de Niagara antaŭ la akvofalo: ŝtatbankroton. Tia estos la sorto de la homaro: la portanto de la plej altaj Diaj pensoj perdos sian moralon.

Ni permesis al ni tiun ĉi mallongan antaŭparolon, por konvinki la leganton pri la graveco de la situacio; ni afable petas lin, ke li atente legu la sekvantajn liniojn kaj, kvankam la sistemo, kiun ni klarigos, ŝajnas iom fantazia, tamen ĝi estas efektive tute simpla kaj logika. Krome, ĝia sola celo estas: la altigado de homaj feliĉo kaj prospero.

*Kiu estis Bellamy?*

Edward Bellamy, kies du verkoj: »Looking backward« kaj »Equality« (Esperantlingve »Rerigardo« [el la jaro 2000] kaj »Egaleco«) vekis esperon pri estonta pliboniĝo de la monda situacio, naskiĝis la 26-an de marto 1850 en Chicopee Falls, Massachusets.

Kiel 18-jara junulo, vojaĝante tra Eŭropo, li jam estis dolore trafita de akraj kontrastoj, ĉie de li observitaj. Kun abomeno li konstatis, kiel kruele, nehumane la

---

Tian nokton mortis unu el miaj fratoj. Li estis malforta de la naskiĝo kaj la suferojn li ne eltenis.

Sed mia patro vojaĝis ĉirkaŭe en la lando kaj estis laŭdata. Kelkajn el siaj kantoj li mem verkis kaj laŭdire ili estis tiel kortuŝaj, ke ili aperigis larmojn. La aŭskultantoj adoris lin. Ili ja ne sciis, ke li tute neglektas sian suferantan familion.

En domo apud ni loĝis masonistfamilio, kaj en ĝi troviĝis infanoj, kiuj estis samaĝaj kun ni. Ni ludis kune kaj mi ne povis pretervidi, ke ili havas pli bonan sorton ol ni. Kiam ilia patro venis hejmen de sia laboro, kun ŝprucmakuloj de mortero sur la vestoj kaj en la lipharoj, ili saltis gaje ĉirkaŭ li kaj li frapetis ilin per siaj grandaj manoj kaj aspektis feliĉa. Mi staris rigardante kaj pensis pri mia patro. Ĵaluzo ne estas bela eco kaj ankaŭ ne malamo, sed mi devas konfesi, ke mi ĵaluzis kontraŭ la bonvestitaj, gajaj masonistinfanoj kaj malamis mian patron. Kial mia patro ne fariĝis masonisto, ĉarpentisto aŭ io simila? mi demandis silente en tiaj okazoj.

Kion mi rakontis, tio ne estas bela: oni ne devas paroli malbone pri mortinto kaj precipe ne pri sia propra patro, sed kiam tiu vivas fivivon en drinkejoj kaj kun publikulinoj, dum lia familio suferas, tiam vi devas kompreni, ke tia patro ricevas tian filinon.«

Ŝi estis parolinta kun stranga vortofluo kaj nun ŝi silentis. Mi komprenis, ke ne restis plu por diri kaj mi serĉis vortojn konvenajn por la situacio. Mi diris:

»Ĉu vi do kredas, ke mi kiel edzo fariĝos simila al via patro; ke ankaŭ nia edziĝo fariĝos malfeliĉa?«

»Eble jes, eble ne. Sed, kiel mi jam diris, mi ĵuris, neniam edziĝi kun viro, kiu ne estas korpa laboristo. Cetere, mi jam faris mian elekton.«

Estis, kvazaŭ forta bato trafus min. Kial ŝi ne tuj diris tion? Nevole mi diris en la aeron:

»Kiu estas la feliĉulo?«

»Li estas staplisto en la segejo ekster la urbo«, ŝi diris kaj ekrigardis maltrankvile sian horloĝon. Mi povas aserti, ke li estas bela, forta knabo. Nun mi devas foriri, ĉar li venos baldaŭ.«

Mi staris kiel fiksita en la tero. Ŝi ne iris multajn paŝojn, kiam altstatura junulo renkontis kaj ĉirkaŭbrakis ŝin. Kiel statuo mi staris en la lunlumo, forlasita, sen la plej eta ŝanco. Mia literatura laboro kaj konata nomo ne valoris. Li estis staplisto, viro el la granda armeo de la korpaj laboristoj, kaj ŝi preferis lin, ne nur pro la amo, sed ankaŭ pro la honesta metio.

Senigite mi, la aŭtodidakto, memoris la tempon, kiam ankaŭ mi portis pezajn tabulŝarĝojn sur miaj ŝultroj aŭ hakis trunkojn en la arbaroj. Tiutempe mi volis min liberigi de tiaspeca laboro. Mi volis fariĝi intelektulo kaj mi sukcesis. Nun mi sopiras ree al la arbaroj, kie oni devas streĉi la muskolojn en la batalo por la pano. Sed mi timas, ke mi ne plu taŭgas por tio. La plumo ne estas ilo, kiu kreas muskolojn, ĝi kreas nur malgrasajn, tremantajn manojn...

Li finis kaj stariĝis. Baldaŭ li adiaŭis, surmetis sian larĝgrandan ĉapelon kaj eliris. Li estis neordinare deprimita tiu-vespere. Sed, se mi bone konas lin, li denove ekprenos sian plumon kaj skribos kiel neniam antaŭe. Tiaj estas la verkistoj entute. Post lia foriro mi staris kelkajn minutojn ĉe la fenestro kaj rigardis en la malluman, pluvan nokton. Kelkaj homoj iris tie malsupre sur la strato, ĉiu al sia celo. Mi provis diveni ilian metion: — tajloro — inĝeniero — lavistino — staplisto — komercisto — aktoro. — Stranga miksaĵo, el kiu nia socio konsistas kaj devas konsisti.

homoj agas reciproke al siaj proksimuloj. La malbonaj vivcirkonstancoj de multaj homoj faris al li profundan impreson. En la sekvantaj dudek jaroj, Bellamy studadis la diversajn socialajn problemojn. En tiu tempo, kiam lia ĵurnalista laboro altiris atenton, eldoniĝis lia rimarkinda verko: »Dr. Heidenhoff's Process«; poste li verkis »Miss Ludington's sister«.

Tamen ne pro ĉi tiuj verkoj Bellamy famiĝis; li studadis la socialajn problemojn, kaj ties rezulto estis la verko »Looking backward«. Post dek jaroj de seninterrompa studado li aperigis la tre detale klarigantan libron »Equality«, kiun oni rigardu kiel la vivcelan laboron de nia genia aŭtoro kaj ekonomisto.

*Kion celis Bellamy?*

Jen konciza enhavo de liaj verkoj.

En »Looking backward«, la aŭtoro vekas la heroon de sia rakontaĵo post centjara dormado — kaj niaopinie tute prave — por ke tiu rerigardu el la jaro 2000 al nia hodiaŭa socio. Julio West, tiel nomiĝas la junulo, do povas kompari la ŝtaton, en kiu li vivis ĝis tiam kun tiu en kiu li vekiĝis.

Ĉirkaŭrigardante en la nova ŝtato, vere, lia miro kaj admiro estas senlimaj. Ĉie li vidas ŝanĝojn, pli ĝuste ŝajnas al li, ke ĉio tute metamorfozis. Ĉu sonĝo, ĉu nova mondo? kiel oni alimaniere povus prezenti tion? Senerare, perfekte, kiel la radaro de maŝino, la diversaj eroj harmonie interfunkcias kaj glate iras la motoro. La forte surprizita Julio West renkontas nur feliĉajn, gajajn homojn kaj — ho teruro de la nuna epoko — li nenie vidas akrajn kontrastojn: nek milionulon apud mizera almozulo; nek riĉegan komerciston apud malfeliĉa senlaborulo. En la nova perfekta ŝtato ekzistas nek rangoj, nek klasoj; troviĝas nek abunda riĉeco, nek dolorplena mizero.

La sistemo, detale ellaborita de la klera ekonomisto Bellamy kaj prezentita de li al la mondo, entenas: »egalecon por ĉiuj en ekonomia senco.« Sendube tiu ĉi doktrino ŝajnas tro bela por esti vera kaj ĝian efektiviĝon oni konsideras tute neebla. Tamen, ni petas vin, ke vi ne senpripense prijuĝu la sistemon, sed legu kaj relegu antaŭe, sen antaŭjuĝo, la du librojn.

Ĉu ne estas okulfrape, ke la aŭtoro en la jaro 1888 jam menciis nuntempe efektivigitajn inventaĵojn? Ekz. la radion kaj eĉ tre perfektigitan, kian ankoraŭ ne spertas nia epoko! Utopioj, *nur* utopioj, oni nomis tiajn ideojn *tiutempe*. Kompreneble! Sed ni, homoj de tiu ĉi jarcento, scias, kaj povas konstati, ke ili ne estas utopioj. Nu, kial ne povus realiĝi ankaŭ la aliaj profetaĵoj de Bellamy!

Ĉiu, leginte la du librojn, certe ekĝemos: »ho, se vi nur povus vivi en tia mondo de paco, harmonio kaj feliĉo.« Tio *estos ebla*, vere, se ĉiuj homoj interharmonie kunlaboros; se la diversaj popoloj kaj rasoj, trans landlimoj kaj maroj, reciproke manpremos kiel gefratoj.

Serioze leginte, oni certe komprenos, ke la perfekta ŝtato ne efektiviĝus, se oni antaŭe ne estus forpreninta *la kaŭzon* de la malbono. Kaj kio estis la kaŭzo? Estas nur unu respondo pri tiu ĉi demando: *la mono*, pli bone dirite: la senpersoneco de la mono en manoj de arbitraj personoj.

Ho, ni tre bone konscias pri tio, ke nia aserto, *je la unua vido*, kontentigos preskaŭ neniun. Ĉu vere! Ĉu la mono, tiu potenca aĵo kontraŭ mizeroj, povus esti la kaŭzo de la ĥaosa, malfeliĉa ŝtato, kiun vidigas la nuna mondo? Absurde!

Tamen, pririgardinte kaj konsiderinte la aferon, post honesta kritiko, oni sendube konkludos, ke ni estas pravaj, ĉar la mono, kiel interŝanĝaĵo, vekas la malnoblajn instinktojn: egoismon, ĵaluzon, malamon.

Sed, oni demandus — kaj ankaŭ Julio West faris tion — se ne ekzistas mono, kiamaniere oni povas funkciigi la komercon, la bankojn, ktp.!

La aŭtoro genie respondis en »Equality«: la Bellamya sistemo tute eliminas ĉiun ideon pri gajno kun ĝiaj sekvoj: konkuro, ĵaluzo ktp. Kiel la nomo »Equality« klare esprimas: ĉiuj, senescepte, ekonomie havas la samajn rajtojn. B. diris: »ŝtato, al kies bonfarto eĉ unu persono ne partoprenas, ne estas bonfarta«. Koncize: »komuna produktado sub ŝtata administrado, aliflanke egalrajta disdonado«.

Do ĉiu civitano, kia ajn estas lia profesio, estas ŝtata oficisto. La nova ŝtato devigas ĉiujn labori; certe neniu protestos kontraŭ tia devo, ĉar laboro preskaŭ ĉiam feliĉigas la homon. Ho, kiel volonte la milionoj de senlaboruloj submetus sin al *tiu* devigo! Krome, estas juste, ke oni, postulante egalan parton el la produktado, ankaŭ faru egalan laboron.

Anstataŭ mono kiel interŝanĝaĵo, Bellamy elpensis genian rimedon: slipo-sistemo. Kalkulĉambro kalkulas ĉies parton en la tuta produktado. Ĉiu partoprenanto de la produktado, laboranta ĉu ĉe la administrado, ĉu alimetio, akiras priidentecan slipon kun numero, nomo, foto kaj subskribo kune kun certa kvanto da nepre private uzotaj sigeloj, kiujn oni devas transdoni kiel kvitancon por ricevita parto de sia individua porcio. Por ĉiu donita sigellibreto oni iel traboras la slipon ĝis tuta konsumo de la valoro. Se necesas, certa sumo da ili restas rezervita, por la eventualaj okazoj, se iu elspezus sian tutan sumon en tro mallonga tempo, ekz. pro lukso aŭ troa amuzo, senzorge pri la komuna bezono. La gepatroj ricevas, okaze de ĉiu infannaskiĝo, slipon por la infano, ĉar ankaŭ tiu ĉi iam aniĝos al la laborŝtato.

*De infano ĝis homo.*

Ĉiu infano vizitas la lernejon ekde la sepa aŭ oka jaro ĝis la deknaŭa. Dum la lastaj jaroj la instruo tamen estas individua, t. e. laŭ la talento pri propre elektita fako aŭ metio, kompreneble ĉi tio rilatas al kapableco kaj aspiroj.

Estas deviga la ĝenerala servado por ĉiuj geknaboj senescepte, de la 19-a ĝis la 21-a jaro; en tiu tempo ili devas helpi en restoracioj, hoteloj, mastrumadoj, malsanulejoj, ktp. Tiamaniere ili konatiĝas kun la reala, praktika vivo. Havante 21 jarojn, oni komencas plenumi la veran oficon. Laŭ proporcio de la kapableco oni povas atingi pli altajn funkciojn. La ekonomia egaleco garantias kontraŭ ĉia korupto. Tiamaniere la plej noblaj kaj estimataj homoj okupiĝas pri la plej gravaj funkcioj.

Post la 45-a jaro oni estas liberigita de ĉiu labordevo; tiam fakte komenciĝas la pensia vivo, kvankam oni almenaŭ dum dek jaroj restas rezervulo, disponebla je la socio, por ke la ŝtatmaŝino, ankaŭ dum neatenditaj akcidentoj, regule funkciu.

Jen tre koncize la Bellamya sistemo, kiu meritas la plej altan atenton.

*La homa egoismo.*

»La homo denature estas egoisma; sekve tiu ĉi malvirto forte instigos lin, protesti kontraŭ la starigo de la supremenciita ŝtato«, oni diras. Precipe la riĉuloj, kiuj identigas la monon kun la potenco, kaj sekve de tio pasie defendas sian trezoron. Tamen ili interkonsentos kun la ideoj de Bellamy, se temos pri la sorto de milionoj da proksimuloj, kiujn minacas mortmalsato.

La Internacia Unio »Bellamy« detenas sin de ĉiuj politikaj principoj. La anoj laboras nur por la disvastigo de la ideoj de Bellamy, formante kernon da pioniroj en nova homa kulturo.

*Resumo.*

La tero donas sufiĉe, eĉ abunde.

Ankaŭ la teknika produktokapablo sufiĉas, pli ĝuste: ĝi estas senlima.

Se ĉio kaj ĉiu laborus, la produktado estus pli granda ol necesas por la ĝenerala materia bonstato.

Socio ne povas esti prospera, se ne ĉiu partoprenas en tiu ĉi prospero.

La rimedoj, por akiri la bonstaton de la popolo, devas troviĝi en la manoj de la koncerna registaro. Privatuloj povus ilin uzi, subigante alies interesojn al siaj propraj avantaĝoj. Kaj la historio pruvas, ke tio estas neresponda.

# Leopard-dresisto rakontas

— *Jack London* —

Li havis reveman, mondforan rigardon en siaj okuloj, kaj lia virguline ĝentila, insista, kaj samtempe malgaja voĉo ŝajnis esti serena enkorpiĝo de profunde loĝanta melankolio. Li estis leopard-dresisto, kvankam li ne aspektis tiel. Por akiri siajn vivrimedojn li aperadis en kaĝo kun ludantaj leopardoj, antaŭ grandaj popolamasoj, kaj montradis bravaĵojn, por kiuj liaj mastroj lin rekompencis laŭ skalo dependa de la animvibriga efekto, kiun li produktis.

Kiel mi diris, li ne aspektis tia. Li estis mallarĝkoksa, mallarĝ-ŝultra kaj anemia; sed ŝajnis, ke ne malĝojo lin tiel subpremis, sed ia dolĉa kaj ĝentila malgajeco, kies ŝarĝon egalanime kaj ĝentile li portadis. Dum tuta horo mi penis eligi de li rakonton, sed al li ŝajnis manki la necesa imag-kapablo. Por li lia grandioza kariero enhavis nenion romantikan, nek kuraĝan, nek animvibrigan — nenion krom griza sameco kaj senfina tedeco.

Leonoj? Ho, jes! li batalis kun ili. Tio estas nenio. Oni devas nur resti sobra. Ĉiu ajn povas tradraŝi leonon, per ordinara bastono. Foje li batalis kun leono dum duonhoro. Li nur frapis al ĝi sur la nazon, kiam la besto atakis, kaj kiam ĝi ruze atakis kun sia kapo malsupre, nu, estis necese nur eletendi la kruron. Kiam ĝi volas kapti la kruron, oni retiras ĝin kaj ree frapas al la besto sur la nazon. Jen ĉio!

Kun la mondfora rigardo en siaj okuloj kaj kun sia vekiĝinta vorto-fluo, li montris al mi siajn cikatrojn. Tiaj estis multaj, kaj unu freŝdata: tigrino, gratinte lian ŝultron, atingis ĝis la osto. Mi povis vidi la lerte flikitajn ŝiraĵojn en la vesto, kiun li portis. Lia dekstra mano, de la kubuto ĝis la malsupro, aspektis, kvazaŭ ĝi estus pasinta tra draŝmaŝino, tiel ĝi estis difektita per ungegoj kaj dentegoj. Sed tio estas nenio, li diris, nur dum pluva vetero ĝenas lin iomete la malnovaj vundoj.

Subite lia vizaĝo heliĝis pro rememoraĵo, ĉar, efektive, li estis tiel dezirema doni al mi rakonton, kiel mi estis aŭdema.

»Mi supozas, ke vi aŭdis pri la leon-dresisto, kiun alia homo malamis?« li demandis.

Li paŭzis kaj enpense rigardis malsanan leonon en la kontraŭe staranta kaĝo. Ĝi havas dentdoloron, li klarigis. »Nu, la leon-dresisto ĉiam finis sian spektaklon per tio, ke li metis sian kapon en la buŝegon de leono. La homo, kiu malamis lin, ĉeestis ĉiun spektaklon, esperante ke li iam vidos la leonon ekmordi la kapon. Li sekvis la ludistaron tra la lando. Jaroj forpasis kaj li maljuniĝis. Kaj fine, sidante en fronta seĝo, li vidis, kion li atendis. La leono ekmordis, kaj ne estis necese voki kuraciston.«

La leopard-dresito ekrigardis siajn manungojn en maniero, kiu estus kritikinda, se ĝi ne estus tiel malgaja.

»Nu, jen kion mi nomas pacienco,« li daŭrigis, »kaj tia estus mia metodo. Sed ĝi ne estis la metodo de iu, kiun mi konis. Li estis eta, maldika, glav-gluta kaj jonglanta franco. De Ville li sin nomis, kaj li havis ravan edzinon. Ŝi estis trapez-artistino kaj saltegis de sub la tegmento en la reton, belege sin turnante en la aero.«

»De Ville havis rapidageman karakteron, tiel rapidan kiel liaj manoj, kaj liaj manoj estis tiel rapidaj kiel tigra piedego. Foje, ĉar la ringo-mastro nomis lin ran-manĝanto[1]), aŭ io simila, eble eĉ pli malbona, li ŝovis lin kontraŭ la molan, pinarban scenej-fonon, kiun li kutime uzis ĉe sia ponard-ĵetado — tiom rapide, ke la ringo-mastro eĉ ne havis tempon por pensi — kaj tie, antaŭ la publiko, de Ville bruligis la aeron per siaj ponardoj, enigante ilin en la lignon ĉirkaŭ la ringo-mastro; tiel apude, ke ili trapenetris ties vestaĵon kaj granda nombro da ili eĉ pikiĝis en lian haŭton.«

»La arlekenoj devis eligi la ponardojn por lin liberigi, ĉar li estis kvazaŭ alpinglita. Tio decidigis la homojn sin gardi kontraŭ de Ville, kaj neniu kuraĝis esti pli ol nur ĝentila al lia edzino. Ŝi estis ruza koketulino, sed ĉiuj timis de Ville.«

»Tamen, estis iu, Wallace, kiu timis nenion. Li estis leon-dresisto, kaj ankaŭ li metadis sian kapon en la buŝegon de leono. Li enmetus ĝin en la buŝegon de iu ajn el ili, kvankam li preferis *Augustus*, grandan, bonhumoran beston, kiu estis ĉiam fidinda.«

»Kiel mi diris, Wallace — reĝo Wallace ni nomis lin — timis nenion vivantan kaj mortintan. Li estis, sen ia dubo, vera reĝo. Mi vidis lin ebria, kiam pro veto li eniris kaĝon de furioziĝinta leono, kaj sen bastono tradraŝis ĝin. Nur per sia pugno sur ĝian nazon.«

»Sinjorino de Ville...«

(Je ekbruo, kiu aŭdiĝis malantaŭ ni, la leopard-dresisto malvarmsange sin turnis. Ĝi estis dividita kaĝo, kaj mano de ludanta simio estis kaptita de granda, griza lupo, kiu penis perforte ĝin eltiri. La brako ŝajnis eletendiĝi pli kaj pli longe, kiel dika elastaĵo, kaj la kunularo de la kompatinda simio faris grandan bruon. Neniu zorganto ĉeestis, tial la leopard-dresisto alproksimiĝis kelkajn paŝojn, akre ekfrapis la lupon sur la nazon per la peza kanbastono, kiun li portis, kaj returnis sin kun malgaja, pardon-peta rideto por rekomenci sian nefinitan rakonton, kvazaŭ nenia interrompo estus okazinta.)

»... rigardis ‚reĝon' Wallace kaj ‚reĝo' Wallace rigardis ŝin; vidante tion de Ville ĉagreniĝis kaj lia vizaĝo eknigris. Ni avertis la ‚reĝon', sed vane; li nur priridis nin, ankaŭ li ridis pri de Ville kaj kiam tiu volis batali, li ŝovis lian kapon en sitelon pleniĝitan per pasto.

»De Ville aspektis ridinde — mi helpis pur-

[1]) Laŭ usona slango la francoj estas nomataj ran-manĝantoj. *(Trad.)*

---

Bonstato estas akirebla nur per laboro. La socio havas la rajton uzi la laborenergion de ĉiuj anoj.

La registaro apliku tiun ĉi energion por la bono de la popolo.

* * *

Ni sincere esperas, ke, per la supremenciitaj linioj, la leganto iom interesiĝos pri la Bellamya sistemo. Estas niaopinie laŭdinda fakto, ke la aŭtoro tiel akre lumigis la nuntempajn cirkonstancojn, kaj ĝoje ni konstatas, ke preskaŭ ĉie la voĉo de la Bellamyanoj aŭdiĝas *nun*, ĉar la tuta mondo nepre bezonas pliboniĝon.

Sonu tiu ĉi voĉo ĉiam pli laŭte, kaj iom post iom ĝi resonu en la homaj koroj. La Bellamya penso elpuŝu ĉiun alian malpli noblan penson.

*M. van Orden.*

# SENKULPECO

— *H. E. Bates* —

La infano jam forvagis el la sekureco de la patrina terpomĝardeno. La posttagmezo estis silenta senfino de briletanta varmo, sed en la kampo trans la ĝardeno la juna herbo komencis reverdiĝi post la fojnrikolto, tiel ke ĝi faris freŝkoloran razenon mezo de sekaspekta julia ĉirkaŭaĵo.

Super la ebena verda vizaĝo de la kampo sin movis nenio krom la flagretantaj papilioj vibrantaj en la sunlumo, etaĵoj kun koloroj de turkiso kaj citrono, de testudaĵo kaj eburo. La infano ilin rigardadis kun apatia intereso, liaj okuloj ilin vane ĉasadis. Foje li demetis sian larĝan blankan sunĉapelon, kaj tenis ĝin kaptopreta, sed ĝia ombro apenaŭ falis sur la herbon, jam montriĝis moka ekflagro de flava brileco malproksime for inter la terpomfloroj. Malvigle li remetis la ĉapelon kaj antaŭeniris seriozmiene tra la kampo, kun manoj profundiĝintaj en la poŝoj de lia eta pantalono. La sunĉapelo, tro granda por li, donis al li la aspekton de malgranda maljunulo marŝanta profundmedite tra vasta bulludejo. Ŝajnis, ke la papilioj ne plu interesas lin. Estis al li tro varme ilin eĉ observi.

Ĉe la fino de la kampo staris domo, kiun duone kaŝis arbaro de senfloraj siringoj kaj malhelaj laŭroj kaj netranĉitaj fruktarboj. La senkoloriĝintaj flavaj markezoj de la domo estis malfermitaj pro la suno, kaj la pordoj staris fermitaj, kun farbo vezikigita, kio ĉio donis al la domo forlasitan aspekton. La ĝardeno estis dezerto de arboj kaj eglanterioj, senordaj alceoj kun palaj rozkoloraj butonoj, kiuj ĝuste tiam malfaldiĝis; sangbrilaj papavoj sin semintaj milope ĉirkaŭ la florbedoj kaj la vojetoj kaj sur la pordsojlo mem. La atmosfero ŝajnis dormemiga pro la papavodoro. La brilaj skarlataj florkapoj flamis kvazaŭ danĝersignaloj.

Proksimiĝante al la domo, la infano marŝis kun stranga indiferenteco. Jen li strabe rigardis ion ĉe la plej fora horizonto, jen ŝajnis, ke li atentege serĉas ion sur la herbo aŭ en la ĉielo. Estis, kvazaŭ la domo tute ne ekzistus. La infano marŝis al ĝi kun mieno de serena kaj sencela senkulpeco.

Tamen tiu senkulpeco estis suspektinda, ĉar li marŝis, laŭ rekta linio, al loko, kie la ĝardenpalisaro estis rompita, kio lasis breĉon sufiĉe grandan por ebligi al hundo sin trapuŝi sub la ŝirmo de la siringoj kaj la laŭroj. Dum li alproksimiĝis al la breĉo, lia senkulpa mieno iĝis pli anĝeleca. Li sin klinis por deŝiri blankan floron de trifolio. Li malvigle flaris ĝin, deŝiris duan kaj ankaŭ tiun flaris. Li ĉirkaŭvagadis laŭ belaj cirkloj sur la herbo, ŝajnigante serĉadi. Dum la tuta tempo liaj okuloj estis direktitaj sur la domon, malvirte kaŝemaj, sopireme viglaj.

Iom poste li dormeme flankenveturis al la breĉo. En sia dormemo li ŝajnis ne nur senkulpa, sed ankaŭ blinda. Tamen liaj okuloj per unu rapida ekrigardo konstatis la sendanĝeran senhomecon de la kampo malantaŭe kaj la ĝardeno antaŭe.

Subite li malaperis tra la heĝo kun ekbrilo de blanko, kvazaŭ kuniklo. Li rampis tra la arbaro kaj la eglanterioj kaj fine eliĝis en plenan sunlumon, palpebrumante kvazaŭ viro elpaŝinta el malluma ĝangalo.

Tie li ŝanceliĝe rektiĝis kaj haltis. Liaj okuloj ne

---

skrapi lin; sed li kondutis malvarmete kiel ,kukumo'[1]) kaj tute ne minacis. Sed mi vidis ekbrilon en liaj okuloj, tian kian mi ofte vidis en la okuloj de sovaĝaj bestoj, kaj mi tre serioze avertis Wallace-on. Li ekridis, sed de tiam ne tiom ofte li rigardis en la direkto de s-ino de Ville.

»Kelkaj monatoj forpasis. Nenio okazis, kaj mi komencis pensi, ke mia timo estas tute senbaza. Ni estis tiam en okcidento, ludante en Frisko.[2]) Ĝi okazis dum la posttagmeza spektaklo, kaj la granda tendo estis plenplena de virinoj kaj infanoj. Mi serĉis ,Ruĝan Denny', la ĉef-kanvas-aranĝanton, kiu malaperis kun mia poŝtranĉilo.

»Pasante preter unu el la vestiĝ-tendoj, mi enrigardis tra la truo en la kanvaso por vidi, ĉu mi povus lin trovi. Li ne estis tie, sed ĝuste antaŭ mi staris ,Reĝo Wallace', trikot-vestita, atendante sian vicon por eniri la kaĝon kun ludantaj leonoj. Kun granda amuzo li observis disputon inter du trapez-artistoj. Ĉiuj aliaj, kiuj estis en tiu tendo, regalis sin per la disputo — kun escepto de de Ville, kiun mi rimarkis rigardi la ,reĝon' fikse kaj kun nekaŝita malamo. Wallace kaj la aliaj estis tro okupitaj per la disputo, por ke ili povu rimarki tion, kio sekvis.

»Sed mi vidis ĝin tra la truo en la kanvaso. De Ville tiris sian naztukon el sia poŝo, faris movon, kvazaŭ forviŝante per ĝi la ŝviton de sia vizaĝo (estis varmega tago), kaj samtempe preterpasis la dorson de Wallace. Li ne haltis, sed, flirtigante la naztukon, iris antaŭen al la enirejo, kie, elirante, li turnis sian kapon kaj ĵetis fiksan rigardon posten. La rigardo ĝenis min tiam, ĉar mi vidis en ĝi ne nur malamon, sed ankaŭ ian senton de triumfo.

»,De Ville meritas observadon', mi pensis, kaj efektive mi spiris pli facile, kiam mi vidis lin eliri kaj envagoniĝi en tramon veturantan al la malsupra urbo. Kelkajn minutojn poste mi estis en la granda tendo, kie mi trovis ,Ruĝan Denny'.

»,Reĝo Wallace' plenumadis sian taskon, kaj la rigardantaro estis ensorĉita. Li estis en escepte sovaĝa animstato, kaj incitis la leonojn ĝis tia grado, ke ili murmuregis — t. e., ĉiuj, kun escepto de la maljuna *Augustus,* kiu estis tro grasa kaj mallaborema kaj maljuna, por ke io lin incitu. Fine Wallace kraketis per sia vipo kaj envicigis la maljunan *Augustus.* La besto bonanime palpebrumis, malfermis sian buŝegon kaj la kapo de Wallace eniris. Tuj la makzeloj de la leono kuniĝis, laŭtmaĉe, ĝuste tiel.«

La leopard-dresisto ekridetis, dolĉe kaj enpense, kaj en liaj okuloj montriĝis la mondfora rigardo.

»Kaj tia estis la fino de ,Reĝo Wallace',« li daŭrigis per sia malgaja, mallaŭta voĉo.

»Post kiam la ekscito trankviliĝis, mi trovis eblecon, kaj, kliniĝinte, ekflaris la kapon de Wallace. Tuj mi ekternis.«

»Ĝi... estis...?« mi demandis esplore, kun streĉita avido en mia voĉo.

»Flartabako, kiun de Ville ŝutis sur liajn harojn en la vestiĝ-tendo. La maljuna *Augustus* neniam intencis fari tion. Li nur ternis.«

El la angla: *Georgo Saville.*

[1]) Usona slango — ĉar kukumo posedas malvarmigan efikon *(Trad.)*

[2]) Mallongigo de San Francisko.

plu tenis sian aspekton de suspektige anĝeleca senkulpeco. Ili pleniĝis de singardemo kaj miro, de kulpeco kaj plezuro. Ili rigardadis kun nova, neflankeniĝanta intenseco.

Antaŭ la infano etendis sin frambarbetejo, vico post vico da verda kaj ruĝa frandaĵoj. Ilin vidante, li nenion alian volis rigardi. Li ŝajnis momente paralizita de la ruĝa ŝarĝo de la altaj dikaj trunketoj. Hejme, flank-al-flanke kun la terpomoj, ankaŭ lia patrino kulturis frambojn, maturajn, densajn, belegajn, kiel ĉi tiuj.

Al la infano, tamen, la framboj kreskigitaj de lia patrino subite ŝajnis malestimindaj. Krome ŝi timige malpermesis pli frandaj ol iam povus esti tiuj de lia patrino, kaj lian buŝon turmentis la subita konscio pri la forta aromo de la fruktoj kaj la folioj sub la varma suno.

Li deŝiris frambon. Ĝi rapide degelis en lia buŝo, kvazaŭ neĝo. Iam vasta fiŝreto kovris la arbetaron, sed la fostoj forputriĝis kaj la reto falis senutile implikita inter la frambujojn. Staris nenia baro kontraŭ lia progreso en senfinajn frambaleojn. Unue li marŝis kaŝeme, haltadante por aŭskulti, sed la ĝardeno estis silenta, sendanĝera, senhoma. Sin movis nenio krom li, kaj poste li ekmarŝis pli sentime, senĝene susurigante la foliojn per siaj rapidmovaj membroj.

Senĉese li manĝadis. Kvazaŭ li konkursus kontraŭ la tempo aŭ la lumo. Unue li glutis unuopajn berojn, kvazaŭ grandajn ruĝajn fingringojn plenajn de sango. Tedite ĝuste de ilia belegeco, li kolektis malpli grandajn, pli maldolĉajn fruktojn kaj ilin manĝis per manplenoj, reĵetante sian kapon kaj karmezinigante siajn lipojn.

Alvenis momento, en kiu la gusto de eĉ la plej belaj fruktoj ekŝajnis strange seninteresa. Li paŭzis, profunde spirĝemis, kaj lekis la lipojn, ebriigita de la fruktoj. Li ekpensis depreni sian ĉapelon.

Li komencis marŝi tien kaj reen laŭlonge de la aleoj, ĝin plenigante. Ankoraŭ nenia sono aŭ movo evidentiĝis en la ĝardeno, krom lia propra ĉirkaŭserĉado inter la folioj. La suko de multaj framboj ekmakulis la blankecon de lia sunĉapelo. Li tion ne rimarkis. Li estis ebria de malpermesita feliĉego.

Subite li atingis la aleo-finon, kaj tie li eklevis la rigardon. Antaŭ li etendiĝis vasta razeno, senhoma kaj papavtapiŝita. Li ĝin rigardis kun la aŭdaca indiferenteco de senkonsidera memfido. Li deŝiris frambon kaj ĝin manĝis kun laŭta kaj senĝena lipŝmaĉado, kvazaŭ por spiti la lastan danĝeron de la loko.

Li sin turnis por preni plian frukton kaj ekhaltis. Pala objekto, kvazaŭ minaca vizio, aperis super la frambarbetoj malantaŭ li. Ĝi estis pajloĉapelo. Dum unu sekundo li ĝin rigardis kun kapturniĝo kaj miro. Ĝi moviĝis. Lia koro eksaltis. En la posta sekundo la pajloĉapelo rapide alproksimiĝis al li kun plenvoĉaj kolerkrioj —

»Diable, mi vin senhaŭtigos!«

La infano fuĝis. Li sin ĵetis laŭ frambaleo kun senbrida teruro en la koro, gratiĝante dum sia blinda kurado. Dum la tuta tempo li konsciis, ke lin persekutas la pajloĉapelo. Lin teruris krioj de kolero kaj minacoj pri neniigo. Li stumblis, lasis fali sian ĉapelon, ne kuraĝis halti por ĝin repreni.

Sur la kampo li paŭzis dum angora momento por regajni la spiron. Malantaŭ li muĝo de kolero ĵetiĝis al li el inter la framboj, kvazaŭ kanon-kuglo. Retrorigardante li vidis, ke oni prenas de sur la tero lian blankan sunĉapelon kaj ĝin kolere svingas. Li fuĝis tra la kampo kun timegoplena rapideco.

La voĉo de la viro lin sekvis. Retrorigardi li jam ne plu kuraĝis. Li kuradis kun senĉesa malespero, ĝis li povis halti denove sekura malantaŭ la palisaro de sia patrino. Sed eĉ tie li ne povis resti. Li estis tremanta, ellacigita. Finfine tamen li profunde enspiris kaj kun granda peno ekvagis ŝajnindiferente tra la terpomoj kaj apud la framboj al la domo, penante rigardi anĝelmiene la ĉielon.

Okazis ke samtempe, kiam li eliĝis el malantaŭ la tramarbetaro de sia patrino, ĉi tiu mem elvenis el la domo. Ŝi estis vasta, fortega virino kun klabsimilaj brakoj kaj kun malhela suspektema elrigardo.

Vidante ŝin, li haltis. La halto estis fatala. Ŝi tuj alproksimiĝis al li. En tiu momento li rememoris ĉiujn avertojn, kiujn ŝi donis al li pri la framboj. Kiomfoje ŝi jam avertis lin, ke, se li metos sur ilin eĉ unu fingron, ŝi lin senhaŭtigos. Ŝi alproksimiĝis same neeviteble kiel la pajloĉapelo en la alia ĝardeno. Li vane tordiĝis por liberiĝi, ĉi tiun fojon li ne povis sin savi. Li freneze signis sian senkulpecon.

»Mi instruos al vi!« ŝi kriis.

»Mi ne, ja mi ne!« li plorĝemis.

»Rigardu nur vian buŝon!« ŝi kriis.

Ŝi kaptis lin senindulge. Lia kulpeco tiel evidentis sur liaj lipoj, ke ŝi lin batadis, dum ŝia brako suprenmalsupren moviĝis kiel draŝilo.

La infano, kriegante sian senkulpecon pri krimo kiun li ne faris, malgaje rimarkis trans la kampo proksimiĝantan figuron.

Per blanka ĉapelo ĝi signalis terurajn minacojn.

El la angla: *Alec Venture.*



E. Wiiralt: *Infankapoj* (krajono)

# DE LANDO AL LANDO

## DE ATLANTIS ĜIS AMERIKO

Nuntempe jam estas ĝenerale konata fakto, ke ne Kristoforo Kolumbo estis la unua, kiu surbordiĝis en Ameriko. Nature, tio ne signifas senglorigon de Kolumbo, kies graveco homa kaj historia estas en tio, ke li estas la unua granda reprezentanto de la moderna homtipo. Tiu tipo modernhome serĉadas, esploras kaj sonĝas pri misteraj interrilatoj, pri kiuj hieraŭ oni eble nur ridis, sed el kiuj ekkreskas la grandaj realaĵoj de la estonteco.

Jam *Platono* mencias la nomon de insul-ŝtato, *Atlantis* (eble ĉe la okcidenta bordo de Afriko), kiu dum eksterordinare teruraj tertremoj kaj inundoj absolute malaperis de sur la tero. Jen la komenco de longa diskuto, kiu daŭras jam de jarmiloj. Sciencistoj kaj fantaziuloj traktadas pri la legenda tero. Neniu neas, ke ĝi ekzistis, sed neniu povas diri, kie ĝi estis. La priskribo de Platono ne estas tro zorgema (li montras sin ĉi-koncerne praavo de la moderna ĵurnalisto), sed ni vidas, malantaŭ la vualo de jarmiloj insulojn, trans kiuj estas aliaj insuloj kaj malantaŭ tiuj ni nebule supozas kontinenton... la nebulo momente fendiĝas kaj ni ekvidas la prateritorion de la nova mondo. Jes, Ameriko estas tie, Ameriko, kiu reaperas ĉe *Plutarhos* (en la verko *Moralia*). Ekzistas ja, laŭ la babilado de la barbaroj, mistera insulo: Ogygia, kie la suno en iu monato malaperas nur por unu horo kaj eĉ tiam ĝi nur dormetas, sur la tero estas nur duonmallumo kaj oni povas vidi la silueton de kontinento. Nu Ogygia estas verŝajne Izlando kaj la kontinento eble Ameriko.

Sed nun ni transflugu jarcentojn, dum kiuj geniaj kranioj intuicie eksentis la ekziston, eĉ la situon de la nekonata kontinento, kaj ni parolu pri tiuj maristpopoloj, kies fantazion incitis la Tero kuŝanta tie, kie la Suno dronas en la Oceano.

Iam, eble inter la sesa kaj oka jarcentoj, irlandaj kaj vaskaj maristoj, poste normanoj kaj, ĉ. la fino de la XII-a jarcento, kimroj malkovras Amerikon. Kaj ne temas nur pri tio, ke ŝiprompaj maristoj ĵetiĝas al la rokoj de nekonata lando, sed pri regula vizito, sistema koloniigo kaj esplorado en la nova tero. Irlandanoj ekz. havis dum pli ol 200 jaroj koloniojn tie. Tiuj ĉi popoloj, kies tutan vivenhavon plenigas la oceano, ĉiam estas logataj pli kaj pli malproksimen. La ondoj de la oceano susuras, tamburas, muĝas kaj tondras misterajn melodiojn kaj la soifa animo avide englutas ilin, ne povante kontentiĝi. Pli kaj pli malproksimen! Sekvi la vagadon de la fiŝoj, esplori la fenomenojn de la oceano, batali persiste kontraŭ la elementoj.

T. Matolay, kies interesa artikolo estas nia gvidfadeno (aperinta en »Földgömb«, 3. n-ro 1936.), tute kompletigas tiujn faktorojn ankoraŭ per unu, kiu speciale rilatas la irlandanojn. La Golfa fluo kaj la tempestoj ne malofte alportis strange aspektantajn boatojn, ŝipopartojn, vestojn, kadavrojn, eĉ vivantojn kelkfoje. En la britlandaj muzeoj estas multaj pruvoj pri tio. Jen, timplena fremdulo erarvagadas sur la irlandaj bordoj. Ni estas eble en la sepa jarcento. La surprizita irlanda fiŝisto unue mem ektimas, poste scivole proksimiĝas al la fremdulo. Nekonata lingvo, diferenca haŭto, strangaj vestoj! La scivolo ampleksiĝas kaj la religia epoko vekas sopiron konverti la paganojn, kiuj ankoraŭ ne konas la kristan veron. Ek al la okcidento! Estas legendoj pri insuloj, pri la tero de Satano; ili serĉadas tion kaj — anstataŭe malkovras Amerikon.

La unua, ankaŭ laŭnome konata normana ŝipisto, kiu estis en Ameriko, estis *Ari Marsson*, kiu en la jaro 982 estas pelata de tempesto kaj tiamaniere li atingas Amerikon. Kaj lin sekvas *Leif*, kiu jam plurfoje vizitas la novan landon, malgraŭ tio, ke tiutempe la vojaĝo pretendis iom pli da tempo kaj penado, ol nun. Li atingis la regionon de *Boston* kaj malkovris abundan vinberteritorion, pro kio li nomis la regionon: Vinlando. Eventuale ankaŭ la vino havis allogan rolon en tiuj ĉi iom longaj semajnfinaj ekskursoj.

La normanoj, vizitante Vinlandon, plurfoje aŭdis pri malproksima lando — sude, kie, laŭ la rakonto de la indianoj, »vivas blankuloj, portantaj blankajn vestojn.« Laŭ la islandaj fabeloj, la normanoj sciis, ke tie loĝas irlandaj kristanoj kaj ili donis ankaŭ nomon al tiu teritorio: *Hvitramannaland*, t. e. la lando de blankuloj. Sed la sorĉo de Vinlando estis tre katena kaj la normanoj neniam vizitis *Hvitramannalandon*. Ankaŭ en Izlando la irlandanoj antaŭis la normanojn, ĉar kiam ĉi lastaj venis tien, ili trovis tie irlingvajn preĝarojn kaj aliajn signojn de ilia profunda pieco. Kaj, laŭ la izlandaj fabeloj, tiuj piaj fremduloj venis *de okcidento, t. e. el Ameriko*. Verŝajne ankaŭ el ili devenis la grandkorpa, barba blankulo Kvecalkoatl, kiu multe da utilaj scioj instruis al la aztekoj kaj iĝis ilia duondio, kaj kies revenon ili atendis dum jarcentoj. Tiu kredo klarigas la amikan sintenon kaj sindonon de la aztekoj al la grandbarba *Cortez;* oni ja kredis, ke Kvecalkoatl realvenis. Poste oni ja konstatis la miskomprenon, sed tiu ĉi eraro kostis iom multe al la aztekoj. Sed tio estas alia historio.

Ĉirkaŭ 1170, *Madoc*, la estro de Norda Kimrujo malkovras mirindan landon okcidente. Li lasas tie 120 homojn, revenas kaj plenigas dek ŝipojn per homoj por reiri. Ĉu li realvenis aŭ ne, ne estas certe, sed estas verŝajne — kaj estas multaj, kiuj identigas lian personon kun tiu de Kvecalkoatl. La hipotezo ne estas malverŝajna.

La veneciaj fratoj *Zeno* ĉ. 1390—1405. vojaĝis al Ameriko. Ilian vojaĝon antaŭe oni ne kredis, sed tiu ĉi aventura vojaĝo nun ne ŝajnas plu fantaziaĵo. En la originala manuskripto, plej interesa estas la rakonto de frislanda fiŝisto. Tiu ĉi fiŝisto 26 jarojn estis kaptito de indianoj. Ventego ĵetis lian barkon al la amerika bordo kaj oni kaptis lin sur la teritorio de *Estotilando*. Tie li renkontis latine parolantan interpretanton kaj la estro havis inter siaj milittriumfaĵoj multe da latinaj libroj. (Eble postsignoj de la ir-kolonioj). Poste li forlasas Estotilandon (Florida?) kaj atingas *Drogion*, kie li preskaŭ iĝas tagmanĝo de kanibaloj, sed iamaniere li havas okazon instrui al ili la fiŝkapton kaj dank' al tio li saviĝas. *Drogio*, se la rakonto ne estas fabelo, estas *Meksikio*.

En la jaro 1472 la dana *Scolvus* kaj la portugala *Cortereal* ekiras al *Tatarlando* kaj alvenas Amerikon. Same kiel nia Kristoforo, ili ne sciis, kion ili efektive malkovris. Nur post kelkaj jardekoj oni eksciis, ke ne Hindujo estas la nova tero...

Kiel ni vidas, la Eŭropa-Amerika linio estis, jam antaŭ Kristoforo, sufiĉe trafikplena. Oni do povas diri, ke ne estas tute maltrafa la sekvanta ŝerco popola, trovebla en la paloca dialekto (la palocoj estas strangdialektaj hungaroj en la norda parto de la lando):

Junulo dimanĉe posttagmeze staras antaŭ domo kaj interparolas kun onklo Ruffy, saĝulo de la vilaĝo. La maljunulo diras:

— Nu knabao, ĉu vi scias, kiel oni malkovris Amerikaon? (Ni penadas iomete almenaŭ konjektigi la dialekton.)

— Ne, onklao!

# SERENE

Heinrich Mann, la germana verkisto rakontas:

— Kiam mi estis 26-jara, mi vojaĝis al Parizo kun mil frankoj en mia poŝo. Kiel ĉiu juna verkisto, ankaŭ mi estis scivola pri la nokta vivo de Parizo, precipe pri la apaĉromantiko.

Foje mi estis atestanto de vera pariza apaĉhistorio. Ĝi finiĝis per hommorto. Venis la polico kaj ni ĉiuj devis iri al la gvardiejo. Kial nei, ankaŭ mi partoprenis la interbatiĝon. Mi defendis min, ĉar oni atakis min. Mia vesto ĉifoniĝis, mia vizaĝo estis sanga. Vane mi diris, ke mi estas germana verkisto, la oficisto alridis min. Mi komencis krii, atesti mian veron kaj atingis, ke la policoficisto sendis policiston al mia loĝejo, ke mia mastrino min legitimu. La policisto revenis, ke mi ne loĝas tie kaj la mastrino min ne konas.

Mi konsterniĝis. La oficisto ironie min alrigardis. Mi komencis klarigi, ke verŝajne la policisto eraris. Mi loĝas tie kaj tie, en la dua etaĝo, jam de monatoj kaj kiu havus intereson malpravigi tion. Mi parolis tiom multe, ke la oficisto ekŝanceliĝis kaj post longa meditado denove sendis tien la policiston. Post dudek minutoj la bravulo revenis, kriante, ke mi ne trompu la policon, neniam mi loĝis tie kaj kiu povas scii, kia internacia fripono mi estas.

Mi vidis, ke ia mistera hazardo intervenis. Mi kaptis mian elokventecon kaj estas karakterize pri la kulturo de la franca policoficisto, ke fine li kredis al mi. Mi ne havis legitimilon, laŭ li eĉ ne loĝejon, sed ŝajne li eksentis la sinceron, radiantan el miaj vortoj. Matene je la sesa mi liberiĝis.

Mi hejmeniris, ĵetis min en la liton kaj rapide ekdormis, ke laŭeble tuj mi forgesu la nokton.

Tagmeze je la dekdua, kiel ĉiam, frapis mia mastrino. Li enportis la matenmanĝon, ĉokoladon kaj frukton, poste alokulumis min kaj diris:

— Nokte dufoje serĉis vin la polico. Kompreneble, mi diris, ke vi ne loĝas ĉi tie...

---

— Estis dao tiel, ke la maljuna Kolumbuc skaulptis teraure grandan ŝipaon kaj ekiris sur ĝi kun siaj homoj. Jam eble tri jarojn li vagabaondis tien-reen sur la granda akvao, kiam junaulo surrampas la maston kaj ekkriejas:

— Teeerao!

— Nu, se terao, — diras baona Kolumbuc — tiam ni iru tien.

Ili dao iras tien. Apud la bordo denaŭve ekparaŭlas Kolumbuc:

— Jaohaano — li diras — alligu la ŝipon al la akaciarbao, sed forte ja!

Jaohaano faras tion. Nu, tiam li vidas, ke sur la bordao kuraadas dekduo da nigravizaĝaj nuduloj.

— Ili certe estas la sovaaĝaŭloj — diras Kolumbuc. Kaj li alparolas unu el ili:

— Diru nur baonulao! Ĉu vi estas la sovaĝaŭloj?

— Hao jes, — diras la malpuraŭlao. — Kaj kiun ni paŭvas estimi en la sinjaorao?

— Mi estas Kolumbuc.

— Sed ne! Ĉu paovas esti — Kristaofarao?

— Jes ja!

— La diaublaon! — diras la sovaĝaŭlao — tiam ni efektive estas malkaovritaj!

*F. Sz.*

## Balado de duelo

**El „Cyrano“ de Edmond Rostand**

Gracie ĵetas mi ĉapelon
Kaj malrapide, kun impon'
Mi ĵetas grandan la mantelon
Kaj spadon tiras kun ekson'.
Belmoda kiel Seladon'
Kaj lerta kiel Skaramuŝo,
Mi vin avertas, Mirmidon:
Mi pikos ĉe l' versfin' — kaj tuŝo!

Bedaŭru do pri la kverelo.
Kie vin lardi, ho kapon'?
Femur' aŭ flanko estu celo,
Aŭ kor' super la blua zon'?
La klingoj tintas: din-din-don...
La pinto flirtas kiel muŝo.
La ventron, jes! Sen fanfaron',
Mi pikos ĉe l' versfin' — kaj tuŝo.

Jam mankas al mi rim' je »elo«,
Sed ĝin vi donas, ho poltron'!
Jen blankas vi kiel amelo.
Frap'! Mi rebatas kun redon'
Baton de via pikbaston'.
Mi versos jam ne nur per buŝo.
Spadaĉon tenu, Laridon'!
Mi pikos ĉe l' versfin' — kaj tuŝo.

Princ', petu Dion pri pardon'...
Pretiĝas mi por spado-puŝo.
Mi frapas, trafas... Laŭ propon'
Mi pikas ĉe l' versfin' — kaj tuŝo.

El la franca: *E. Mihalski.*

## *En Rusujo oni konstruas grandegan kino-urbon*

La ĉefa administrado de la rusa kino-fota produkto intencas konstrui rusan Hollywood, — grandegan kino-urbon en la suda regiono de Rusujo.

Laŭ projekto la kinourbo unuigos ĉiujn entreprenojn de l' kinoarto. Nuntempe en Rusujo aperas ĉiujare 65—70 filmoj.

Post la fino de l' konstruado (I-a vico) oni aperigos ĉiujare 200 filmojn kaj post konstruado de l' II-a vico 650—700 filmojn.

La nova kino-urbo rusa similos al la amerika Hollywood, uzante ĝian teknikon kaj sperton.

La estro de l' ĉefa administrado de la rusa kinoproduktado, Sumjackij, diris en intervjuo:

Unuavice estos konstruataj 40 pavilonoj kun tuta areo de 33.000 kvadrataj metroj. Krom tio estos konstruataj 5 aliaj pavilonoj por desegnitaj filmoj kaj 12 laborejoj.

Por tiu unua vico la kino-urbo bezonas 105.000 ĉefajn dekoraciojn. La unua vico de la konstruajoj kostas 305,000.000 rublojn.

En tiu kinourbo estos koncentrigitaj la plej bonaj fortoj. Por la komenco oni bezonas 100 reĝisorojn (ĉiu el ili kun produkto de po 2 filmoj ĉiujare), 72 ĉefajn fotografistojn, 55 reĝisorojn-muntistojn, 65 tonspecialistojn, 40 arhitekturistojn-dekoraciistojn, 20 fotografistojn por la arte desegnitaj filmoj, 110 asistantojn ktp. Krom tio oni bezonos multajn dramverkistojn, kompilantojn kaj minimume 500 bonkvalifikitajn aktorojn ne kalkulante la multajn milojn da epizodistoj.

La kinourbo estos finkonstruata en jaro 1936 en Krimeo aŭ en Kaŭkazo. *D. Viktorov-Ćehović*

# Polusstelo

— Eino Leino —

Ho, Polusstelo,
de l' alta loko
kun pika moko
vi ridbriletas
al la cetera
stelar' sinmova,
kaj al surtera
penado štorma,
klopod' sendorma!

Mi ja kompatas
vin, strangan stelon,
ĉar vi imagas
la vivo-celon
nur inter ondoj
trankvila esti,
kaj malproksime
senmova resti,
dum maro štormas,
sen pac' maldormas.

Vin ĉirkaŭiras
la tutĉielo,
la nebulozoj
kaj ĉiu stelo;
laŭ vi sin movas
la pala luno,
al vi sin klinas
la arda suno
kaj per la lenso
la homa scienco.

Sed mi kompatas
vin, stelo fora,
ĉar vi ne scias,
kiel en koro
sufer' volupto
brulige ŝiras,
la peko ardas,
la kor' sopiras,
la menso štormas,
sen pac' maldormas.

Al tero fali
kaj sin relevi,
batali, plugi,
labori, revi,
kaj fari ĝuste
kaj fari krime,
erari, penti
laŭ vol', senlime —
ho, kiel bela
la viv' surtera!

El la finna: *L. I. L.*

# Best-aferoj

Ŝajnas, ke preskaŭ necese estas rezervi konstantan rubrikon al la problemoj de la besto-socio. »Literatura Mondo« ja ĉiam klopodis kontentigi ĉiun socian tavolon, reprezenti ĉiun nacion kaj nun ĝi faras nur pluan paŝon, vastigante sian sferon ankaŭ al la besto-mondo. Farante tion, ni devas emfazi, ke ni estas nur obeemaj perantoj de tiu humana spirito, kiu radias el nia tuta epoko. Ĉu vi eventuale kuraĝus nei, ke la dudeka jarcento estas la gloro de la kulturo kaj humanismo? Nu ne, ĉu ne?

En la lasta numero ni raportis pri diversaj novaĵoj de la best-socio, ekz. pri la vivo de malsanaj fiŝoj en ilia fiŝ-sanatorio kaj pri la solvo de la pensio-problemo de katoj kaj fine, iom mire, ni notis, ke koncerne al la homoj *la ursoj estas iom pesimistaj kaj nekutime retiriĝemaj.* Tiam ni ne tute komprenis la aferon. Sed, dank' al la *Sveda Internacia Gazetservo,* mi jus sciiĝis pri tia netaktaĵo, pri tia miskonduto fare de homoj, ke oni vere povas kompreni la konsterniĝon de la noblaj, subtilanimaj ursoj.

Norde, en Laponlando, oni eventuale estas iom pli kruda, ol ekzemple en Suda Eŭropo, tamen la menciota afero ŝajnas al ni iom tro senhonta el ursa vidpunkto.

Pripensu ja, samideano, aŭ eĉ samideanino: vi trankvile dormas kaj post via dolĉa sonĝo vi vekiĝas kun rideto sur viaj lipoj en tiu agrabla sento, ke vi estas komence de la mateno, ke sekvos bela tago. Kaj, ĉar vi estas tute sola, eventuale viaj movoj ne estas la plej decaj kaj etiketaj. Sed, hah, tiam vi rimarkas, ke vi *ne* estas sola en la ĉambro kaj via societo *ne* estas agrabla, ĉar tie staras du-tri impertinentaj fotografistoj, kiuj atendas vian revenon al la tago, kaj fotografas tiujn ne tre decajn movojn, kiuj akompanas vian senkonscian vekiĝon. Kion *vi* farus tiam?

Kaj nun aŭskultu la raporton de la Gazetservo pri tio, kion oni kuraĝis fari kontraŭ la noblaj ursoj:

»Laplandanoj en malproksima norda Svedujo zorge observas kavon, kiun kaŝas neĝokovritaj arboj, kaj kie laŭsupoze tri ursoj baldaŭ finos sian vintrodormon.

Zorge kaŝitaj filmkameroj estas aranĝitaj ĉe la kavo kaj pretaj por la momento, kiam gesinjoroj Urso decidos, ke estas printempo kaj tempo por ili eliri kaj vagi en la arbaroj.

La fotografisto estas s-ro Stig Wesslén, kiu havas vastan sperton pri bestfotografado. De la lasta somero oni faris preparojn por fari tiun ĉi filmon, la unuan en sia speco, pri ursoj elirantaj el sia vintra loĝejo.

Nun ĉio estas preta, la dormejo de la ursoj estas trovita, la kaŝitaj kameroj estas aranĝitaj, kaj la fotografisto devas nur pacience atendi ĝis la oficiala printempodato. Ĉar, diras li, la ursoj pie sekvas la kalendaron kaj finas sian vintrodormon ĉiujare preskaŭ en la sama dato.«

Jen, nur tiom! Sed metu la manon super vian koron kaj *diru, ĉu la ursoj ne pravas, kiam ili estas suspektemaj koncerne la homojn?*

*

Estas agrable noti, ke ekzistas konsolaj faktoj. Rememoru nur la libron de Baghy »Hura«, en kiu oni eĉ starigas monumenton je la honoro de simio. Estas interesa renkonto de la hazardo, ke ges-roj Kellog en Ameriko, eble sen la lego de la Baghy-a verko, dum unu jaro paralele kun unujara infano edukis unujaran simion. Bedaŭrinde la ĉimpanzido vivis nur ankoraŭ unu jaron, sed ges-roj Kellog en belaj vortoj eternigis ĝian memoron. (La renkonto estas interesa, ĉar ankaŭ en la Baghy-romano okazas kombino de la homa-simia edukado). Gesinjoroj Kellog notas, ke la tute sovaĝa simio adaptis sin pli rapide al la benita civilizo, ol la infano (verŝajne sekvo de la pli mallonga vivdaŭro). Sed *la homido pli lerte simiumis,* t. e. sen pripenso imitis, dum la simio montris sin pli kritika, pli esplorema koncerne la kaŭzojn kaj motivojn de la ago.

Jen! Jen! La simioj estas pli . . .

*

Mi devas interrompi la pritrakton. Oni informis min, ke mi kaj la aliaj simi-protektantoj estos elektitaj kiel honoraj civitanoj de Simiujo. Kaj en la nuna tempo estas tamen pripensinde . . . Mi do diris nenion.

*Fersil.*



# OBSERVO

NUNAJ TEMPOJ.

*(Sur marĝeno de la nova filmo de Chaplin.)*

La granda, senkompara Chaplin ankoraŭfoje, post kelkjara interrompo, montriĝis al la mondo. La griza hometo, la trampo kaj vagabondo — nia malnova, proksima amiko, plivere nia kunfrato, unu el ni, sed en sia malriĉeco pli feliĉa ol ni, ĉar li posedas tiun feliĉon, kiun nia epoko rabis de ni: la feliĉon de solulo, de vagabondo.

Charlie laboras en moderna fabrikejo, kies febreca »tampo«* entiras lin en tian staton, ke oni devas lin, rezulte, sendi en frenezulejon. La »benoriĉa« tekniko ne eltenis la provon rilate al Charlie: li, la griza homo, ne bezonas ĝin, lin ĝi frenezigas. Prezentiĝas la stranga paradokso: se la maŝino efektive estas kreita por helpi lin, kiel volas la defendantoj de l' tekniko, kial ĝi ne nur ne helpas lin, sed kontraŭe, ne lasas lin eĉ dum momento ripozi, enpelas lin en torturan vetŝvitadon kaj fine frenezigas lin? Kaj kiu fakte profitas de ĉio ĉi? Certe ne li mem, nek liaj kamaradoj. Post resaniĝo Charlie ekvivas la vivon de milionoj da liaj samtempuloj: la vivon de senlaborulo, de trampo, de vagabondo. Kaj, kiel ĉiam, li kontraŭvole, almenaŭ senkonscie, eniras en konflikton kun la leĝo. Senlaboruloj manifestas en la strato, protestas, demonstracias — Charlie ne aliĝas al ili (kaj ni, verdire, ne povas kompreni ĉi tiun lian pasivecon), lin tio ne interesas — sed hazarde li trovas ruĝan flagon, kies signifon li ŝajnas eĉ ne kompreni, ĉar en la plej danĝera momento, kiam la polico ekatakas la amason, li, alte tenante la trovitan flagon, marŝas tra la strato, serĉante verŝajne la perdinton. Tiel li falas en la manojn de l' polico, kiu opinias lin almenaŭ la gvidanto de l' amaso, kaj li formigras en la malliberejon. Nur tie li retrovas ŝajnan trankvilecon. Tie oni ne devas labori, tie li ricevas manĝon, gazeton kaj eĉ cigaron! Kiam oni pli poste, kontraŭ lia propra volo, eligas lin el la malliberejo, lia tuta strebado estas: reveni en ĝin. Charlie ne povas paciĝi kun la ekzistanta ordo, al kiu li estas ne nur nebezona, sed eksplicite malutila. Cetere Charlie la mondon ankaŭ ne bezonas, nek ian ajn ordon, tiun aŭ alian. Kion li bezonas, pri kio li senĉese revas, estas: oportuna ĉambro, glaso da lakto, pano kaj — amikino. Sed Charlie-n ne interesas la problemo, kiamaniere havigi al la homo ĉiujn ĉi bezonajojn. Nur la amikinon de l' vivo li trovis, kaj ŝi restos lia fidela kunulino en lia longa vivovagado.

La novan filmon de Chaplin antaŭiris grandega reklamo, per kiu oni penis kredigi, ke ĝi estas kritiko, satiro pri la »nunaj tempoj« kaj ĝiaj atributoj. Eble tia ĝi volis, ĝi intencis esti, sed fakte ĝi ne fariĝis tia entute. La ĉiamaj konfliktoj de Charlie kun la medio kaj kun la ekzistanta ordo ofte ne estiĝas el la kulpo de l' medio aŭ ordo. Kelkfoje Charlie mem estas la kaŭzo. Charlie tute ne estas klaskonscia, nek organizita. Li estas nura vagabondo, simpla dia kreajo, kies stomako senceremonie postulas satigon. Libera birdo, kiu postulas en la naturo siajn rajtojn. Charlie supozeble sentus sin same malbone en iu ajn alia sociordo, escepte tiun, kiu havigus al li ĉion necesan por vivi sen la bezono labori.

Fakte ja Charlie estas nura vagabondo, nekapabla por paciĝi kun la ekzistanta ordo, nek kapabla por batali por alia ordo. Liaj nervoj estas tro streĉitaj: li preferas la »komforton« en la malliberejo ol la aliĝon al siaj kamaradoj, postulantaj panon kaj laboron. Sur la fono de la anarkia vivo de Charlie akre, kompreneble, konturiĝas la brila primoko de la »nunaj tempoj«, sed malgraŭ tio Charlie tute ne estas konsiderebla kiel tipo. Chaplin kreis forte individuan tipon, kiu neniel reprezentas iun ajn ideologion. Pri kio en la filmo revas la malgranda, senhelpa kaj ĉiam senkulpa Charlie: kvieteco kaj sateco, sen la bezono laborakiri ilin, — tion delonge jam akiris la genia Chaplin en sia reala vivo.

*Georgo Verda*

*) Mi permesis al mi uzi en tiu ĉi artikolo vorton novan: »tampo« en la proksimuma senco de »rapideco«. En multaj lingvoj ĝi estas skribata »tempo«, sed mi pro kompreneblaj kaŭzoj — por eviti konfuzon, ĉar »tempo« en Esperanto havas alian striktan signifon — ŝanĝis la »e« je »a«. *G. V.*

(V.) JEAN GIRAUDOUX: LA GUERRE DE TROIE N'AURA PAS LIEU. (La Troja Milito ne okazos.) Duaktajo.

Abundo de ravaj sonoroj, disradiado de metaforoj kaj paraboloj, grandioza artfajrajo de spriteco! Kapturnaj vortoj karavane paŝantaj tra la abismoj de la penso; kaj subite, blovo de anĝelo kaj flugilfrapado: ni estas transportataj ĝis la neatingeblaj sferoj, kie sub la senkompara lumo la ridekplodo de diino kovras la konfuzan rikanadon de l' demonoj. Nia tuta animo banas sin en aparta intelekta etoso.

*La Troja Milito ne okazos!* Tio estis, laŭdire, la titolo de artikolo el la »Demokration« socialista ĵurnalo, en kiu la subskribanto asertis jus antaŭ la konflikto, ke la necesa monsubteno estos rifuzita al la registaro de Athen. La milito ne okazos! Tiu de Trojo, same kiel la aliaj. Do, dum oni akrigas la animojn, smirge poluras la kanonojn, plenŝtopas la korojn per ofendiĝema patriotismo, la pacifistoj digne pruvas sian fidon pri la paco, pri la suno, pri la vivo.

Sed ĉiuj militoj tamen okazas, ĉar ĉiam ekzistas certa Pariso, kiu kuŝas kun certa Helena, ĉiam regas la apatio, la stulteco kaj la mensogemo de la homoj. La Troja milito okazos, ĉar la homoj estas sklavoj antaŭ la neevitebla destino kaj iliaj klopodoj ne povas ŝanĝi la iradon de la historio.

Kiel en *Amphitrion 38* kaj en *Judith*, Giraudoux reprenis kaj revivigis la antikvajn mitojn, kiuj lulis la praoriginon de la homa penso, kaj ilin adaptis tra la tempo kaj spaco al la cirkonstancoj nunaj, kaj eĉ venontaj. Li evidentigas la eternan veron de la fablo, ne per la artifiko; de l' kostumoj aŭ de l' scenigo, sed per la subtileco de la lingvo, injektante la bolantan dinamismon de l' propra spirito en antologie malnovan vortuzon, kiu tiel prenas nekredeble aktualan signifon.

La movo de la sceno, kiel tiu de la spirito, tuj aperas ekde la kurten-leviĝo, kaj ĝi neniam lacas aŭ pigras en la stagneco de filozofia komento, kion oni povus atendi ĉe tiaspeca konceptajo. Ni estas senvole kaptitaj, preskaŭ fizike, kaj, sen esti certaj, ke ni ĉion bone komprenas kaj divenas la motivojn de la figuroj, ni fariĝas laŭvice Hektoro, Pariso, Helena, plej intense dividante kun ili la timojn kaj la dezirojn. Ĉar la aŭtoro kvazaŭ intence lasis en la desegno de siaj figuroj certan aspekton de nefiniteco, kiu invitas la publikon al laŭplaĉa kompletigo. Tiel nia intereso ne laciĝas kaj tamen nia atento distriĝas. Do, la ĉefa celo de l' teatro estas atingita: la kompleta distriĝo disde niaj ĉiutagaj zorgoj kaj la aktiva partopreno de nia spirito, kvankam malstreĉa, kio tre gravas.

La rebatoj en sia raspa vereco tintas akre kaj vigle kiel klingo-ludo. La frivolo, rimedo, rikanado, naiveco nenion forprenas de la profundeco, amplekso kaj vario de l' temo. Tie, la teatro kaj la literaturo harmonie kunagadas por ravi ne nur la eliton, kiel oni ofte konstatas, sed ankaŭ la ordinaran homamason, kapablan senti la belon de arto por ĝi konceptita.

Certe, ne sen ironio kaj amareco Giraudoux renversas la ordon de la establitaj valoroj: Hektoro, la heroo, laca de sia heroeco, transportas tiun lacon al neatendita socia malkuraĝo; Helena, la sensenta virino, fremda al ĉia ĝenerala ideo, eĉ ne amkapabla, fariĝas la blinda instrumento de l' sorto; Demokos, la oficiala poeto, prezidanto de l' senato, amanto de l' sonoraj formuloj, ekspluatas ĝis sango la fervoran kaj viglan entuziasmon de l' junularo.

Kaj tiel alta estas la pretiĝo de l' talento — tio plene pruvus, se ankoraŭ necese, tiun de Jean Giraudoux — ke oni vidis, ĉe la ĝenerala provripeto de la *Troja Milito*, plurajn el niaj Demokos-oj ĝisfrakase aplaŭdi sian propran murdon. Nekompreno? Eraro? Tute ne! Sincera omaĝo tute nature ŝprucanta kaj eĉ kun iom da koketemo el la maljunaj kleruloj, kiujn spite al ĉio la Arto konkeras! Tiuj, pro sia profesio kaj sia sprito, rekonas la aŭtentikan ĉefverkon kaj akceptas morti pro ĝi... almenaŭ simbole!

Sed ili ne evitos la propran morton, ĉar dank' al ilia monumenta mensogo, Hektoro tamen entreprenos la Trojan Militon.

(V.) SORTONS HUGO DE LA CAVE! (Ni eltiru Hugon el la kelo!) Ĉu titolo de novaperinta libro? Tute ne. Sed devizo de la multaj kleruloj, kiuj en Francujo restis fidelaj al la memoro de Victor Hugo, kaj aktive batalas por redoni al la granda poeto la lokon, kiun li meritas en la literaturo.

Lastan jaron en majo okazis la kvindeka datreveno de la morto de Hugo, kies restoj kuŝas en kripto ĉe la Panthéon. Jam antaŭ la oficiala soleno, kelkaj intelektuloj proponis, ke la restojn de la nacia poeto oni eltiru »el tiu aĉa kelo« kaj ilin transportu en alian pli indan' lokon ĉe la plena lumo, donante al tiu ago ankaŭ simbolan signifon. Ni eltiru Hugon el la senfunda marĉo de l' forgeso, en kiun lin puŝis generacio da muknazaj subtiluloj kaj melonkapaj profetoj!

La solena festo oficiala okazis preskaŭ en atmosfero de konspiro... Eĉ la radio-instalajo rifuzis funkcii en la lasta momento. La gazetoj grize raportis, escepte de »*Les Nouvelles Littéraires*«, kiu organizis grandskalan enketon pri la opinio de la plej gravaj verkistoj koncerne la valoron de Victor Hugo. Sed ĝenerale oni kvazaŭ hontis pri la glora mortinto. Kia diferenco depost la funebra soleno ĉe la enterigo! Ĉu mortis ankaŭ la populareco de Victor Hugo? Feliĉe, ne.

La opinioj pri Victor Hugo, same kiel la diversaj formoj de lia vasta genio, ĉiam estis ege ekstremaj. La demando, ĉu Hugo estis inteligenta, jam fluigis riveron da inko. Konata kritikisto ekkriis: Mi preferus esti kripla, ol havi la spiriton de Victor Hugo! Kaj dekojn da tiaj »trafaj« karakterizoj oni povus citi senpene. La tro fervoraj admirantoj falis en la alian eksceson kaj ne montris pli da objektiveco. La batalo de Hernani ĉiam daŭras!

Al la veraj admirantoj de l' genio apartenas la tasko venke elskermi la batalon kontraŭ la stagna indiferenteco. Jam de kelkaj jaroj oni organizis en eksterlando sisteman kampanjon por »enterigi« Victor Hugon, kaj la ekzemplon montris la francoj mem. En studentaj rondoj, ekzemple, regas tia timiga influo, ke eĉ sole la nomon de l' poeto oni ne povas prononci sen naski rideton sur ĉies lipoj.

Inter la junaj literaturistoj estas interese konstati, ke ĝuste tiuj, kiuj plej ŝuldas al Hugo, lin plej akre insultas. Kaj tio, kion ili plej kritikas ĉe la majstro, ja larĝe sufiĉus por ilin famigi.

Victor Hugo nekontesteble havis la plej vastan influon sur la posteulojn. Lia plej grava merito kuŝas unue en la revivigo de la lingvo. La tuta deknaŭa jarcento uzis la lingvon de Victor Hugo. Kiam tiu skribis »Mi metis la ruĝan ĉapon sur la malnovan vortaron« li donis trafan bildon pri la grandioza revolucio, kiun li faris en la vortuzo. Per tio li akre markis la disigon inter si kaj Lamartine. El la vorttrezoro de Lamartine ĝis nun persistis tio, kion Hugo transprenis, sed pereis definitive tio, kion li forjetis.

La ampleksan verkaron de Hugo, same kiel tiun de Richard Wagner, oni devas juĝi en ĝia tuto por esti frapita de ĝia monumenteco. Pri tiu esenca trajto tre trafe aludis la artikolo pri Walpole en la lasta Observ-rubriko de nia revuo. Ne gravas tiu ĉi aŭ tiu alia patosa deklamo, gravas la larĝaj freskoj, la imponaj konstruoj, la giganta svarmado de pasioj kaj eventoj, la frakasa tumulto de l' sentoj, kaj la tuta vibranta mondo elsorĉita el lingvo senkompare riĉa.

Tute prave oni diris, ke »la dekono de lia lirika verko sufiĉus por vivigi lian famon tiom longe, kiom daŭros la franca lingvo«. Kvankam li ne estis romanverkisto en la propra senco, liaj romanoj, ĉefe *Notre-Dame de Paris* kaj *Les Misérables* reprezentas kulminajn eventojn en la literaturo de l' pasinta jarcento. Precipe la dua tiel populariĝis, ankaŭ dank' al la filmo kaj teatro, ke ĝiaj figuroj preskaŭ apartenas al la ĉiutaga vivo: la galerano *Jean-Valjean*, la episkopo *Myriel*, la eta *Cosette*, la policano *Javert* fariĝis senmortaj tipoj.

La vivo mem de la poeto liverus riĉan materialon por okazoplena filmo. Nenio mankis en ĝi: amo, politiko, ekzilo, vojaĝoj kaj bataloj. Post Napoleono li restos la ĉefa figuro de l' jarcento.

La objektiva kritiko ĉiam salutos en li, se ne la plej grandan pensulon, certe la plej grandan verkiston de Francujo.

(G. B.) LA DUDEKJARA »DADA«. Kelkjara franca revuo trafis en miajn manojn kaj tiel mi eksciis, ke la dadaismo estas dudekjara. En la revuo, la franca poeto-dadaisto Ribémont-Dessaignes publikas siajn rememorojn pri la naskiĝo de la fama ismo. Jam tiam li »rerigardis« al ĉi tiu »moderna« arta kaj literatura movado, kaj ankaŭ de tiam pasis jam iom da tempo. Je la oka de februaro estis la dudeka naskiĝtago de la dadaismo, kaj pri tio ĉiu forgesis, unuavice la iamaj dadaistoj mem. Pri la cirkonstancoj de la naskiĝo ni trovas atentindajn indikojn en la notoj de Hans Arp, alsaca verkisto, unu el la »patroj«.

— Jene mi deklaras — skribas Hans Arp — ke Tristan Tzara eltrovis la vorton »dada«, je la oka de februaro 1916, vespere je la sesa. Mi ĉeestis kun miaj 12 infanoj, kiam Tzara unue prononcis tiun vorton, kio vekis en ni rajtan entuziasmon. Tio okazis en Zürich, en la kafejo Terass kaj mi portis kukon en unu el miaj naztruoj. Mia konvinkiĝo estas, ke ĉi tiu vorto havas nenian sencon kaj ke nur la idiotoj kaj hispanaj profesoroj zorgas pri datoj.

Ĉi tiu indiko ŝajnas sufiĉe fidinda kaj ne malhavas literaturhistoriistan seriozecon. Kion la vorto »dada« signifas, tio estas iom malcerta. Ĝia originala senco estas »amata ĉevaleto«. Tristan Tzara, la romandevena franca poeto, trovis ĝin en la »Larousse« kaj elektis ĝin devizo por la nova direkto. Kial? Oni ne povas scii. Ĉirkaŭ la dadaismo entute, oni nenion povas scii. Alia dadaisto, Richard Hülsenbeck, diris ja sincere: »La, vivo estas katmuziko, kaj kiuj ĝin komprenas, tiuj estas la dadaistoj.«

Estis milito, kiam internacia eta verkista grupo naskis en Svisujo la dadaismon. Post tiom da militdeklaro, ankaŭ la dadaistoj deklaris militon. Ili militdeklaris al la realo, al tiu realo, kiu en 1916 jam delonge perdis sian sencon. Ĉio estas sencela, ĉio estas blufo — ili deklaris. Certe efikis sur ilin ankaŭ la brila romano de André Gide: »La keloj de la Vatikano«, kies juna heroo demonstracias kontraŭ la burĝa moralo per sensenca ago, per sencela murdo. La tuta agado de la dadaistoj estis serio de tiaj »action gratuite«: demonstracie sencelaj agoj. Sed en tiu senceleco ili estis plene celkonsciaj. Ili eldonis revuon, sur kies titolpaĝo paradis Mona Lisa kun potencaj torditaj lipharoj. Kelkfoje — kiel skribas Ribémont-Dessaignes — ili gvidis muzeo-vizitojn. Grandan grupon da interesiĝantoj ili kondukis al la Louvre; la gvidanto haltis antaŭ klasikaj kreajoj kaj solenvoĉe laŭtlegis la plej novajn borsajn kurzojn. Kelkfoje ili transportis la dadaismon ankaŭ en la vivon. Unu el ili ŝtelis en omnibuso monujon el la poŝo de kelnero, ĉar tiu memorigis lin pri pastro. Poste li pripentis sian kulpon kaj post tri tagoj li redonis la monujon al nekonata homo, kiu hazarde similis al la kelnero.

Tiel vivis kaj agis la dadaistoj, inter ili ankaŭ kelkaj valoraj verkistoj, ekzemple Cocteau kaj Aragon. Kompreneble, oni ne povis longe daŭrigi ĉi tiun ludon, ĉar ĝi iĝis teda. Naskiĝis dadaismaj ŝablonoj, kiujn post kelka tempo oni ne povis plu variigi. Al Mona Lisa oni povas doni, post la torditaj lipharoj, maksimume ankoraŭ vang-

barbon aŭ kaprobarbon, kaj per tio proksimume elĉerpiĝas la programo. La dadaismo, post kelkaj jaroj, jam floris nur en la dadaismoj spritaĵoj de la kabaretoj. Iomtempe ankoraŭ populara estis tiu kalva sinjoro de la anekdoto, kiu metis sur sian kapon vermiĉelojn anstataŭ spinacon, sed tion jam tre malmultaj konsideris serioze. La pli bonaj dadaistoj memstarigis sin kaj ekiris aliajn vojojn. Nun, post dudek jaroj, la publiko jam apenaŭ memoras la dadaistojn.

Mi kredas, ke pleje malutilis al ili la evoluo de la socio. Tiu realo, de kiu ili sin turnis, rapidege dadaiĝis konforme al ili, kaj eĉ, dadaiĝis mort-serioze. Dum la lastaj dek jaroj ĝi tute perdis, eĉ la ŝajnon de bonsenceco. Por ke mi uzu nur la trivialan ekzemplon: oni hejtas lokomotivon per tritiko, dum milionoj malsatas. Ĉi tio estas kulmino de ĉia dadaismo, pli konsterna ol la lipharoj de Mona Lisa kaj pli neverŝajna ol la spinaco sur la kapo. La agado de la dadaistoj iĝis tute superflua, de kiam ŝtatviroj kaj ŝtatekonomoj trasprenis la dadaismajn metodojn. Kiu volas ribeli hodiaŭ, tiu povas ribeli nur kontraŭ la dadaisma realo. Hodiaŭ tio estas konsterna, se iu volas manĝigi per tritiko homon anstataŭ lokomotivon.

Aragon, kiu, post longaj dadaismaj kaj surrealismaj provadoj, kreskis je brila verkisto kaj je spirita gvidanto de la franca maldekstro, jam plene rekonis ĉi tion. Li skribas en unu el siaj lastaj artikoloj: »Mi anoncas la revenon al la realo, por la transformo de tiu realo!« Ion pli belan li vere ne povis diri je la dudeka naskiĝtago de la mortinta dadaismo.

(G. A.) PARIZA TEATRO. La entuziasmaj aŭ senreviĝaj, sed ĉiel laŭtegaj krioj, kun kiuj Parizo kaj la tuta lando akceptis la rezultojn de la politika voĉdonado, sonis malproksimegen. Ili superkriis tiujn multe malpli laŭtajn fanfarojn, kiuj festis en la taga ĵurnalaro la naskiĝon de nova dramverkisto.

La »nova franca dramverkisto«, pri kiu oni faras tiom da bruo, estas junulo. Jen lia sola merito, krom tio, ke li kuraĝas skribi la veron, aŭ almenaŭ tiom, kion li kredas vero. Ĉio ĉi sendube estas jam granda plenumo en la Urbo de Lumo, kie pli kaj pli malmultas la junaj verkistoj, precipe tiaj, kiujn ne timigas ilia propra voĉo.

Nu, mi konfesas, ke la teatraĵon mem mi trovis longa, primitiva kaj enuiga. Sed al la publiko ĝi plaĉas. Eĉ al la kritikistoj, precipe al la »dekstraj«. Nome, la teatraĵo ege tradraŝas la Respublikon kaj ties instituciojn. Ĝin traas ia studente cinika spirito. Kun junule kruela, incitema, venĝema amareco ĝi predikas, ke oni devas esti fripono. Oni devas ne ŝpari. La ŝvite-pene gardataj groŝoj ja nepre perdiĝas inter la manoj de iu potencumita trompisto. Per bankroto, per mondkrizo, per io ajn alia. Oni do ĝuu la momenton kaj la gajnitan monon. Oni vivu de unu tago al alia. Nepre oni ne estu honesta, diligenta. Prosperas ja nur pendiginduloj, ŝtelistoj, trompistoj. Nur por ili ridetas la fortuno.

Se al vi plaĉas, mi povas rakonti en kelkaj frazoj la temon de la »Sep malgrasaj bovinoj« (Les Vaches Maigres), kiun, novaĵon de la teatro *Oeuvre*, fanfaras ĵurnaloj kaj parto de publiko kiel verkon de la alveninta aŭ alvenonta Nova Dramverkisto.

Juna etoficisto edziĝas. Eĉ en la nupto-nokto li laboras por sia firmo, dum lia edzino sonĝas pri amo — sola. Li laŭte anoncas kaj fervore praktikas la burĝajn virtojn. Iom post iom li kolektas por si riĉon, sed tiel, ke ĉiam superfluan ĝojon kaj plezuron li forprenas de si kaj de sia familio. Ankaŭ la bienon de sia edzino li monigas, por ke li povu partopreni per pli granda sumo en la entrepreno de liaj ĉefoj. Por sia investita kapitalo li ricevas titolon de direktoro. Sed — la firmo bankrotas. Ĉio perdiĝas. Kaj la »honesta, ekzemplo-done brava, ŝparema burĝo«, kun sia edzino, du filoj, graveda filino, baraktas sur la sojlo de malsatmorto.

Tiam, en la lasta momento, aperas la ĉarlatana vivkunulo (pli ĝuste: konkubulo) de lia bofratino. Kaj tiu ŝtelisto, trompisto, sentaŭgulo, kiu gajnis dum sia tuta vivo la monon tie kaj tiel, kie li povis plej facile, per minimuma peno — kaj kiun la honesta edzo ĝis nun ege malestimis — proponas nun negocon, kiel komisiito de intertempe sukcesinta politikisto. Li proponas al la honesta edzo la rolon de »pajlo-pupo« en la dube-puraj negocoj de la ministro. La ekshonestulo, vidinte ke la honesto taŭgas maksimume por malsatmortigo, akceptas la proponon. Li komencas »novan vivon«, kolektas novan riĉon, kiu — ni povas esti trankvilaj — ne dissolviĝos plu, kiel ajn tempestos la krizo...

Malpli malglata, senproporcia kaj troiga estas la novaĵo de la Pigall-teatro, verko de Leopold Marchand. La titolo estas: *La vivo estas tiel mallonga* (La vie est si courte) kaj la protagonisto ĉi-foje estas ne politikisto, sed romanverkisto, eĉ — mortinta romanverkisto. Lin ni eĉ ne vidas sur la scenejo. En la unua akto li estas malsana, en la dua li jam ne vivas. Lia vidvino — kiu kredis, ke ŝi estis la sola virino en lia vivo — hazarde interkonatiĝas kun la eta Jeanne, iama amatino de la romanverkisto. La rivalinoj iĝas amikinoj; precipe, kiam ili malkovras, ke la mortinto havis ankoraŭ unu paseman amrilaton — kun la plej intima amikino de la edzino.

Poste la edzino kaj Jeanne vivas kune en provinca kastelo. Kaj, dum la jaroj pasas, ĉiu el ili suspektas la alian pri la unua malfidelo al la memoro de l' komuna



E. Wiiralt *Infero* (akvaforto)

amato. Sed ni ekscias, ke la knabino korespondis nur kun imagita viro. La vidvino, male, montras pli kaj pli kreskantan interesiĝon al la najbara bienulo, kiu estas fortika kaj tre vivanta homo.

Mi ne scias, kaj mi dubas, ĉu iu scias, kion volas diri Léopold Marchand per tiu ĉi teatraĵo. Kaj, eble tio estas la plej bona kvalito de la verko. *Tial* ĝi marŝos dum iom da tempo. *Tial*, ke ĉiu serĉas kaj neniu trovas la kaŝatan esencon kaj risorton. Eble, Marchand volas demonstri, ke la amatino, la sekreta, kaŝata flankvojo en la vivo de viro, scias pli ami, scias resti pli fidela al la laŭleĝa edzino, al kiu apartenas la honoroj kaj rajtoj... Sed tiun ĉi tezon la aŭtoro montretas tre malcerte, nur por momento li ekbriletigas ĝin kiel jonglisto. Eble li timas, ke alie la mastroj kaj la publiko de la teatro, sed precipe la horo de la oficialaj kaj laŭleĝaj edzinoj, elskrapas al li la okulojn, aŭ almenaŭ prifajfas lian verkon.

(V.) CARADOC EVANS, LA SATIRISTO DE L' PROPRA LANDO, skribis pri si mem: Mi venas el Kimrio, lando, kies ĉefaj eksportaĵoj estas pastroj, politikuloj kaj boksistoj. Mia provinco estas Cardiganshire. Mi devenas el kampula familio, kvankam mia patro sukcesis kiel aŭkciisto kaj bien-agento. Sed li mortis tridekjara, lasante vidvinon kun kvin tre malgrandaj infanoj.

El la kvin mi estis la antaŭlasta. Mi vizitis la vilaĝan elementan lernejon. La instruado estis senpaga. Post la predikanto, la instruisto estis la plej terura tirano de la loko. Li instruis al mi la arton skribi kaj legi la anglan lingvon, sed neniam mi havis la plej etan ideon pri tio, kion mi legis.

Patrino volis, ke ŝiaj infanoj lernu bonstatan metion. Kompreneble la liberalaj profesioj staris ekster konsidero. La bonhavaj gepatroj edukis siajn filojn kiel predikantojn aŭ advokatojn. La kimroj sukcesas en predikado, juro kaj politiko, pro tio, ke oni povas aĉeti ilian konsciencon je tre malalta prezo. Mia pliaĝa fratino lernis la metion ĉe drapvendisto, kaj same faris mia pliaĝa frato, kaj je la aĝo de dekkvar mi estis sendita al drapvendisto en Carmarthen.

En tiu butiko mi unuafoje gustumis freŝan viandon. Mia stumblo-ŝtono estis la angla lingvo. Mi ĉiam ridigis la klientojn pro mia misuzo de l' vortoj »punctuation« anstataŭ »punktual«, »cornel« anstataŭ »corner«, »twice or three times once before« ktp. (signifas reciproke: interpunkcio — akurata — kornuso — angulo — dufoje aŭ tri fojoj unufoje antaŭe).

Poste, mi akiris novan postenon en Cardiff; tio estis servuteco: ses- ĝis okope ni dormis en unu ĉambro, kaj ni estis tre malbone nutrataj. Mi venis al London kaj estis pelata de okupo al alia pro mia nekompetento. Mi intencis fariĝi ĵurnalisto. Mi vizitis vesperan kurson ĉe la Laborista Universitato en North London. Sed mi ne kapablis fari ian progreson en la angla lingvo. Tamen mi decidis fariĝi ĵurnalisto.

Iun tagon, mi estis forpelita el mia dekdua londona posteno kaj mi ĵuris ne reiri al la butika laboro. Iumatene mi surmetis mian frakjakon kaj silkĉapelon, kio estis la uniformo de drapvendisto, kaj eniris la oficejon de malgrava semajna publikaĵo. La eldonanto-posedanto rigardis min kaj dungis min por la salajro de tri funtoj semajne. Monaton poste, li diris al mi: »Pruntedonu dek funtojn al mi«. Mi respondis: »Dek funtojn mi ne posedas«. Li diris: »Bona Dio, se mi ne pensus, ke vi estas riĉa, mi ja ne okupus vin«. Neniam mi ricevis ian salajron de li, sed mi estis ŝparinta proksimume tridek funtojn, kaj mi vivas per tiu sumo. Tie mi restis ĝis la afero bankrotis. Mi pasigis multan tempon forŝirante la linoleumon disde la planko kaj dissplitante la pordojn, ĉar mankis fajromaterialo.

Mi deziras verki rakontojn, sed mi ne sciis pri kio rakonti. Tiam, iuvespere mi malfermis la Biblion ieajn, kaj la teksto sub miaj okuloj estis tiu de la dekoka ĉapitro de la Genezo. Mi tion legis kaj pensis: »Jen la maniero lerni la anglan lingvon«. Kaj poste: »Kial ne provi verki kimran rakonton en la stilo de la Biblio?«

Tion mi provis.

Post la eldono de »My People« (Mia popolo), la homoj komencis paroli pri mi. Mia onklo, pri kiu mi ne ŝatas memori, disklaĉis, ke li edukis min. Sed la vilaĝa instruisto diris: »Se Caradoc kapablas verki libron, la idioto de l' vilaĝo certe povas verki novan Biblion«.

*

Evans naskiĝis en Pantycroy, Kimrio. La precizan daton de lia naskiĝo oni ne konas, sed oni supozas, ke li nun estas proksimume 55-jara.

Hazardo lin kondukis al ĵurnalismo. Li fariĝis iam redakciano de *Everybody's Weekly*.

La malamon al la propra devenlando esprimis Evans en kolekto de etaj noveloj titolita »My People« kaj eldonita en 1915. Ĝin oni malpermesis en Kimrio. La aŭtoron oni vigle misfamigis el la ambonoj kaj lian portreton oni publike bruligis.

Iam, en London, li estis ĉe kimra barbiro en la Strand. La barbiro, ne sciante, kiu li estas, diris: »Se Caradoc estus ĉi tie, mi tranĉus lian gorĝon«.

Kiam en Cambridge, li diris en lekcio, ke la kimroj instruis al la londonaj vendistoj, kiel fraŭde akvumi sian lakton, skandalo okazis en la kunveno, kaj li devis peti polican protekton por reiri al sia hotelo. Lloyd George sentencis: Tiu viro estas renegato!

Sed Evans daŭrigis vigle sian satiradon kontraŭ la propra lando per serio de etaj noveloj. Aperis en 1916: *Capel Sion*, kaj en 1919: *My Neighbours*. Ribeltumultoj akompanis la prezentadon de lia komedio: »Taffy« (moknomo de la kimroj). Multajn personojn oni devis eligi el la teatro. Cetere la prezento havis malmultan sukceson.

La unua romano de Evans: *Nothing to Pay*, aperis en 1930. Ĝi estas rakonto pri kimra avarulo. Pri tiu verko Glyn Roberts diris: Ĝi estas unu el la plej grandiozaj romanoj, kiujn mi legis, kvankam ĝiaj figuroj estas ekcese mankhavaj kaj ĝia heroo unu el la plej teruraj monstroj, kiuj iam invadis la paĝojn de romano. Dua romano sekvis en 1932. Tiun oni nomis miriga libro.

Hugh Walpole ne hezitis diri pri li: »lia honesteco estas unu el la plej frapaj trajtoj en la moderna literaturo«. Kvankam li verkis relative malmulte, Evans jam eniris la legendon de l' famo. Evidente, li estas depost Swift la plej granda satiristo kontraŭ la propra popolo.

(M) LA ROMANOV DE LA RADIUMO verkis *Rudolf Braungraber* en dika 400-paĝa volumo, kaj tiu ĉi libro estas multe pli ol nura romano de hemia elemento. Ja, tiuj tri jardekoj, kiuj trabruas de la unua paĝo de la lasta, fundamente ŝanĝis la politikan, ekonomian kaj socian aspekton de la mondo. Kaj tiun ŝanĝon plastike vivigas ĉi tiu romano.

Per elŝiritaj moment-fotoj komenciĝas la rakonto. La scenejo de unu estas Londono, iu periferia kvartalo. La alia okazas en Parizo, la tria en kaŝita vilaĝo de la ĉeha Ercmontaro. Kiam antaŭ niaj okuloj viviĝas ĉi tiuj historietoj, ni ankoraŭ ne vidas ilian kunapartenon. Nur poste, multe post la mezo de la romano interkroĉiĝas la disaj scenoj en potencan unuon: en la monumentan atestajon de tio, kion la radiumo estigis en la homa vivo de la 20-a centjaro. En Kongo kaj en la sovaĝa okcidento, en francaj hospitaloj kaj laboratorioj, en la diversaj batalkampoj de la mondmilito, en la vivo de la grandaj ekonomiaj koncernoj, ĉe la pliperfektigo de la stratosferaj vojaĝoj kaj en mil aliaj direktoj disvolviĝas triumfoj kaj tragedioj ĉirkaŭ la radiumo, kiu, dum ĝi iĝis la plej multekosta kaj terura substanco de l' tero, samtempe estigis neantaŭvideblajn ŝanĝojn en la kampo de teoriaj sciencoj, de ekonomia vivo, de praktika medicino.

La protagonisto de la romano do estas ne unu aŭ alia rolanto, sed mem la radiumo. En unu loko ĝi aperas kiel treme atendita helpilo en la lukto kontraŭ terura malsano: la malsanuloj espere-angore atendas ĉu realiĝos la esperoj pri la nova substanco. En alia ĉapitro, ĝi aperas kiel ingredienco de iu aŭ alia mineralo, kaj ekirigas potencajn batalojn pri teritorioj. Kaj fine, ni

vidas la misteran novan substancon kiel kolizian punkton de mondekonomiaj federacioj kaj kiel kaŭzon de milito bruletanta sub cindro kaj ĉiumomente ekflagronta.

Kiam disvastiĝas la famo pri la nova substanco, havanta superteran potencon, tutmonde komenciĝas pri ĝi diskutoj kaj disputoj. Ekzistas kiuj kontestas la miraklan efikon — el sincera konvinkiĝo. Kaj ekzistas kiuj sin montras skeptikaj nur tial, ke des pli trankvile kaj sendanĝere ili povu etendi la manon por la akiro de la nova substanco... Dum la radiumo estas nur malmulta, vete klopodas akiri la miraklan kuracilon la diversaj hospitaloj de la mondo. Sed jen, ŝanĝiĝas la situacio. Novaj radiumtrovlokoj malfermiĝas en Kongo kaj sur la belgaj bordoj, kaj subite morta danĝero minacas la radiummonopolon de Ameriko. La malsanularo, kompreneble, ĝoje salutas ĉi tiujn sciigojn. Sed — kiom koncernas la kartelojn la interesoj de la malsanuloj? La karteloj do ĉiurimede klopodas gardi la antaŭan preznivelon. Oni devas subpremi la produktadon kaj konservi la malnovajn, monstrajn prezojn — oni aŭdas ĉie — ĉar alie estas finita la monopolo.

Mi ne povas raporti ĉi tie pri ĉiuj ĉapitroj de la romano. En tiuj ĉapitroj ja gravas ne tio, *kio* okazas, sed pri tio, *kiel* ĝi okazas. Tamen, la romano havas kelkajn ĉapitrojn, ĉe kiuj oni devas halti. Ekzemple, kiam la ĉefo de la eŭropa radium-trusto, Pierre Cynac, kiu dum sia tuta vivo ne havis eĉ unu minuton por alio ol por laboro kaj mon-akiro, do, kiam Pierre Cynac unue renkontiĝas kun la Virino. Estas nur fatala ludo de cirkonstancoj, ke eĉ tiu virino signifas negocon: ŝi estas ja nepino de la amerika radium-reĝo kaj oni sendis ŝin en batalfronton, por ke per sia rideto ŝi provu influi la grandan ekonomian militon. Ĉar alie, laŭ la cirkonstancoj de povo, la rezulto de la milito jam ne povas esti duba.

Grandioza kaj vere ekscita sceno estas, kiam kunsidas la potencoj de la radiumo el la nova kaj malnova mondoj. Argumentoj sonas por kaj kontraŭ, kvankam oni sentas ilin jam tute superfluaj, ĉar la bela amerikanino ja havas la grandan promeson: Pierre Cynac estas ema je paco. Dum horoj daŭras la intertraktado. Pierre Cynac senvorte sidas sur sia seĝo. Kaj kiam fine li leviĝas por paroli, li diras solan vorton, ke li — ne estas ema je paco. Pierre Cynac restas fidela al tiu idolo, kiu lin gvidis dum lia tuta vivo. La mono triumfas super la amo.

Ekscita estas la vojo, kiun la radiumo faris de la laboratoria tablo de Marie Curie ĝis la Belgiaj kaj Pensilvaniaj granduzinoj. Kaj vojfine atendas la plej ekscita sceno: la mistera radium-malsano inter la laboristinoj de la fabriko de Cynac. Apud ilia lito senpove staras la kuracistoj. En malluma ĉambro baraktas tiuj malfeliĉulinoj kaj en la malluma ĉambro fluas mistera lumo el iliaj okuloj kaj buŝo. La mistera lumo mortigas la laboristinojn, sed ne estingiĝas plu. La potenco de la radiumo ja estas nevenkebla. Kaj en la fantazio de Cynac viviĝas teruraj vizioj: kadavroj kuŝantaj vice, el kiuj, post paso de centjaroj, restos nenio krom la mistera kaj timiga lumo...

## EDUARD WIIRALT.

Eduard Wiiralt estas konata estona grafikisto, laboranta jam pli ol dek jarojn en Parizo. Li ne nur estas la plej bona estona grafikisto, sed li apartenas al la plej perfektaj nuntempaj tutmondaj grafikistoj, kion asertas ankaŭ Henri Heraut en la franca revuo »Xylographie«. La esperantistoj iom konas lin laŭ la estona numero de Lit. Mondo (majo 1931); ankaŭ la kovrilpaĝo de Estona Antologio I estas de li.

Eduard Wiiralt naskiĝis en 1898. Li vizitis la artindustrian lernejon en Tallinn kaj la artlernejon »Pallas« en Tartu. En 1922/1923 li studis en Dresden, en 1925 veturis al Parizo. — Ĉi-printempe en Tallinn estis aranĝita ekspozicio de Wiiralt: ĉk. 350 laboroj el la jaroj 1915—1936. Pasintjare estis ankaŭ aranĝita en Rotterdam ekspozicio de liaj laboroj, okaze de kio aperis tre favoraj kritikoj en la nederlandaj gazetoj, laŭdintaj lian artistan perfektecon kaj grandiozan teknikon, »Wiiralt estas vere



*Artisto Eduard Wiiralt*

artisto, granda artisto en grafiko. Liaj laboroj meritas la atenton pro du kaŭzoj: teknika perfekteco, funda kono d lia artfako kaj aldone al tio tre granda fantazio, povanta esprimi jen plej grandan delikatecon, jen plej turmentan demonecon.«

Lastjare E. Wiiralt ricevis premion de estona ilustracio por la 6 gravurajoj-ilustrajoj al »Gabrielide« de Puŝkin (franca Puŝkin-eldono).

Wiiralt ilustris multajn estonajn librojn (ankaŭ poemarojn de M. Under) — interalie ankaŭ francajn eldonajojn, ekz. »Decameron« kaj »Concupiscences« de Mauriac — en la lasta libro estas ankaŭ tre bonsukcesinta portreto de Mauriac.

En angla artjurnalo, »The Print Collector s' Guaterley« aperis en aprilo 1936 granda artikolo kun ilustrajoj de Basil Burdett pri Wiiralt sub titolo »Estona grafikisto«.

Wiiralt estas majstro en ĉiuj grafikaj teknikoj. Liaj unuaj sep parizaj jaroj estis tre intensivaj pro stilserĉado, ili donis ankaŭ al lia temaro senliman vastecon, pasion kaj asketismon, inferon kaj ĉielon, plej senhontan karnon kaj plej subliman potencon. — Estus malĝuste ligi Wiiralt al Ununura formulo, kiel oni estas tion farinta, nominte lin fantaziulo aŭ erotikulo. Li posedas maloftan multflankecon, liaj bildoj atestas pri la interesa evoluo de la artisto, ni vidas dramecajn internajn streĉojn kaj solvojn, katastrofojn kaj plej delikatan lirikon, ni vidas pere de li la tutan mondon, ne nur ian mallarĝan eltranĉajon, ni vidas fantazion kaj realecon, inkubajn fantomojn kaj profetan fervoron. Generale li tamen estas realisto, kion pruvas liaj portretoj, eĉ la idee tiel fantaziaj kiel »Infero« kaj »Kabaredo«, kie ĉiuj apartaj eroj estas prezentitaj per plej granda realeco, malgraŭ ilia nerealeco.

Tiu realeco, propra al Wiiralt, atingas sian plej belan kaj idealan esprimiĝon en liaj laboroj de post 1933. Ĉiam pli kaj pli trankvila, klasika iĝas lia stilo. En Estonio oni kun intereso observas la evoluon de Wiiralt: sendube li estas unu el niaj plej grandaj artistoj. *Hido.*

## THEODOR HEINRICH MAYER: MONO — MONO!

Theodor Heinrich Mayer, kiu naskiĝis en 1884 en Wien, kien translokiĝis siaj gepatroj el Aŭstrio—Ŝlesvigo, studis en Wien farmacion kaj filozofion kaj dediĉis sin al la verkado kaj dekomence konkeris por si apartan lokon, pritraktante la rilatojn inter homo kaj maŝino en poezia formo kaj kreante tiamaniere propran specon. Apud tio, liaj profundaj ekkonoj kaj lia riĉa prezentkapablo kondukis lin al la patrolanda romano. La romanserio »Cent jaroj de Aŭstrio« montras la priskribon de

la aŭstria sorto de la lastaj cent jaroj. Al ĉi tiu serio apartenas la romano »Mono — Mono!« La urĝanta hasta ritmo, kiu kuŝas en ĉi tiu titolo, trablovas la tutan libron. Neniam ankoraŭ la danco ĉirkaŭ la Ora Bovido, la demona povo de la mono super la koro de homoj estis priskribita kun tia insisteco. Theodor Heinrich Mayer nesupereble sukcesis montri, kiajn multspecajn formojn povas alpreni ĉi tiu demono kaj kiajn animajn detruojn ĝi povas estigi eĉ en la plej simplaj mensoj. En 1873, la jaro de la mondekspozicio, la loĝantaro de Aŭstrio estis kaptita de malsaneca spekulacia febro. La paperoj ĉe la borso altiĝas kaj altiĝas. Ĉiu, kiu ĉi tie partoprenas, ŝajnas havi la eblon riĉiĝi en plej mallonga tempo. Altfinancistaro, burĝaro kaj metiistoj sin ĵetegas en riskajn entreprenojn kaj eĉ la kamparanoj en la Alpo-valoj provas per perantoj partopreni ĉe la granda fiŝkaptado, ĝis fine la tuta kartodomo rompiĝas. En ĉi tiun grandan bildon Theodor Heinrich Mayer metas aron da akre desegnitaj figuroj. Estas maljunaj, spertaj spekulistoj, kiuj kun bonega flarsento antaŭvidas la altiĝon kaj malaltiĝon de la valoroj kaj en ĝusta momento forpuŝas ĉiujn danĝerajn paperojn; piratoj de la monaferoj, kiuj maltime eniras riskajn aventurojn por kolekti fabelajn riĉajojn, kiuj poste, ankoraŭ pli rapide ol ili estis rabkolektitaj, denove disfluas; nobeloj, kiuj provas regajni ilian perditan havajon en ĉi tiu fremda mondo; modestaj homoj, al kiuj la deloga mono tute konfuzas la kapon. Ankaŭ la mondo de la amo estas regata de la povo de la mono kaj influata de ĝi. La malfermo de la granda mondekspozicio fare de imperiestro Francisko Jozefo estas priskribita en plej viva maniero kaj donas okazon por impresa priskribo de la figuro de la skluptisto Fernkorn, kiun jam tiam obsedis spirita mallumo. En la mezpunkto de la romano staras juna financviro, kiu, jam signita de la morto, uzas la mallongan tempon, kiun li ankoraŭ havas por vivi, por fari vicon da spekulacioj de freneza kuraĝeco. Por gajni virinon, ties beleco katenas la tutan Wien-on, li ĉion riskas. Favorata de plej granda feliĉo, ĉiuj liaj spekulacioj sukcesas. La mono kvazaŭ per si mem alfluas lin, sed li atingas sian celon en momento, kiam li mortante ne plu bezonas la monon kaj tiamaniere fakte sufokiĝas en la enfluegintа orrivero. *F. W. V.*

LA EDENO ANKAŬ NUN EKZISTAS, NUR NI EKZILIS EL ĜI NIN MEM. Tiu ĉi bela frazo estas de *Mihály Földi,* unu el la gravaj aŭtoroj de la moderna hungara literaturo. La kariero de la verkisto estas tre interesa. Li ekiras kiel kuracisto, poste naturalisma verkisto, nun li estas redaktoro de tre grava budapeŝta ĵurnalo kaj — atingis inspiroplenan Di-kredon, kies fundamento estas sobra kaj filozofia naturscienca koncepto.

Estos interese citi kelke da frazoj el la tre originala, interesa kaj konvinka idearo de la aŭtoro:

Mi transvivis epokon, kiu plene ŝanĝis la sciencajn vidpunktojn. ...Dum mia studtempo la atomo estis la plej eta ero de la materio... Nun ĝi estas memstara mondunuo kaj mem la materio sublimiĝis; ni konas ĝin kiel aperan formon de la forto. La scienca esploro do atingis la saman Nekonatan, ĉe kiu oni devis halti antaŭ jarcentoj... Ankaŭ nun oni povas nur doni diversajn nomojn al la prakaŭzo...

Mia rezulto estas la intelekta Di-kredo... Ni kredu pri tio, ke konscia, sistemiga forto antaŭigas la homaron al la perfektiĝo... Ni vidas klare, ke estas ne-necese, ke oni malsatu kaj suferu, ke oni korpsurkorpe batalu por la pano. Estas loko por ĉiu sur la tero! Kaj ĉie fermentiĝas la ideo, ke en la kuniĝo, en la konsciigo de la pliigita respondec-sento kaŝas sin la savo, kiun alportos la revolucio de la animo.

Mi atendas la realiĝon de la burĝa socialismo. ...Tiu ĉi nomo ŝajnas paradoksa, sed ĝia enhavo ĝin pravigas... ĉar la burĝo estas kontraŭulo de neniu klaso kaj lia sorto ne estas ligita al la kapitalismo. Se la kapitalismo bezonas do transformiĝon, la burĝaro povas fari ĝin sen revolucio kaj teroro, ĝi povas repacigi malamikojn kaj povas dediĉi al la servo de Dio sin, la socion, la ŝtaton kaj la tutan homan vivon...

Kiel la intelekto liberiĝas nin el la infanaj instinktoj, tiel la konscia kredo kaj la aktiva boneco venkos la kaoson. La socio saviĝos de la problemaro pri la posedrajto, timo kaj potenc-amo kaj, demetinte siajn superfluajojn, ĝi sublimiĝos.

La Edeno ankaŭ nun ekzistas, nur ni ekzilis el ĝi nin mem...

La supraj pensoj estas troveblaj en la nova libro de Földi: *Krio el la krizo* kaj ili donas bazon ankaŭ al la vasta trivoluma romano de la sama verkisto, kies titolo estas: *Al la lando de Dio.* *F. Sz.*

JUBILEO DE F. TUGLAS. En ĉi tiu jaro festis sian 50-jaran naskiĝtagon la konata estona verkisto Friedebert Tuglas, kiun ankaŭ la esperantistoj konas pere de la esperanta eldonaĵo »Kvin noveloj«, aperinta en 1924 tradukite de Henriko Seppik. Du noveloj de li estos ankaŭ

# Vermlando vi belega*)

Teksto: *A. Fryxell.*

*Popolmelodio.*

*Ej för långsamt.* Folkmelodi från Östergötland.*



















* Se Dybecks »Runa« 1865.

Vermlando vi belega, vi plej bela land',
vi krono de landoj en Svedlando!
Se eĉ mi venus mezen de l' promesita land',
mi tamen reirus al Vermlando.
Mi tie volas vivi, kaj tie mortos mi.
Se iam el Vermlando knabinon prenos mi
mi scias, ke mi neniam pentos.

Trad.: *G. Löfvenmark.*

*) *Noto:* Värmeland (Vermlando) estas provinco de Svedlando. Naskloko de multaj svedaj poetoj, ekz. Selma Lagerlöf.

# Flirtas haga papilio*).

Teksto kaj muziko: *C. M. Bellman.***)




Flirtas Haga papilio
en nebul' kaj en sunor'
faras domon sur folio
kaj la liton sur la flor'.
Et-estajojn en la marĉo
naskis jam la suna varm'.
Ludas la zefira arĉo,
pompas la printempa ĉarm'.

Hago, sub printempan signon
venas ĉio en la mond',
kaj fieran blankan cignon
levas gaje blua ond'.
Fonto montras la spegulon
al arbar' en luma bril'.
Takte frapas sur betulon
kaj sur pinon la hakil'.

En Brunnsviken la najadoj
levas kornojn kun plezur',
kaj torentas la kaskadoj:
tie estas Solna tur'.
Trotas en la bela tago
kun fiero ĉevalid',
dum feliĉa sin al Hago
turnas kamparan' kun rid'

Trad.: *E. Malmgren.*

*) *Hago:* parko de Stockholm.
**) C. M. Bellman, elstara poeto en la or-epoko de la sveda literaturo. Komence de la XII-a jarcento.

---

prezentotaj en la dua parto de la Estona Antologio. Pasis ankaŭ 3 jaroj de tiu tempo, kiam aperis la unuaj literaturaj provoj de la juna Tuglas.

Friedebert Tuglas okupas tute apartan lokon en la estona prozo, liaj ĉefaj trajtoj estas pentrado de animstatoj, de sento-medioj, kaj ĉe tio lia prozo estas tre proksima al la liriko. Iu kritikisto diras, ke en la verkoj de Tuglas troviĝas ĉiuj stiloj, ĉiuj fluoj: naturalismo, novromantiko, impresionismo kaj simbolismo. La fonto de lia art-programo estas la sopiro al mondo pli perfekta — interne pli riĉa kaj intensiva, de ekstere pli bela. Li ŝatas rifuĝi en sia fantazio ekster la kaŭzecon, tial oni malmulte antaŭdivenas en liaj verkoj la evoluon de la temo. La temo de liaj noveloj ne estas prezentita pere de racia analizo, sed kiel sento-stato, malgraŭ tio ili povas enhavi plej grandajn vivoverojn, sed kompreneble rigardatajn tra la animprismo de la aŭtoro. Legante liajn novelojn, oni estas transportata en ian izolitan, fermitan artmondon, kvazaŭ sur ian insularon, kiu foras de la reale-kontinento. Sur tiun fantazi-insulon kunvokas la verkisto la leganton por tie senbride festi, por elverŝi el la animo ĉion ŝvele turmentantan, por povi poste reveni al la sobra pens-kontinento. Estas tre karakterize por Tuglas, ke en li kuniĝas granda fantaziemo kun akra intelekto kaj kritikemo. En liaj verkoj mankas ordinareco, banaleco, malstreĉeco, ĉar li estas postulema al si mem kaj al la leganto. A. Adson diras pri Tuglas, ke li ne nur kreas literaturon, sed ankaŭ »vivas literaturon«, ke li estas granda esteto ne nur en siaj verkoj, sed ankaŭ en la vivo. Tuglas estas ne nur alte taksata novelisto, sed ankaŭ konata pro siaj kritikaj laboroj kaj interesaj vojaĝpriskriboj. Aperis de li libroj pri Hispanio kaj Nord-Afriko. Tuglas mem diras, ke li havas du pasiojn: libroj kaj vojaĝado; kaj li estas multe vojaĝinta, komence devige, ĉar de 1906—1917 li estis politika emigranto.

Laŭ lia opinio la plej alta celo estas krei mitojn, — je pli granda feliĉo la artisto ne sopiru. Li trovas la art-literaturon valora nur, se ĝi enhavas belon sen superfluaj aldonoj, senton sen sentimentaleco, sencon sen instruemo. Oni povas konstati, ke la verkoj de Tuglas respegulas tiujn postulojn, kaj tial li okupas apartan lokon en la estona literaturo. La nomo de Friedebert Tuglas jam de jardekoj estas speciale kara al ĉiu estona literaturamanto.

*D.*

ROMANO DE WILHELM SCHMIDTBONN. Ĉe la jarcentturno en Innsbruck vivis juna Rejn-landano, kiu propre venis tien nur pro la emo migri. Sed plaĉis al li la urbo, kiun li poste nomis la plej fantasta urbo de Eŭropo, plaĉis al li la montoj. Kaj precipe plaĉis al li tirola knabino, tiel ke li edziniĝis ŝin. Kiel li konatiĝis kun ŝi, tio estis tre stranga. Li posedis belan nigran pudelon kaj ĉi tiu kun jubila bojado alsaltis iutage en la Maria Theresien-strato junan knabinon; ŝi apenaŭ povis sin savi de la ĝojsaltoj de la hundo, kiun ŝi neniam antaŭe vidis. La konateco tiel estis farita, kaj estas malnova afero, ke geedzecoj ofte fariĝas en plej strangaj manieroj. Sed pli grava por la germana poezio ol ĉi tiu renkonto estis, ke Schmidtbonn tiam laboris pri la dramo »Mutter Landstrasse« (Patrino Landvojo) kiu, malproksime de ĉia nevera romantiko, lumigis la mondon de migruloj kaj perditoj, kiu al li persone ne estis ne konata. La teatrajo baldaŭ famigis la junan Rejnlandanon, ĝi estis ludata sur multaj germanaj scenejoj kaj eĉ en Ameriko kaj Japanujo. Schmidtbonn verkis ankoraŭ multajn aliajn, same kiel li verkis ankaŭ multajn librojn post sia unua »Uferleute« (Bordohomoj) ĝis sia lasta jus aperinta »An einem Strom geboren« (Naskita ĉe rivero). En ĉi tiu libro li rakontas pri si mem kaj pri sia vivo. Sed ĝuste pro tio, ĝi estiĝis rakontlibro, pli bunta kaj interesa ol multaj elpensitaj. Schmidtbonn estas, kiel montras jam lia verkista nomo, naskita en Bonn, ne malproksime de la naskiĝdomo de Beethoven, kiun lia onklo aĉetis kun la helpo de aliaj burĝoj por instali ĝin kiel muzeon. En lia infantempo kaj juneco flubruis la Rejno kaj ĝis hodiaŭ la hejmsopiro al ĉi tiu rivero ne forgesis sin anonci ĉe la poeto. Li estis unu el sep infanoj kaj estis du monatojn tro frue veninta en la mondon. Li estis volvita en vato kaj metita en korbo en la sunbrilon, kiu priradiis la Rejnan ĝardenon. La patrino batalis por la infano kaj venkis. Li restis vivanta, sed la vivo poste ne plu tiel envolvis lin en vaton. Kia bonega virino estis ĉi tiu patrino, pri kiu li tiom multe rakontas! Kiam ŝi mortis, li sola el inter la gefratoj povis sidi apud ŝi kaj teni ŝian manon. Tro multe mi ĉagrenis ŝin dum ŝia vivo, estis silenta interkonsento, ke nun ĉi tiu loko decas al mi.

Longe hezitis Schmidtbonn, ĉu li iĝu muzikisto aŭ verkisto. Liajn unuajn poemojn li skribis sur la tegmento de la domo, kaj poste li laŭtlegis ilin al la du servistinoj kaj donis ilin al ili kun dediĉo. Foje, ĉe la festo de la patra naskiĝtago, oni perdis la knabon kaj fine trovis lin en la loĝejo de malriĉaj homoj. Tie li sidis en niĉo kaj rakontis al ili historiojn. Pli ol duonjarcenton poste li ligas al tio la deziron, ke ĉe la fino de sia vivo li povu diri, ke li atingis ŝaton kiel rakontisto inter simplaj homoj.

»La malriĉaj homoj estas la plej bonaj,« estas liaj vortoj kaj kun ili li ankaŭ komprenas sin, kun la malriĉegaj montkamparanoj en Tirolo, kun la simplaj homoj ĉe la nordmarbordo, kun la migruloj sur la multaj stratoj, sur kiuj li mem estis migrinta. Li estis unu el la unuaj bicik-listoj kaj la unua, kiu, mirate kaj admirate, traveturis la svisan Julier-pasejon per biciklo. La migremo kuŝis en lia sango, sed kutime li iris tute siajn proprajn vojojn. Al Norderney li iris en vintro, kiam ĉiuj fenestroj tie estis fermitaj per tabuloj; sed li promenis tie meze en decembro tra florantaj rozoĝardenoj, kvazaŭ li estus sur la Riviero. Kiam lia teatraĵo estis ludata en Barcelona, riĉa hispana adoranto, kiu studis en Bonn, metis je lia dispono sian domon ĉe la maro. Schmidtbonn ĝin opiniis modesta somerdomo, sed ĝi estis pompa vilao kun fama parko, pri kiu estis verkita eĉ libro. La poeto devis al la dom-mastro redoni la donacon, resti tie dum la vintro. Li estus sin sentinta malfeliĉa en ĉi tiu luksego kaj preskaŭ vive enterigita. Lia vivo devas esti penado por lin ĝojigi. Kaj pro tio li veturis al Mallorca kaj tie trovis inter la nigraharaj hispaninoj ankaŭ blondajn grandegulojn kaj grandegulin-ojn, posteulojn de la iama gota loĝantaro, tiel, ke lia viv-deziro, pasigi iam jaron sur Islando, per kelka fantazio ŝajnas plenumita.

Tre malmulte kaj tre malofte Schmidtbonn skribas pri siaj verkoj. Ĉe la fino li dediĉas al ili tutan paĝon de la ampleksa libro kaj diras pri ili, ke ili forlasis lin kiel infanoj patron. Tie li ankaŭ plendas, ke de neniu el siaj lastaj teatraĵoj li vidis prezenton.

La poeto estas nun malsana kaj por resaniĝi li devas restadi malproksime de sia hejmlando. Li vivas en la sudo, en tiu Ascona, kie kuradas la longharaj apostoloj kaj vegetaranoj, dioserĉuloj kaj vivreformuloj. Kun ili Schmidtbonn certe havas tre malmulte komunan. Ascona ne estas por li la loko, kie li povus trovi trankvilon kaj pacon — »per senfina mordo la hejmsopiro tuŝas lian internon«. Post kelkaj monatoj la poeto iĝos sesdekjarulo. Ni prenas lian »Vivolibron« kiel belan donacon. Kion li rakontas en ĝi, tio radias korvarmecon kaj naturecon, sin-ceran opinion kaj amon al ĉio honesta kaj anime nobla.

*F. W. V.*

## IMRE UNGAR.

En marto koncertis en Tallinn nia fama samideano la blinda pianisto Imre Ungar el Hungario, kiu kune kun sia edzino-esperantistino jam dum kelkaj jaroj koncertcele travojaĝas plej diversajn landojn. Li mondfamiĝis en la jaro 1932 gajninte en Varsovio ĉe la Chopin-konkurso la unuan premion. De 1932 li estas kun granda sukceso havinta en Tallinn kvin koncertojn. Speciale pri la lasta ĉiuj gazetoj aperigis tre favorajn kritikojn.

Li ne nur majstras la instrumenton, sed antaŭ ĉio li estas grandstila muzikesprimanto. Meditema, profund-iĝinta en sin mem, li plene sin donas al la interpretata muzikaĵo kaj elvokas impresojn de plej granda valoro. Ke la vivo de Ungar evoluas apartmaniere, tio sentiĝas en lia ludo. Rimarkeble superas granda sentemo, tial ankaŭ la preludojn de Bach li interpretis laŭ sia maniero, aldoninte al ili apartajn korvibrigajn nuancojn, pro kio tiuj iom sekaj muzikaĵoj elviviĝis kaj impresis novaj. Krom Bach en la programo estis ankoraŭ Mozart, Beet-hoven, Debussy, Chopin. Brile sukcesis la lasta sonato de Beethoven op. 111, kiun li prezentis pasie kaj kun intensa travivado.

Bone estis prezentitaj ankaŭ la impresionistaj muzik-aĵoj de Debussy. Kio rilatas Chopin, lin la artisto ludis kun granda korvarmo kaj esprimriĉeco. Ĉar la sento de melankolio pleje respondas al la inspiro de I. Ungar, tial la muzikaĵoj de Chopin iĝas, de li ludate, speciale profundimpresaj.

Imre Ungar estas blinda de sia dua jaro. Esperanton li eklernis en la blindulinstituto estante 12-jara knabo. Li estas idea esperantisto, serioze interesita pri la Esper-anta movado. Laŭeble li vizitos ĉi jare ankaŭ la Univer-salan Esperanto-Kongreson en Vieno. *Hido.*

TRYGVE GULBRANSSON: KAJ ETERNE KANTAS LA ARBAROJ.

Jam post la unuaj paĝoj oni estas kaptita, kaptita de la poeto. Estas agrable legi en la hodiaŭa celkonscia tempo libron, kiu ne havas tendencon, kiu nur priskribas abundon da travivaĵoj, kiuj havas en si la plenumiĝon de niaj plej kaŝataj sopiroj. En norvega montarbaro vivas de malnovaj tagoj fiera gento de kampuloj. Tre fieraj kaj fortaj estas la homoj, ĝustaj sinjoroj, admirataj, tim-ataj kaj malamataj de la loĝantoj de la ebeno. Sed la nova tempo kun novaj ideoj kaj novaj homoj frapas sur ilia pordo. Forte ligita kun la eternaj fontoj de la arbaro, ĉi tiu gento de sanaj viroj kaj gajaj virinoj ĉion venkas kaj portas la novajn ekkonojn renkonte al la estonteco. Oni deziregas renkonti la personojn de ĉi tiu libro, ĉar ĉiu el ili en sia speco estas admirinda. Thorgeir, la mal-junulo de la gento, per kiu la historio komenciĝas, kun sia nerompita sinjoreco, kiu rekonas la povon de la Dio, sed ne volas subigi sin al la malgrandeca moraro de siaj servistoj. Anne Hammerbö, la pramaljuna, la gardistino de moro kaj kutimo, plastikiĝas antaŭ niaj okuloj, simile al la grandaj virinfiguroj de la antikveco. Dag, la patro, kaj lia bela saĝa edzino Therese, la filino de komercisto, kiu tute enkreskas en ŝian novan vivon, komprenas krei novon kaj pacigi ĝin kun la malnovo. Dag, la filo, ĉe kies lulilo staris la kampulreĝa parencaro, la patrina parencaro de malnovaj komercistoj, vivas en la arbaroj la senligan vivon de libera ĉasisto. En la mastrumo ja ankoraŭ regas lia patro per forta mano. Sed la plejan belon donacas al ni la poeto en la priskribo de la amo de Adelheid Barre, la fiera majoro-filino, kaj de la juna Dag. Ambaŭ malsociemaj kaj silentemaj, neniu el ili volas montri sian amon. Tio certe estas la pleja belo de la tuta bela libro. Poezia en plej profunda senco kaj tamen interesa kaj ĉarma. *F. W. V.*

---

**Nekrologo**

Kun granda bedaŭro ni sciiĝis pri la perdo, kiu trafis la katalunan movadon kaj nian originalan lite-raturon per la morto de

**Artur Domènech Mas.**

Li estis esperantisto de la jaro 1913, li klarigis centojn da Esperanto-Kursoj en laboristaj societoj, eĉ per la sendstacio RADIO-BARCELONA, li verkis multajn poemojn, kelkfoje atingis en la Internaciaj Floraj Ludoj la plej altan premion, la NATURAN FLORON, kaj li estis Prezidanto de la Grupo BAR-CELONA STELO, sekretario kaj prezidanto de la FLORAJ LUDOJ, sekretario de KATALUNA ES-PERANTISTA FEDERACIO kaj redaktoro de KA-TALUNA ESPERANTISTO.

Li estis eks-profesoro pri latina lingvo, eminenta gramatikisto, lernis Esperanton dum kelkaj tagoj.

Li faris multajn prelegojn kaj verkis multajn artikolojn poresperantajn katalune kaj hispane. Kaj dum la diktaturo en Hispanujo, la guberniestro de Katalunujo punis lin per monpuno de 500 pesetoj pro artikolo esperantlingva aperinta en KATALUNA ESPERANTISTO.

Lia morto okazis la 29. aprilo 1936. La 30-an de aprilo okazis la enterigo-procesio, ĉeestata de multaj esperantistoj, inter ili la Prezidanto de KATA-LUNA ESPERANTISTA FEDERACIO S-ro Alberich la eks-prezidanto de la Va UNIVERSALA KONGRE-SO DE ESPERANTO S-ro Pujulà, kaj membroj de la grupoj BARCALONA STELO kaj NOVA SENTO.

Nia poeto, Jaume Grau Casas perdis en la kar-memora mortinto sian bopatron.

Al ĉiuj amikoj kaj parencoj ni esprimas mian plej koran kondolencon. *L. M.*

**Al niaj nederlandaj kaj japanaj klientoj**

Por plisimpligi la interrilaton kun niaj klientoj el tiuj du landoj, plej multe reprezentataj inter niaj abonantoj, ni cedis monopolan vendorajton al enlandaj firmoj, ĝis nun tre bone funkciintaj en la rilato kun ni. Tiu aranĝo plifaciligos pagojn, demandojn, mendojn al niaj klientoj kaj ni esperas, ke tio renkontos ilian plaĉon.

Ni petas do niajn nederlandajn amikojn, estonte sin turni al s-ro

*A. c. van Ingen, Rotterdam W. Voorhaven 43*

kaj niajn japanajn amikojn rilati al

*Japana Esperanto Instituto, Tokio.*

La du firmoj kompreneble plenumos la mendojn, faratajn de kiu ajn revendisto, ĝis nun rilatinta nin kaj ĉiu povas fari siajn mendojn per la ĝisnuna vojo, krom se ili rilatis rekte kun ni. Tiuokaze bonvolu vin turni al la supraj adresoj.

Samtempe ni danku al Internacia Cseh-Instituto pro la fidele farita servo dum du jaroj.

*LITERATURA MONDO*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.

Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. Praha XIX 447, Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 12371.

**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.

**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, **2—3a**

**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele **II.** 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale **3/18715.**

**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.

La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

**LATVIO:** Talivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz. 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

**NEDERLANDO:** A. C. van Ingen, **Rotterdam W.** Voorhaven 43. Poŝtĉekkonto nro 272818.

**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro John Johanessen, **Hamar,** Skappelsgt. 5.

**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

**PORTUGALIO:** Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15

**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**

**JAPANUJO:** Japana Esperanto **Instituto** **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Rockford (Ilionis) 1111 Brooke Rd.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.